*Esperanto en servo de la mondo paco*



# paco

Organo de la MEM-Sekcio de Germana Demokratia Respubliko

1982

# De kie venas minaco kontraŭ paco?

*La armea eldonejo de Ministerio pri defendo de USSR eldonis ruse, angle, france, hispane kaj itale la libron „De kie venas minaco kontraŭ paco".*
*La libro, preparita de kompetentaj sovetaj organoj, enhavas aŭtoritajn faktajn donitaĵojn, inter tiuj ankaŭ komparajn, kiuj donas eblon al la legantoj ricevi objektivan imagon pri tio, el kio rezultiĝas kaj kiel efektive aspektas la bilanco de la militaj fortoj inter Oriento kaj Okcidento.*
*Pli-sube estas publikataj partoj el la libro „De kie venas minaco kontraŭ paco".*

En la unua parto – „Ĉu objektivaj pritaksoj?" – oni montras, kiom neobjektiva kaj tendenca estas pritakso de la milita potencialo en USSR, de ties eksteraj politiko kaj milita strategio, farita de reprezentantoj en la militista departemento de Usono en la broŝuro „La soveta milita potenco", publikita de Pentagono antaŭ kelkaj monatoj, kiom evidenta estas tendencemo de la aŭtoroj de la usona broŝuro en selekto de donitaĵoj pri Sovetiaj Armitaj Fortoj.
Por objektive montri, kiu kaj kiun vere provokas, kiu komencis kaj en la daŭro de pli ol tri jardekoj daŭrigas ĉiam pli akcelante vetarmadon, antaŭ ĉio amasekstermilojn, kiu senbride grandigas sian militpotencon kaj kreas realan minacon kontrau paco kaj sekureco de popoloj, la aŭtoroj de la libro „De kie venas minaco kontraŭ paco" sin turnis al konkretaj faktoj.
Ĉi-faktoj konvinke atestas, ke la iniciato pri kreo de novaj armil-sistemoj en la daŭro de ĉiuj postmilitaj jaroj ĉiam apartenis kaj apartenas al Usono (vidu la tabelon):

| Nomo de armil-sistemo | Tempo kiam estas kreitaj armil-sistemoj | |
|---|---|---|
| | en Usono | en USSR |
| Nuklea armilaro | mezo de la 40-j jaroj | fine de la 40-j jaroj |
| Interkontinentalstrategaj bombaviadiloj | mezo de la 50-j jaroj | fine de la 50-j jaroj |
| Atomaj submarŝipoj | mezo de la 50-j jaroj | fine de la 50-j jaroj |
| Atomaj aviadilŝipoj | komenco de la 60-j jaroj | forestas |
| Disiĝantaj antaŭaj partoj kun individua alceliĝo | fino de la 60-j jaroj | mezo de la 70-j jaroj |
| Neŭtrona municio | fino de la 70-j – komenco de la 80-j jaroj | forestas |

Tiuj kaj aliaj faktaj donitaĵoj ebligis al la aŭtoroj de la libro konkludi ke, en la daŭro de la postmilita historio Soveta Unio ne estis iniciatinta kreon de novaj armil-specoj. Perfektigante siajn militfortojn Soveta Unio nur reagis je tiuj minacoj, kiujn kreis Okcidento. USSR neniam strebis akiri por si la pozicion de armita supereco, limiĝante nur per la rimedoj, kiuj sufiĉis por garantii fidindan sekuecon – la sian kaj tiun de la aliancanoj.
En la libro oni indikas plu:
En la broŝuro „Soveta milita potenca" la ministerio de defendo en Usono prezentas donitaĵojn pri ekzisto en Soveta Unio de 1938 startinstalaĵoj por interkontinentaj balistikaj raketoj, de 950 startinstalaĵoj por submarŝipaj balistikaj raketoj kaj 156 pezaj bombaviadiloj, kiuj kapablas levi ĉirkaŭ 7 000 nukleajn municiojn. La ciferoj per sie mem imponas. Sed la aŭtoroj de Pentagona broŝuro prisilentis 10 000 nukleajn municiojn de la strategiaj ofensivaj fortoj de Usono, kiuj inkluzivas 1 053 startinstalaĵojn por interkontinentaj balistikaj raketoj, 648 startinstalaĵojn por submarŝipaj balistik-raketoj kaj pli ol 570 pezajn bombaviadilojn, ankaŭ 65 mezajn bombaviadilojn. Krom tio, Usono tenas proksime al la teritorio de Soveta Unio milojn da aviadiloj kiel integran parton de nukleaj rimedoj de la anvangarda baziĝo en Eŭropa, en Fora Oriento, en Hinda oceano...
Oni konsideru, ke Sovetunion kontraŭstaras ne nur Usono, sed ankaŭ du aliaj nuklearmitaj ŝtatoj de Okcidento, kaj la minaco flanke de la nuklefortoj de Ĉinio dume pli seriozas por USSR, ol por Usono.
La apero en la lastaj jaroj en la soveta militŝiparo de aviadilportaj ŝipoj „Kiev", „Minsk" kaj atoma raketa krozoŝipo „Kirov" estas prezentata kiel serioza minaco al Okcidento. Tamen Usono ja havas ne du sed dudek aviadilŝipojn, ne unu atoman raketan krozoŝipon, sed naŭ. Nur en la 60–70-j jaroj Usono konstruis sep la plej grandajn en la mondo aviadilŝipojn kun la kapacito po 80–90 tunmiloj kun 90 aviadiloj sur ĉiu el ili, inter tiuj ankaŭ tri atomŝipojn. Estas finkonstruata la kvara atoma aviadilŝipo. Ĝi kostas 4 miliardojn da dolaroj.
Indas memorigi, ke en tiuj jaroj USSR konstruis atomajn glacirompajn ŝipojn por la paca utiligo de Soveta Arktiko....
En la asertoj de l'aŭtoroj de la broŝuro „Soveta milita potenco" pri la defenda industrio de USSR mankas objektiveco. Ili substrekas, ke Soveta Unio havas 135 militajn uzinojn. Sed estas eĉ ne unu vorto pri tio, ke en Unuigitaj Ŝtatoj armilojn kaj militan teknikon produktas 146 ŝtataj uzinoj kaj ĉirkaŭ 4 miloj da grandaj entreprenejoj de privataj firmaoj.
La milita departemento de Usono atribuas al Soveta Unio la strebon „tutglobe vastigi la sovetan militan potencon". Tamen ankaŭ ĉirilate Pentagono kontraŭdiras ne nur al la realeco, sed eĉ al si mem. Ĝi estas devigata agnoski, ke la sovetaj militaj kontingentoj situas sur teritorioj de nur kelkaj kommunu-




*Nova NATO-raketo „Cruise Missile".* Foto: Zentralbild

maj ŝtatoj de Orienta Eŭropo kaj najbaraj landoj – Mongolio kaj Afganistano, cetere strikte surbaze de interkonsento. De la alia flanko arme-unuoj kaj formacioj de armitaj fortoj de Usono estas dislokitaj en dekoj da landoj, havas pli of 1 500 militajn objektojn kaj bazojn situantajn ĉefe apud landlimoj de Soveta Unio.

La usonaj aviadilŝipoj portanaj nukleajn armilojn, atomaj raketaj submarŝipoj, taĉmentoj da militaj surakvaj ŝipoj senĉese krozas ĉe bordoj de Eŭropo, Malproksima Oriento kaj en Hindia oceano. Pli ol ducentmila forto de rapida reago estas preta sinjeti plurajn milojn da kilometroj for de Unuigitaj Ŝtatoj de Ameriko.

Same unuflanke kaj pretendeme estas formulata la demando pri armil-provizado de evolulandoj flanke de Soveta Unio. USSR estas prezentata kiel la plej granda eksportanto de militaj tekniko kaj armilaro, kiam la usona parto en la monda armil-komerco atingas ĉirkaŭ 45 %. Se konsideri, ke pli ol 20 % de ĉi komerco efektivigas aliaj landoj de NATO-bloko, do iĝas klara, de kie venas la ĉefa armil-torento. Estas ĝenerale konate, ke la usona armilaro direktiĝas por subteni reakcidiktatorajn reĝimojn, por subpremi revoluciajn kaj naciliberigajn movadojn, por firmigi la militan ĉeeston de Usono en la landoj-ricevantoj.

Fine de la unua libro-parto la aŭtoroj konkludas: „La supre dirita permesas dedukti la gradon de objektiveco ĉe la aŭtoroj de la broŝuro „Soveta milita potenco", ĉe la pritakso de vaste reklamita de ili, sed reale ne ekzistanta, minaco flanke de Soveta Unio kaj ties armitaj fortoj kontraŭ la strategiaj interesoj de Okcidento.

## Densa reto de militai bazoj

Sur la mapo prezentita en la libro, estas ĉefaj militaj bazoj de Usono sur eksterlandaj teritorioj, kaj krome la kvanto de naciaj militaj bazoj, aerodromoj kaj havenoj, uzataj de la usonaj armitaj fortoj.

Militaj objektoj de Usono sur fremdaj teritorioj-tio estas grandaj aviadaj kaj mararmeaj bazoj, militaj garnizonoj de surteraj trupoj kaj mara infanterio, pozicioj de operativ-taktikaj kaj zenitaj raketoj, deponejoj de nuklea armilaro, municio, provizaĵoj, postenoj de observado pri aera kaj kosma spaco, bordaj stacioj por hidroakustika serĉo de submarŝipoj, centroj de radia kaj radioteknika skoltado, nodoj de komunikado, aliaj objektoj de diversa destino.

Nuntempe Usono havas pli ol 1 500 militajn bazojn kaj objektojn sur teritorioj de 32 ŝtatoj. En ili konstante troviĝas pli ol duonmiliono da usonaj militservantoj. Plejparto da usonaj militaj bazoj estas dislokita en senpera proksimeco al la ŝtatlimoj de Soveta Unio kaj aliaj landoj de la socialisma komunumo, kaj antaŭ ĉio en Okcidenta Eŭropo. Nur en FRG, kies teritorion Pentagono konsideras kiel trampolinon por malbridi militon kontraŭ la landoj de Varsovia Kontrakto, estas lokitaj ĉirkaŭ 200 grandaj militaj objektoj. Preskaŭ 60 usonaj militaj objektoj, inkluzive 7 grandajn bazojn, estas lokitaj sur la teritorio de Turkio, limanta kun Soveta Unio. Al ĝi Pentagono atribuas rolon de startejo por efektivigo de militaj agoj kontraŭ Soveta Unio en Transkaŭkazio kaj socialismaj landoj en Balkana duoninsulo, kaj krome tiun de trafikŝanĝa bazo ĉe transigoj de la fortoj de rapida disvolvo en Proksiman Orienton.

Lige kun planata dislokado de novaj sistemoj de armiloj (flugilraketoj GLSM, balistikaj raketoj „Pershing-II" k.a.) en Eŭropo, kaj krome por plivastigi la eblojn por akcepti el Usono suplementajn grandajn kontingentojn de surteraj trupoj, mara infanterio kaj aerarmeaj fortoj, estas investataj konsiderindaj monrimedoj tiel je la konto de Usono, kiel laŭ la programo de unuigita infrastrukturo de NATO por konstruado de novaj bazoj.

El „Moscow News" Esperanto-Suplemento
n-ro 10, februaro 1982



Foto: Zentralbild

Albert Schweitzer

# Minaco de atoma milito

Hodiaŭ la minaco, ke la malvarma milito transiras en atoman militon, bedaŭrinde estas pli granda ol iam antaŭe. La kaŭzo troviĝas en la kreo de teledirektataj raketaj pafaĵoj kaj en la eblecoj kreitaj per ili.

Pasintece Usono havis la principon, krom Sovetunio resti la sola posedanto de atomarmiloj. Ĝi ne havis intereson, provizi aliajn ŝtatojn per uraniaj kaj hidrogenaj bomboj. Tiuj eĉ ne sciintus, kion fari per ili. Per la kreo de teledirektataj raketaj pafaĵoj et- kaj longdistancaj la situacio ŝanĝiĝas. Do Usono nuligas la dogmon, ne doni atomarmilojn en fremdajn manojn. Decido kun seriozaj konsekvencoj . . .

Nun ekekzistas kondiĉoj por surtera milito, realigebla inter Usono kaj Sovetunio sur eŭropa grundo per atomarmiloj. De sur Okcidenta Germanio la teritorio de Sovetunio povas esti alpafata per teledirektataj mezdistancaj raketoj kun povdistanco ĝis 2 400 kilometroj, ĝis Moskvo kaj Ĥarkov . . .

Tiel Sovetunio povas vidi sin en la situacio, sin defendi kontraŭ ĉirkaŭsieĝa manovro pro la ekzistado de raketaj pafaĵoj . . .

La militminaco pligrandigita per la kreo de atomaj raketaj armiloj plie kreskas pro tio, ke la atommilito certe ne estiĝos per militdeklaro flanke de atompotenco, sed pro iu hazarda afero eksplodos. Kulpas la signifo nun atribuata al la faktoro tempo.

La subita atakanto havos kontraŭ la atakato avantaĝon, kiu donas al ĝi superecon preskaŭ signifanta venkon. Tio ebligos al ĝi tuj komence tiom perdigi al la kontraŭulo, ke ties batalkapablo estas eksterordinare malaltigata. Tial oni sin sentas devigata tie ĉi kaj tie, atenti pri atako ĉiutage kaj ĉiuhore por malhelpi ĝin per tuja forta defendo. Tiu devigo pri plej rapida defendo portas la grandan minacon de hazarda eksplodo de atoma milito. Pro la rapideco, per kio oni devas decidi, kion sigifas la videblajo sur radara ekrano, ekzistas ebleco de fatala eraro, kiu sub certaj cirkonstancoj povas estigi eksplodon de atoma milito.

Laŭ la usona generalo Curtis Le May oni devas serioze kalkuli per tiu ebleco.

Fakte la mondo troviĝis en tiu danĝero antaŭ mallonga tempo. La radara stacio de usona aerarmeo kaj tiu de la usona bordo kune anoncis ke eskadroj da nekonataj bombaviadiloj per supersona rapideco proksimiĝas al Usono. Je tio la generalo komandanta la strategian bombaviadilaron estus devinta startigi la aviadilojn por revenĝa bombado. Li ne decidis tion, prenante sur sin gravan respondecon. Post nelonge konstatiĝis, ke la radaraj stacioj viktimiĝintis je teknika eraro. Kio estus povinta okazi, se tiuloke estus troviĝinta malpli prudenta generalo!

Sekvatempe la minaco de erare kaŭzita atoma milito pligrandiĝos . . .

Usono montras strangan sintenon rilate al la rezigno pri atomaj armiloj. Ĝi ne povas ne pledi pro konvinko por ties neniigo. Samtempe ĝi volas troviĝi en plej favora milita situacio kune kun la landoj de NATO, se tio ne estiĝas fakto. Tial ĝi insistas, ke tiuj decidu, kiel eble plej baldaŭ akcepti la ofertatajn raketajn pafaĵojn. Plie ĝi volas kapabli reteni la pacon per timigo de la kontraŭulo. Ĉe tio ĝi devas sperti, ke la plej multaj NATO-ŝtatoj ne rapidas alproprietigi al si la proponitajn armilojn. Ili devas kalkuli per plifortiĝanta ĉe ili publika opinio ne subtenanta tion.

Havus grandan signifon, se Usono en tiu sortohoro de la homaro povus decidi, pensi sole je la neceso de rezigno pri atomarmiloj kaj la nur per tio ebliĝonta evito de atoma milito. Ne plu konsiderindas la teorio de konservo de paco per timigo de kontraŭulo fare de atoma armado dum la hodiaŭa tempo de kreskigita militminaco. . . .

Ankaŭ pasis la tempoj, en kiuj kune decidis NATO-generaloj kaj eŭropaj registaroj pri la starigo de pafstabloj kaj stokigo de atomarmiloj sur ties teritorio. Vide al minaco de atommilito, kiun tio povus sekvigi, tiu ĝisnuna politika proceduro ne plu validas. Validos nun nur tiaj konvencioj, kiuj estas sankciataj de la popoloj mem.

(El la Dua Alvoko de Albert Schweitzer pri supervenko de minaco de atoma milito 1958. En: Elektitaj Verkoj en kvin volumoj, volumo 5, Berlino 1971.)

Trad. Michael Lennartz

## El letero de MEM-ano

# Kiu minacas Kiun?

La aserto, ke Sovetunio minacas Usonon kaj la „civilizitan mondon" estas konata. Ni rigardu, ĉu tiu ĉi aserto estas ĝusta.

La dua mondmilito finiĝis per la kapitulaco de Japanio. Oni interkonsentis, ke Usono okupu multajn insulojn en la Pacifiko kaj havu multajn militbazojn en Japanio. Japanio perdis siajn poziciojn en Vietnamio kaj en Ĉinio. Al Vjetnamio revenis francaj trupoj kaj Ĉinio instruis la japanajn – kaj poste usonajn trupojn, fuĝi. Ankaŭ francaj trupoj senglore forlasis Vjetnamion . . .

La fakto, ke Sovetio posedas atomarmilojn estis la kaŭzo, ke oni ne jam riskis militon kontraŭ tiu ĉi giganto.

Sed Usono proponis al la landoj de Okcidenta Eŭropo, fondi ŝirmaliancon kontraŭ la „minacanta komunismo". Tiel estiĝis NATO, al kiu ankaŭ – kontraŭ la decidoj de Potsdam, aliĝis Federacia Respubliko Germanio, kiu tiel ricevis la rajton fondi armeon.

Prezidentoj en Usono venis kaj iris. Eisenhower, Dulles – ili proponis la marŝadon ĉe la rando de milito. En Vjetnamio Usono havis la subtenon de sudvjetnamaj regantoj. Eksprezidento Carter ĉesigis la militon en Vjetnamio sen gloro. Revolucio kontraŭ ŝaho de Irano forpelis tiun ĉi amikon de Usono. Aventura atako de usonaj militaviadiloj fiaskis, sed la ŝovinismo en Usono kreskis pro mensoga propagando. Sinjoro Reagan fariĝis prezidanto, ĉar li predikis ŝovinismon.

Liaj sukcesoj estas, ke la armigado de usonaj trupoj prosperis . . .

Do: Kiu minacas kiun? Usono troviĝas inter du oceanoj kaj limas al du landoj: Meksikio kaj Kanadio. La cetera mondo estas por Usono fremda teritorio, kiun ĝi respektu. Usono subtenas per armiloj kaj mono kruelajn diktatorojn.

Usono riskas per sia aventura politiko perdi ĉiujn amikajn en la mondo. Ĝi revenu al prudenta politiko!

Rudolf Zimmermann, Dresden

Miĥail Kirjan

# La mito de sendanĝera milito

Ekde kelka tempo la nocio „limigita nuklea milito" ne plu estas forpensebla el la kolumnoj de la okcidenta gazetaro. Tiuj, kiuj ĝin propagas, strebas sugesti al la „ĉiuhomo" la kriman penson, ke tia milito estus tute „ebla" kaj „akceptebla", ja ili eĉ disvastigas la danĝeran iluzion, ke eblas venko.

La teorio pri „limigita nuklea milito" estiĝis en Usono meze de la kvindekaj jaroj kiel laŭdira alternativo al ĝenerala nuklea milito. Sed tiu de la ideologoj de la imperiismo kreita teorio dekomence estis pensita kiel kamuflado por la faktaj celoj de la imperiismo.

La Reagan-administracio nuntempe rapidege ellaboras „novan militstrategion", kiu plene entenas la idearon de la Carter-a direktivo n-ro 59 kaj krom tio postulas de la usonaj armeo kaj ekonomio la pretecon samtempe agadi en du longdaŭraj konvenciaj militoj kaj partopreni pli malgrandan konflikton en iu ajn regiono de la mondo. La nuna usona registaro do nun kiel antaŭe ne povas decidiĝi senkaŝe konfesi, ke ĝi celas la preparon de mondvasta nuklea milito.

Post la produktado de granda provizo de nukleaj armiloj ili penas staciigi ilin en aliaj ŝtatoj, ĉefe en okcidenta Eŭropo, esperante gvidi tiamaniere „limigitan nuklean militon" ekster la usona teritorio. Tiel la transmaraj strategiistoj en la kazo de nuklea milito volas gardi sian landon kontraŭ rebato.

Usono en Eŭropo kaj Turkio jam ĝis nun koncentris pli ol 8 000 nukleajn eksplodigilojn kaj pli ol 2 800 diversspecajn portilojn. En proksima estonto oni planas staciigi pluajn 572 novspecajn mezdistancajn raketojn. Ilia efikdistanco estas 1 000 ĝis 4 500 kilometroj. Kiel kompletigon de tio la Reagan-administracio intencas deponi en okcidenta Eŭropo neŭtronajn eksplodigilojn por „Lance"-raketoj kaj obuspafilojn por longaj distancoj. Per tiu nelimigita nombro da nukleaj armiloj Usono planas gvidi „limigitan" nuklean militon! Ĉiteme gvidaj personoj de Usono malkaŝe deklaris, ke ili solaj decidos pri la apliko de tiuj mortigaj armiloj. La okcidenteŭropaj ŝtatoj ne havu vetoorajton, se temas pri demandoj de la nacia defendo de Usono. Tio signifas, ke Usono rezervas al si la rajton mem decidi pri la apliko de nukleaj armiloj. Al la okcidenteŭropaj ŝtatoj estas atribuata la tasko plenumi la usonajn ordonojn sen la rajto mem zorgi pri sia nacia sekureco, kiu ne estas endanĝerigata per la mito de „soveta minaco", sed de la nukleaj armiloj, deponitaj sur la propra teritorio.

Ne estas malfacile diveni la sekvojn de tia „limigita" nuklea milito por Eŭropo. Simplaj kalkuloj jam montras, ke ĉe la apliko de tia „limigita" kvanto de nuklea municio Eŭropo simple malaperus de sur la tero. Jam ofte oni priskribis la sekvojn de nur du nukleaj eksplodoj kun po 10 000 tunoj da eksplodforto, aplikitaj far Usono en Japanio. Kaj se oni nun aplikus milojn da konsiderinde pli fortaj nukleaj eksplodigiloj...? Anglaj sciencistoj ekzemple kalkulis, ke 8 ĝis 9 megatunoj da nuklea municio sufiĉus por ekstermi sian landon.

La babilado, ke „limigita nuklea milito" donus al la homaro malpli grandajn suferojn, estas sensenca kaj sarkasma. Unue la nocio „limigita milito" ne estas ekzakte determinebla kaj due ne ekzistas garantioj, ke „limigita milito" ne pligrandiĝus ĝis mondmilito. Kiamaniere oni volas tiri la limon por „limigita" milito? Ekzistas ekzemple pripensoj tiri la limon aŭ laŭ regionoj kaj objektoj trafendaj aŭ netrafendaj aŭ laŭ la forto de la nuklea municio aŭ de la efikdistanco de la portiloj. Sed tio estas nereala. Se oni parolas pri la forto de la nuklea municio laŭ la konvinko, ke aplikiĝos nur taktika materialo, leviĝas la demando, kiel eblas distingi inter taktikaj kaj strategiaj nukleaj armiloj, ĉar kelkaj ja estas praktike identaj. Ĉe la demando pri la objektoj leviĝas la malfacileco de la karakterdifino – ĉu milita aŭ nemilita. Ekzemple la fontoj por elektroenergio, la krudaĵoj kaj multaj uzinoj havas la saman signifon kaj por la ekonomio de la ŝtato kaj por militaj celoj. Kaj eĉ la militaj objektoj havas tian situon, ke en la kazo de apartaj nukleaj atakoj kontraŭ ili ankaŭ aliaj nemilitaj objektoj kaj krom tio la civila loĝantaro estus neniigita. Same estas pri la nutraĵprovizoj, medikamentoj kaj aliaj havaĵoj. Eĉ se oni konsideras la aplikon de senescepte taktikaj nukleaj bataliloj, havantaj eksplodforton de kelkaj dekmiloj da tunoj, tio tute sufiĉus por cindrigi ekzemple Eŭropon, dum per neŭtrona bombo ĉiu vivo ĉi tie definitive estus neniigita. Kompreneble tia „limigita" milito taŭgas por la koncepto de Usono, sed por Eŭropo ĝi estus samsignifa kun la pereo de la civilizo. Pro tio ĝi eĉ sub tia teoria aspekto por la eŭropaj kaj aliaj ŝtatoj ne povas esti konsiderata.

Ankaŭ la usonaj esperoj, ke „limigita" milito ne tuŝus la propran teritorion, estas nerealaj. Komenci „limigitan nuklean militon" kun la garantio ĝin gvidi ekzemple en Eŭropo kaj esperi resti ekster la nuklea rebato de la alia flanko, estas iluzio. Same konstateblas, ke la eksplodo de la unua nuklea eksplodigilo markus la komencon de *mondvasta* nuklea milito. Aserti la malon povas nur tiuj, kiuj aŭ tute ne havas imagon pri nuklea armilo aŭ iamaniere volas kaŝi siajn verajn intencojn.

Post la surscenigo de la mito de „limigita nuklea milito" fare de la militpolitika gvidantaro de Usono, tiu ĉiamaniere penas kutimigi la popolojn al la ebleco de tia kvazaŭ „sendanĝera" milito. Per paroloj, adaptitaj al la etburĝoj, ili penas konvinki tiujn, ke „limigita milito" ne estus katastrofo, ĉar ĝi ja direktiĝus sole kontraŭ certaj objektoj kun senescepte milita karaktero. Kaj krom tio en „limigita milito" aplikiĝus nur taktikaj nukleaj armiloj, kiuj por laikoj ne ŝajnas esti tro teruraj. Sed ke la modernaj taktikaj nukleaj armiloj en sia efikforto jam plurfoje superas tiujn de Hiroŝima kaj Nagasaki, pri tio la militpolitikaj ekspertoj de Usono antaŭzorge silentas. Tiel la mito pri „limigita atommilito" do estas konstruita sur ŝablon. Tion la usona gvidantaro scias tre bone, se ĝi fakte rapide preparas ne la limigitan, sed la ĝeneralan nuklean militon, konstruante samgrade kaj taktikajn kaj strategiajn nukleajn armilojn. Kaj fakte por la usona gvidantaro estus avantaĝe komenci tiel nomatan limigitan nuklean militon, en kiu forbrulus Eŭropo, por poste per apliko de la restinta (inter tio ankaŭ la strategia) nuklea potencialo fini la militon, kiel necesas por realigi la usonajn planojn pri mondregado.

Sed oni devas konsideri ĉe tio ne negravan fakton – nome, ke ekzistas alia flanko, kiu ne povas senage meti la manojn en la sinon kaj atendi, kiel Usono preparas nuklean militon, male okaze de eventuala eksplodo ĝi devas esti kapabla rebati la agresanton. La usona gvidantaro ne forgesu, ke, se ĝi pligrandigas sian nuklean potencialon, konstruas flugilraketojn, neŭtronajn bombojn kaj aliajn mortigajn armilojn, Sovetunio kaj la aliaj landoj de la socialisma ŝtataro devas armi sin kontraŭ ebla agreso de imperiismaj ŝtatoj. L. I. Brejnev konstatis en 1977 rilate al la imperiistaj planoj por nuklea armado, ke ili „devas klare ekkoni, ke Sovetunio

ne restos pasiva spektanto. Ni devas fronti la provokon, garantiante la sekurecon de la soveta popolo kaj de ties aliancanoj kaj amikoj". Ankaŭ sub tiaj kondiĉoj la spekulado pri venko en nuklea milito estas nereala. En tiu momento, en kiu Usono efektivigus la neniigon de Eŭropo, ĝi mem estus celo de masivaj atakoj per nukleaj armiloj, kies sekvojn diversaj usonaj esplorcentroj kaj institutoj tiel ekzakte kaj pedante kalkulis.

Post la decido pri la plenampleksa enkonduko de la produktado de neŭtronaj armiloj la usona administracio kredas nun posedi la konvenan armilon por „limigita" milito. Sed ankaŭ ĉi tie ĝi unue ne konsideras la fakton, ke ankaŭ Sovetunio povas konstrui neŭtronajn armilojn kaj due, ke ankaŭ la neŭtrona armilo estas nuklea armilo kun ĉiuj el tio rezultantaj sekvoj. Ĝia uzado sekvigus la aplikon ankaŭ de aliaj nukleaj armiloj, kio tutcerte kondukus al ĝenerala nuklea milito.

El „Weltbühne" n-ro 37/1981
trad. D. Dungert

**Wolfgang Reischock**

# Spekulado pri malforteco

Kvankam estis antaŭ dudek jaroj mi ankoraŭ ekzakte memoras la konversacion. Kiam ni post mitingo en „Curio-Domo" en la hamburga Rothenbaum-ŝoseo sidis kune, konata reprezentanto de la pacmovado demandis televidan ĵurnaliston de la (tiama) Nordokcidenta Radio kial do lia stacio ne ŝparas okazintaĵojn por propagandi la politikon de forteco kaj armado, sed nenion aŭdigas pri intencoj kaj agadoj de la pacmovado, escepte de maloftaj kalumniantaj rimarkoj. La televidulo, kiu antaŭe sufiĉe fanfarone aprecis „liberecon" kaj „balanciĝon" de la programoj nun montriĝis iomete hontigita. Almenaŭ li estis sufiĉe honesta por konfesi: „Komprenu do – ni ja havas niajn pan-donantojn!"

Kiel dirite: tiel estis tiam. Nu, la „pandonantoj" estas ankoraŭ la samaj, sed la pacmovado intertempe ankaŭ en FGR elmontras disvastecon kaj forton kiel neniam antaŭe, vidalvide de la enorme kreskinta minacado al la homaro far la usona armilbanditaro.

Ne temas nur pri tio, ke ne plu eblas prisilenti ĝin en la medioj. Ankaŭ la reprezentantoj de la oficiala politiko devas enkalkuli ĝin senkonsidere de ilia kutima preteco riverenci antaŭ la arogantaĵoj de la Reagan-administracio.

Sed tio ne kaŝu la fakton ke multaj homoj – kontraŭ siaj elementaj vivinteresoj – ankoraŭ staras flanke. Oni devas ekkoni la kialojn de ilia abstinenco se oni volas aktivigi pluajn rezervojn por la pacbatalo. Inter ili ludas rolon ideologiaj kaj psikologiaj faktoroj, homaj malfortecoj, pri kiuj la manipulantoj de militpsikozo spekulas por senigi la pacmovadon de ĝiaj kresko kaj elano.

*Unualoke* staras manko de faktoscio, precipe manko de politika informiteco de la koncernatoj. La mensogo pri minaco – angulfosto de la kontraŭula argumentado, kiu apogas la tutan propagandkonstruaĵon por la motivado de pluarmado – estas celita spekulado pri nescio rilate la naturon de socialisma socio, en kiu neniu kapablas akiri profiton per milita armado aŭ milito mem. Por la usona ministro por ekstera politiko, Haig, kiu post sia adiaŭo kiel ĉefkomandanto de NATO ricevis jaran salajron de 900 000 dolaroj kiel prezidanto de la triavice plej granda firmao liveranta al Pentagon (United Technologies' Corporation) eble laŭ propraj vortoj ekzistas „pli gravaj aferoj ol paco". Ankaŭ lia soveta ofickolego Gromyko agas laŭ la interesoj de siaj mandat-donintoj, nur tiuj ne estas klano de profitavidaj armadestroj (kiuj en Sovetunio konate ne ekzistas) sed la popolo, kiu deziras gardadon kaj konservadon de siaj akiraĵoj, por ne paroli pri la vivo mem.

Intensa informado estas do necesa, kiu klarigas la danĝerojn ne nur per sumigo de armilkvantoj kaj -specoj sed ĉefe per la bazaj interesoj de la ambaŭflanka politiko.

En konekso kun nescio – *due* – troviĝas




*Porpaca demonstracio en Okcidenta Berlino.*

Foto: Zentralbild

ofte la nekredemo al la dimensio kaj realeco de la minaco kaj la neimageblo. Ambaŭ estas home kompreneblaj: normala cerbo nur malfacile povas sekvi tian perversion de pensado kiu estas bazo de la lanĉado de neŭtronbomboj aŭ imagi la apokalipson de atoma milito, kiun la pentagonaj strategiuloj hodiaŭ nomas „pensebla" kaj „gajnebla".

Oni devas marteli en la cerbojn kial la apenaŭ imagebla povas fariĝi realo se oni ne decide kontraŭbatalas – ĉiu sola kaj ĉiuj kune.

*Tria faktoro* estas pura forgesemo. Sufiĉa parto de la hodiaŭ vivantaj homoj ankoraŭ travivis la pasintan militon. Inter ili estas ankaŭ la autoro de tiuj linioj, kaj li kapablas tre bone memori la lamentojn kaj vekriojn de tiu tempo. „Pli volonte tutan vivon manĝi sekan panon – nur neniam plu militon", tiel aŭ simile aŭdiĝis ĉiuloke. Sed tiu milito estis – se estas permesata tia makabra komparo – preskaŭ naiva kompare al tio, kio nun estas fiplanita en usonaj potenccentroj.

Hodiaŭ la militekspertoj de Pentagon (kaj tiuj, favorataj de siaj moŝtoj) fieras pri tio, ke ekzemple la eksploda potenco de unusola MX-rakedo superas tiun de la Hiroŝima-bombo je faktoro de 230!

*Kvara kialo* de nesufiĉa partopreno en la pacbatalo estas kaŭzita per tio, ke eblas kutimiĝi al malagrablaj, ja eĉ al danĝeraj situacioj. La enloĝantoj de Tokio aŭ San Francisco scias ke ili vivas en tertremema regiono kaj estis iam-iam ŝokitaj pro informoj, ke en proksimiĝanta tempo ilia urbo povas esti trafita de terura tertremo. Sed ili alkutimiĝis, trankvile trinkas teon aŭ ŝoforas senzorge trans la ponto Golden Gate.

Ekde 3½ jardekoj ni vivas „kun la bombo". La homoj prizorgas siajn aferojn kaj ne plu pensas pri tiu diabla arsenalo de detruo, ne plu videbla pro alkutimiĝo. Ili ankaŭ kutimiĝu al la fakto, ke la akumulita eksterma potenco pli kaj pli danĝere amasiĝas: per MX-rakedoj, submaraj boatoj „Trident", bomb-aviadiloj „B1" kaj „Stealth", kemiaj binaraj armiloj. Krome Pershing II, marŝflugiloj kaj neŭtronbomboj en mezeŭropo! Ligitaj kun strategia koncepto de „la unua bato", kiel nun estas propagandita en Usono, la indikoj signifas alarmon. Ĉin la pacbatalantoj devas funkciigi tiom aŭdeble kaj videble, ke ĝi enpenetras la ostojn de la indiferentuloj.

Malsame al tertremoj milito ne venas kiel naturkatastrofo sen antaŭsignoj. Koncerne naturkatastrofojn oni nur povas prepari sin je la sekvoj, sed koncerne militon oni povas kaj devas batali kontraŭ la kialoj. Kompreneble ne helpas ŝanĝi la alkutimiĝon kaj indiferentecon kontraŭ timo. Necesas anstataŭi ilin per agado, agado kiu batas la armilojn el la manoj de la kulpuloj de la minaco.

*Fine – kvine* – ekzistas la psikologia danĝero de rezignacio. Ĝi okazas, kiam oni ekspektas tro rapidajn, tro facilajn sukcesojn kaj se la emocieco de la reago ne estas kompletigita per la racieco de la agado. Por sukcesi en pacbatalo – kiel en ĉiu politika batalo – bezonatas obstineco, la kapablo toleri ankaŭ malprogreson, reciproka subteno kaj kuraĝigo, solidara agado kun samideanoj en tiu vivdemando (trans ĉiuj diferencoj). Rezignado signifas cedi la kampon al la kontraŭulo.

La politikaj kaj militaj fiuloj, kiuj hodiaŭ minacas la vivon de la homaro pro la profito de armadkonzernoj estas kvante nur malgranda sed ege potenca grupo. Ili certigas al si ne nur la subtenon de tiuj, kiuj estas pagitaj de ili aŭ katenitaj per mil fadenoj (ekzemple certaj politikuloj aŭ jurnalistoj kiuj – se ne eĉ favore – kunlaboras malkuraĝe aŭ senskrupule). Ili enkalkulas antaŭ ĉio ankaŭ la letargion kaj pasivecon de la amasoj.

Eblas nur unu efika kontraŭstrategio: mobiligi la amasojn por siaj propraj, plej elementaj interesoj. En tio baziĝas la senco de la pacmovado same kiel ĝia certeco pri sukceso. Parto de tiu tasko estas la pripensado kaj forigado de tiuj ideologiaj kaj psikologiaj faktoroj pri kiuj temis.

El „Weltbühne" n-ro 37/1981,
trad. Linde Knöschke

---

# Semajno de senarmigo en Unuiĝintaj Nacioj

## Kiel eksĉefministro Palme vidas senarmigon

La semajnon 24–30 de oktobro 1981 Unuiĝintaj Nacioj deklaris „Semajno de la senarmigo". Dum tiu semajno multaj manifestacioj favore al senarmigo okazis en la sidejo mem de UNO kaj ankaŭ en multaj aliaj lokoj de Novjorko kaj aliaj urboj en la mondo. Ankaŭ la Novjorka oficejo de UEA okazigis bone vizititan kunvenon en kiu oni diskutis la eblan kontribuon de la esperantistaro al la senarmigo. Tiu ĉi artikolo, diskoniganta la ideojn de senarmigo, estas plua formo de nia kunlaboro kun la laŭdindaj klopodoj de Unuiĝintaj Nacioj.

Inter la okazaĵoj en la Novjorka sidejo de UNO eble la plej rimarkinda evento estis parolado de Olof Palme, eksĉefministro de Svedujo kaj ĉefo de Sendependa Internacia Komisiono por Senarmigo, al ni bone konata pro sia favora sinteno al Esperanto. El lia parolado ni prezentas ideojn iom mallongigitajn kaj citaĵojn por prezenti al niaj legantoj la resumon de tiu grava parolado.

Antaŭ ĉio s-ro Palme atentigis ke la postmilita timo de la atombomboj iom post iom malaperis, kaj la nuna homo konsideras la atoman armigon kaj eventualan atoman militon kiel ion neeviteblan, kvankam intertempe kelkaj ŝtatoj akumulis tiom da atomaj armiloj, ke ili povus plurfoje detrui la tutan homaron.

La du superpotencoj amasigis kaj daŭrigas la amasigadon de pli kaj pli potencaj detruiloj[1]), kvankam sciencistoj kaj aliaj konsilantoj klarigis al la gvidantoj de tiuj nacioj, ke amasigo de armiloj ne donas al tiuj nacioj pli grandan sekurecon, sed kontraŭe, pligrandigas la malsekurecon de la mondo, do ankaŭ de ilia propra nacio.

Jam en la nuna stadio en nur kelkaj minutoj iu ajn el la superpotencoj kapablas superŝuti la alian per atombomboj. Tamen – kio estas plej maltrankvilige – kelkaj parolas pri ebla „venko" en tia milito. Eĉ pli maltrankviliga estas la penso de kelkaj politikistoj[2]) pri „limigita" nuklea milito. Sed neniu diras kiu kapablas haltigi je certa punkto la komencitan nuklean detruon.

Fine, laŭ la diro de la sveda politikisto, la popoloj komencis reagi, ĉar ili konsciiĝis ke la eventuala atommilito, limigita aŭ ne, atingos ne nur tiujn kiuj ĝin iniciatis, sed ĉiujn, ankaŭ neŭtralajn kaj nealiancitajn landojn. Li menciis la studojn de la soveta d-ro Chazov kaj la usona d-ro Hiatt pri la efikoj de eksplodo de 20 megatuna atombombo super Bostono. Ĝi postlasus 2 240 000 mortintojn, eĉ pli multe da vunditoj, blindaj, malsanaj, kiuj kuŝus senhelpaj, ĉar la kuracistaro samproporcie pereus kaj estus vundita. La akvo kaj nutraĵoj estus venenigitaj. La ĝenerala situacio estus katastrofa, senespera.

Grava aspekto de nia laboro estas esti en kontakto kun Neregistaraj organizoj. La NRO-j estas inter la plej bonaj vojoj por atingi publikan opinion, por interesigi homojn pri tiuj ĉi esencaj decidoj pri nia estonto. Kaj tio estas necesa pro pluraj kialoj. Ekvilibrita senarmigo povas esti atingita nur tra intertraktado. Kaj por ke tiuj intertraktadoj estu sukcesaj, por igi la rezultojn akcepteblaj kaj akceptataj, la popolo devas ilin partopreni.

Resumis TS por UEA

Noto de la redakcio:

[1]) La „du superpotencoj" ĉi-tie estas metitaj sendistinge sur unu ebenon. Tamen, necesas substreki, ke Sovetunio faris kaj faras ĉiam denove prpponojn pri senarmigo, kiujn Usono kutime ne konsideras.

[2]) Ankaŭ ĉi-tie estus necesa pli da klareco. La „Kelkaj politikistoj" apartenas al la usona registrao.

# Usono strebas al mondregado kaj armiĝas por du militoj

La stoko de la jam nun superŝveliĝantaj usonaj arsenaloj estas nuntempe kompletigataj kun rapidego per nova generacio de amasdetruiloj, de „superarmiloj". La monda publiko konas la programojn por 200 interkontinentaj „MX"-raketoj, por 10 000 „Cruise Missiles", por unu aŭ pluraj novaj strategiaj bombaviadiloj, por la novaj „Trident" submarŝipoj kaj ankaŭ la plifortigitan evoluadon de armiloj por „la milito en la kosmo".

Krom tio okazas – ofte preteratendate – ankaŭ giganta armado en la sfero de tradiciaj armiloj, kies detruforto dumtempe multobliĝis pro senĉesa pluevoluado. La pligrandigita armado en la tradicia sfero – ĉiam en rilato kaj kombinado kun la strategiaj armiloj – certigu al Usono la militaran superecon en *ĉiuj* militdecidigaj faktoroj kaj ebligu al ĝi la militon en ĉiuj partoj de la mondo por realigi la planojn pri mondregado de la usona imperiismo – kun aŭ sen atomarmiloj.

## 1. La koncepto de Weinberger pri militara potenco

Plej trafe ĝis nun formulis tiun ĉi militstrategian linion usona ministro de defendado Caspar Weinberger, kiu en tiu konekso parolas pri „nova koncepto de militara potenco".

– Dum bankedo de la novaĵagentejo UPI la 5-an de majo 1981 en Chikago li deklaris: „Ni devas esti preparitaj al tradicia milito, kiu povus disvastiĝi al multaj partoj de la terglobo".

– Meze de junio parolis la ĉefo de Pentagon en New York pri „plurfronta milito" kaj klarigis: „Ni devas kalkuli kun la ebleco de konfliktoj en regionoj, malproksimaj unu de la alia, kiel la Persa Golfo, Meza Eŭropo, Orienta Azio kaj Meza Ameriko".

– Antaŭ oficiroj de militara altlernejo en Washington Weinberger esprimis sian opinion la 14-an de julio 1981 ankaŭ favore al pli forta tradicia armado, por plialtigi la povon konduki limigitajn militojn.

„Wall Street Journal" skribis la 15-an de junio 1981 senkaŝe kaj senĝene, ke Pentagon ellaboras planojn „por almenaŭ du samtempaj militoj . . ., en kiuj partoprenos granda amaso de niaj trupoj kaj tiuj de niaj aliancanoj".

Per tio estas anstataŭigata la post-Vjetnama-doktrino de $1^1/_2$ militoj; la plimulto de la Kongreso montriĝas nun „elspezema", – tion skribis „Frankfurter Allgemeine Zeitung" la 3-an de junio 1981 en korespondaĵo el Washington citinte la vortojn de senatano Nunn, gvidanta reprezentanto de interesoj de la milit-industria-komplekso. La konsentemo ebligi la elspezojn por armado – tiel Nunn – estas en konekso kun la postulo, „fari ĉion, por estonte, se necese, sukcesplene uzi la usonan potencon".

Oni finfine devas reveni al tempo, „kiam usonanoj povis esti certaj, ke ĉio, kion ili entreprenas, precipe militare, finiĝas avantaĝe por ili".

Sub tiu ĉi vidpunkto la nuntempa militpolitika kaj strategia koncepto de Usono kun siaj konsekvencoj por la armado moviĝas en tri ĉefaj direktoj:

*Unue*, Usono produktas kvalite novajn strategiajn armilsistemojn (ICBM-sistemo MX, submarŝipoj „Trident", strategiaj bombaviadiloj) en ĝis nun ne konata amplekso por kapabli fari la unuan detruigan baton – planitan kiel ilon por ĉantaĝi Sovetunion kaj kiel mortminacon kontraŭ ĉiuj popoloj.

*Due*, la jam en Eŭropo dislokitaj Forward Based Systems (FBS) de la usonaj armetrupoj, la lokigo de „Pershing II" kaj „Cruise Missile" en okcidenta Eŭropo (do, de armilsistemoj atingantaj ĝis malproksime en Sovetunion), same kiel la ĉiuflanka modernigo de la tradiciaj trupoj de NATO en okcidenta Eŭropo, konduku al militara supereco en tiu ĉi regiono.

Krome Pentagon kaj la staboj de NATO planas kaj „limigitan nuklean militon", laŭ la „Presidential Directive 59", eldonita en aŭgusto 1980 de la iama prezidanto Carter, kaj limigitan tradician militon en Eŭropo – kun la celo militi en ambaŭ kazoj ekster la teritorio de Usono.

*Trie* Usono pligrandigas saltrapide la kapacitojn por armita agreso en la tuta mondo. Ĉekape troviĝas tiaj programoj, kiel la akcelita starigo kaj kompletigo de „rapida intervena trupo" kun almenaŭ 200 000 soldatoj, grava plifortigo de la marflota kapacito kaj la kompletigo de la militbaza sistemo.

## 2. Fortoj kaj rimedoj de universala strategio

En intereso de akcelita kompletigo de la „rapida intervena trupo" kaj de kapabloj al armea intervenado en ĉiuj regionoj de la mondo – ĉefe en la regionoj de Persa Golfo, en Orienta Azio kaj en Latina Ameriko – Pentagon koncentriĝas nuntempe al evoluado, produktado kaj aktivigado de avioŝipoj, raketaj krozoŝipoj kaj aliaj militŝipoj; de grandspacaj transportaj aviadiloj; de tankoj, infanteriaj tankoj kaj ĉiuspecaj armiloj, taŭgaj por ekuzo en transmaraj regionoj.

Por ĉiuflanke realigi sian milit-strategian planadon, la Reagan-administracio estas preta, saltrapide plialtigi la armadelspezojn. Kvankam la buĝeto de Pentagon en la jaro 1982 jam atingis kun 222 miliardoj da dolaroj ĝisnunan rekordon, ĝi plialtiĝu por 1983 ankoraŭ je almenaŭ 35 miliardoj da dolaroj, kiel deklaris la vicministro de defendado Frank Carlucci en intervjuo, publikigita de „Washington Post" la 12-an de julio 1981. Ne estas mirinde, ke kaŭze al tia multekosta kaj streĉa pluarmado Washington malaltigis la socialan buĝeton en sia propra lando kaj volus nepre devigi siajn aliancanojn, ankaŭ fari pli multe en laŭdire „komuna intereso".

## 3. Pli altaj postuloj al NATO-partneroj

En multe pli granda mezuro ol la tielnomata longdaŭra programo de NATO – akceptita en majo 1978 – antaŭvidis tion, la eŭropaj aliancanoj de Usono nun bonvolu partopreni en la financado de la (armad) elspezoj. Dum la kunveno de la ministroj de defendado de NATO-ŝtatoj en la kadro de la tielomata Defendplana komitato (Defense Planning Commitee – DPC) la 11-an kaj 12-an de majo 1981 en Bruselo, C. Weinberger postulis, ke la partneroj „plialtigu siajn defendajn klopodojn" kaj tio je almenaŭ tri procentoj en jaro, kies valoro devas resti „netuŝita de inflacio". (3-procenta plialtigo estis jam akceptita dum pli fruaj NATO-kunsidoj). La aliancanoj sekvu la ekzemplon de Usono kaj favore al drastaj plialtigoj de armadprogramoj „profunde restriktu la socialajn programojn". Krome la usona generalo Rogers, plej supra komandanto de NATO-trupoj en Eŭropo postulis en „NATO-Review" de junio 1981, ke la pakto devas „akceli kaj energie antaŭenigi" siajn armadplanojn. La motivo: „Por la ĉefa komandantaro de NATO en Eŭropo la komenciĝinta jardeko estos periodo de konfrontadoj."

## 4. Trarompi la diablan cirklon!

Ne nur en la nuklea sfero, en la sfero de strategiaj kaj „eŭrostrategiaj" armilsistemoj, sed ankaŭ rilate al la fortoj kaj rimedoj por la tradicia militado, la diabla cirklo de pluarmado devas esti trarompita. Ne estu permesata al Usono nek nuklea milito nek tradicia agresmilito!

*El „Friedenskurier", novembro 1981, organo de la Monda Packonsilantaro*
*tradukis Renate kaj Dieter Berndt*

**Arthur Hoppe (San Francisco)**

# La afabla ulo

Mi havas konaton kiu laŭ mia scio estas inter la plej inteligentaj, plej spritaj, plej honestaj, plej modestaj kaj plej konsideremaj homoj. Mi kredas, ke li volas mortigi min.

Mi konas Caspar Weinberger pli ol 20 jarojn. Konsentite, ni neniam estis intimaj amikoj. Sed mi sidis ĉe li, babilis kun lia edzino Jane, matenmanĝis kun li en moteloj, akompanis lin en aŭtobusoj, aŭtomobiloj, taksioj kaj aviadiloj, trinkis kun li dum amuzaj vesperoj. Kiam mi volis ekscii ion pri la manipuloj far republikanaj gvidantoj dum balotaj bataloj aŭ partiaj konferencoj mi demandis Cap-on. Li ĉiam respondis informite, malkaŝe, klare kaj humorplene. Mi ĉiam taksis lin bona, honesta, prudenta homo. Mi ĉiam tre ŝatis lin. Nun mi kredas, ke li volas mortigi min.

★

Vere, ekde kelkaj jaroj mi ne plu renkontas Cap-on. Ekde siaj relative modestaj kaliforniaj komencoj li fariĝis ministro por defendado, unu el la manpleno da viroj plej potencriĉaj de la okcidenta mondo. Sed mi ne kredas, ke li ŝanĝiĝis. Ĵurnalistoj de Vaŝingtono, plejparte liberalaj, ĝenerale ŝatas kaj estimas lin. „Retenema", „trankvila", „popolema", „senpovigema", „milda", „seka", „nobla", „ĉarma" estas inter la atributoj per kiuj ili karakterizas lin.

Anekdoto rakontas, kiel kompleze li ĉiumatene servas al Jane kafon en la lito antaŭ starti al Pentagon kaj al plua tago de planado de nuklearmila milito. Alia anekdoto raportas lian komentarion rilate al aresto de sekurecagento en Pentagon pro nedeca nudigado. „Mi pensis ke, ili eĉ ne montru sian vizaĝon" diris Cap. Kaj pli poste en intervjuo li diris: „Mi apenaŭ povas kredi ke mi estas tiu malbonulo, kiu mi estadus laŭ raportoj".

Jes, ĉio ĉi precize similas al Cap. Vere afabla ulo. Estas apenaŭ percepteble, ke li volas mortigi min.

Mi multe observis lin en televido. Ofte li portas kaskon kaj aspektas malserena kiam li testas novan armilon aŭ direktas novan tankon. Kaj mi emas diri: „Sed Cap, ĉesu do. Vi ja estas tro saĝa por ĝoji pri tiaj ludoj."

Mi legas multon pri li – kiel li volas pravigi ke 30 miliardoj dolaroj de la etato por sociaj elspezoj estas fortranĉitaj kaj 30 miliardoj aldone destinitaj al Pentagon; kiel li volas altigi la militistajn elspezojn je 1,5 bilionoj dum la sekvontaj 5 jaroj kaj kiel li antauplanas limigitan nuklearmilan militon aŭ eĉ etendigitan nuklean militon. Kaj mi emas diri: „Mi petas vin, Cap, vi ja estas multe tro afabla por eĉ nur pensi pri mortigado de milionoj da homoj. Pli bone pensu pri tio, kio reale ekzistas. Pensu pri unuopaj homoj, kiuj naskiĝas, manĝas, dormas, amas. Pensu pri mi kaj la miaj!"

Mi scias, lau Cap estas necese ke li savu mian vivon – aŭ almenaŭ la politikan sistemon al kiu mi apartenas. Sed mi ne timas, ke la rusoj mortigos min. Mi timas, ke atombombo mortigos min. Mi timas mian amikon Cap. Mi timas, ke li mortigos min kaj miajn infanojn kaj miajn genepojn. Kaj la viajn! Sed strange estas, ke mi sincere taksas lin afabla ulo.

El „Weltbühne" 3/1982,
trad. Linde Knöschke

*Mangrovo-arbaro antaŭ la prispruĉo per herbicidoj de usonaj aviadiloj kaj la sama teritorio post la spruĉo (ekde 1965) en la jaro 1972.*

Foto: Zentralbild



**Vera Findeis**

# Vjetnamio

# Longdaŭraj efikoj de kemia militado

Bazajn esplorojn pri la katastrofaj damaĝoj, kaŭzitaj en la plantaro de suda Vjetnamio per la uzado de venenaj kemiaĵoj far Usono, entreprenis grupo da sciencistoj de la universitato de Hanojo. Profesoro Vo Guy, estro de la grupo kaj dekano de la fakultato pri biologio, publikigis unuan raporton pri la rezultoj de la esploroj. Tie tekstas: Dum la milito en Vjetnamio oni aplikis en la sudo de la lando pli ol 100 000 tunojn da toksaj kemiaĵoj. De pli ol 2,5 milionoj da hektaroj de la trafita arbara areo pli ol du milionoj estis plene neniigitaj. Plej forte ĉe tio suferis la arbaroj de la provincoj Minh Hai, Kien Giang, Au Giang kaj Tay Ninh, same ankaŭ regionoj de la Truong-Son-montarĉeno.

Laŭ ĝisnunaj spertoj mortas 10 % de la arboj post la unua apliko de veneno kaj 25 % post la dua. Pleje suferas la altaj kaj mezaltaj kulturoj. Laŭ tiu ĉi taksado en suda Vjetnamio devus esti neniigitaj ĉirkaŭ 20 milionoj da kubaj metroj, sed fakte temas pri 110 milionoj da kubaj metroj kaj tio koncernas ne nur la arbojn, sed ankaŭ la malaltajn kreskaĵojn, kuracherbojn kaj oleopalmojn. Tio diras ankoraŭ nenion pri la katastrofaj efikoj de la venenaplikado sur la faŭnon.

Sciencistoj de okcidentaj ŝtatoj prognozis tempodaŭron de 40 ĝis 50 jaroj ĝis la naturo de suda Vjetnamio ekvenkos la damaĝojn de la veneno. La ekstreme longa tempo klariĝas el la klimataj kondiĉoj de la tropoj. La arboj en la arbaroj ne kapablas plene kapti la pluvon, la troa pluvokvanto engrundiĝas. Dum la milito tio do signifis, ke ne nur la arboj estis trafitaj de la kontaktveneno, sed ke la neniiga forto de la kemiaĵoj longtempe efikis ankaŭ sur la grundon. Por la akvociklo kunsuferis ankaŭ regionoj, kiuj ne estis ŝprucigitaj per veneno rekte el aviadiloj.

Aparte terura estas la situacio en la centra vjetnama provinco Binh Tri Trien. De 1965 ĝis 1971 oni ĉi tie plurfoje ŝprucigis la durlignajn arbojn per senfoliigiloj kaj neniigiloj kaj ankoraŭ hodiaŭ, pli ol 10 jarojn poste, la regiono montriĝas plene dezertigita, kun la restaĵoj de karbiĝintaj arbo- kaj plantotrunkoj. Ĉiuj montpintoj kaj valoj de la regiono estas senarbaj, la naturo ankoraŭ ne sukcesis regeneriĝi. La solaj signoj de vegetaĵaro estas spuroj de sovaĝe kreskantaj herboj kaj lianoj.

Restas nerefutebla fakto, ke la usonaj venenoj ne nur detruis la densan vegetaĵaron, sed ke temas pri atako kontraŭ la tuta ekologia sistemo.

El „horizont", n-ro 9/1982
trad. D. Dungert

Monika Schrage

# Dresden – monumento kontraŭ milito



*Dresdeno. Rigardo desur la urbdoma turo 1949. La ruinoj jam estas forigitaj.*
Foto: Zentralbild

Dresden – por multaj homoj tio signifas perlo ĉe rivero aŭ urbo fama kiel „Florencon de la nordo". Eble multaj el la alvojaĝintaj turistoj pensas: Sen la princoj Dresden neniam estus fariĝinta tio, kion la poetoj poste gloris. La vero estas, ke la evoluo kaj sorto de Dresden estis ĉefe kreitaj de la enloĝantoj, la laborularo, la formintoj de la artaĵa urbo; kontraŭe la princoj nur alpropriĝis al si la rezultojn.
Unuafoje Dresden dokumente menciiĝis en 1206-a jaro kaj estis nomumata urbo en 1216-a.
Ĝi famiĝis trans la landajn limojn, estante sidejo de unu el la plej potencaj kaj reprezentemaj princfamilioj de la tiama Germanio. Strebado al potenco, monavido kaj parademo kulminis sub Aŭgust la Forta en la 18-a jarcento. La verkoj de grandaj konstrumajstroj de ĉiuj epokoj, kiuj formiĝis en Dresden al unika arkitektura ensemblo, la kolektoj de multekostaj arttrezoroj, la kreado de grava muzika kaj teatra kulturo kaj de figuranta arto kaj nelaste la pejzaĝe ĉarma situacio ĉe rivero fundamentis la tutmondan famon de Dresden. Dum sia historio Dresden travivis multajn incendiojn, epidemiojn kaj detruiĝojn. Sed la plej terura katastrofo okazis, kiam je la 13-a de februaro 1945 la bela urbo de kulturo kaj arto ruiniĝis je rubo kaj cindro per angla-usonaj bombatakoj, kaj kun ĝi sinkis la kulturhistorie valoraj konstruaĵoj konstruitaj dum jarcentoj. Dum nur 56 minutoj 35 000 homoj mortis, preskaŭ 80 % el la loĝdomoj domaĝiĝis kaj detruiĝis, la industrio suferis je 70 % domaĝojn kaj detruojn. Malsanulejoj kaj preĝejoj, lernejoj kaj teatroj, la bela baroka konstruaĵo de Zwinger, la Semper-operejo, la katedralo estante la sola baroka konstruaĵo de la itala konstrumajstro Chiaveri en Germanio, la pentraj-galerio de Semper kaj la Frauenkirche (Preĝejo de Nia Virino) estinte la simbolo de urbo Dresden estiĝis viktimoj de la bombatakoj.
„Kiu mallernis la ploradon, tiu relernos ĝin pro la pereo de Dresden. Tiu gaja matena stelo junulara ĝis nun lumigis la mondon. El Dresden, el ĝia delikate egala artoflegado de muziko kaj parolo, belegaj riveregoj fluis tra la mondo, kaj ankaŭ Anglio kaj Usono soife trinkis el ili. Ĉu ili tion forgesis?" la grandaĝa germana poeto Gerhart Hauptmann diris, kiu travivis la bombadon sur Dresdenon.
Sur areo de ĉirkaŭ 15 km$^2$ restis milionoj de kubaj metroj da rubo kaj ruinaĵoj. Oni bezonis multege da fantazio por imagi al si, ke tiu agonia urbo iam povus reviviĝi. Tro kruelaj estis la vundoj krimitaj al la urbo. Tamen ekzistis homoj kredantaj je renaskiĝo de la urbo. Ilia fantazio ne bazis je iluzioj, sed je scioj, spertoj kaj kompreno de la leĝoj pri la socia evoluo. Geviroj el ĉiuj tavoloj de la popolo, kontraŭfaŝistoj, ĉepinte komunistoj prenis la pluan sorton de Dresden el la ŝirmo de la sovetaj liberigintoj en siajn manojn.
La malnova tradiciplena urbo ĉe Elbo jam festis sian 775-jariĝon kaj tamen estas juna urbo, juna pro sia renaskiĝo antaŭ iom pli ol tri jardekoj. Dudek

*Dresdeno. La sama loko 1979.* Foto: Zentralbild



kvin jarojn post la komenco de la novkonstruado Dresden sin montras altevoluinta centro de elektrotekniko/elektroniko, de maŝinkonstruado kaj tekniko de mezurado kaj regulado. Sennombraj valoraj produktoj de ĉi tie eniras la mondon. Jaron post jaro Dresden estas gastiganto de gravaj internaciaj kongresoj kaj simpozioj. Al la scienca famo de la urbo ĉe Elbo kontribuas ankaŭ la 200 institutoj troviĝantaj ĉi tie, la 150-jara Teknika Universitato, ok altlernejoj kaj multaj faklernejoj.

Dank' al la grandioza laboro de sovetaj restaŭristoj en- kaj eksterlandaj vizitantoj de la pentrajgalerio povas admiri inter alie la verkojn de Montemezzano, Canaletto, Rubens, Rembrandt, van Dyck, Veronese, Giorgione, Tizian kaj unu el la plej grandaj trezoraĵoj, kiujn homaj manoj iam kreis, la Sikstina Madono de Rafael. Sed ne nur la pentraĵoj de italaj kaj nederlandaj pentristoj altiras multnombrajn turistojn en la urbon. La artaĵoj de Grünes Gewölbe (Verda Volbaĵo), la kolekto de porcelanaĵoj kaj aliaj tradiciriĉaj muzeoj de la ĉerivera urbo samtempe estas klerigejo por ĉiuj.

La evoluo al socialisma urbego kaj la impona loĝejkonstrua programo metis kaj metos novajn elstaraĵojn de la urba panoramo. Hodiaŭ preskaŭ ĉiu dua enloĝanto de Dresden vivas en loĝejo konstruita post 1945-a. Ĝis 1990-a jaro per la novkonstruo kaj modernigado de pliaj 140 000 loĝejoj la disponigo de loĝejoj estos solvita kiel sociala problemo ankaŭ en Dresden.

Per amikecaj kaj ĝemelurbaj rilatoj Dresden hodiaŭ estas intime ligita kun tiuj urboj, kiuj same havis multajn viktimojn dum la dua mondmilito: Leningrad, Wroclaw, Ostrava, Skopje, Brazzaville, Coventry kaj Hiroshima.

Vide al la armada politiko endanĝeriganta pacon, la raketa decido de Brüssel kaj la decido de la Reagan-administrado pri konstruado de neŭtronbombo la sorto de Dresden estu averto. La bombceloj sur Dresdenon ne estis militaj objektoj, sed virinoj, infanoj kaj maljunuloj. Antaŭ la tribunalo de la historio la detruo de la urbo de artoj estis kaj restos neestingebla krimo kontraŭ la homaro. Same la konstruado de neŭtronbombo estas krimo kontraŭ la homaro kaj ne „homeca faro". Ni aliĝu al la tutmonda protesto kontraŭ la disvastigo de armado, kontraŭ la altigo de la atomarmila povumo! Ni subtenu la pac-iniciatojn de la socialismaj kaj aliaj landoj.

Neniam la jam tridekjara paca evoluo de Dresden estu denove ĝenata! Neniam urboj, vilaĝoj aŭ aliaj lokoj ie ajn en la mondo denove estiĝu viktimo de freneza detruema politiko de agresemaj imperiismaj ŝtatoj.

Trad. M. Lennartz

*Junaj esperantistoj el Berlin ellaboris la sekvan alvokon, kiun ili direktas al ĉiuj pacamaj adeptoj de la Internacia Lingvo.*

# Vortoj al la esperantistoj de la mondo

„Ekzistas io pli grava ol vivi en paco". Aŭskultante tion oni sentas haltiĝon de la sango-fluo en la vejnoj. Sed la teruraĵo ja estas, ke tiujn vortojn formulis la usona ministro pri eksterlandaj aferoj Alexander Haig, do homo, kiu kiel membro de la usona registaro havas grandan influon kaj potencon. Li havas potencon, kiu – pro la alta evoluostato de la tekniko – estas neimageble terurosekva.

Sed – ni kontraŭjetas nian decidan ne! Kaj ankoraŭfoje ne! Infanetoj konstruantaj sub la blua ĉielo sablo-burgojn, la agrokulturisto trankvile laboranta sur la kamparo, la laboristo en la fabriko – ili ĉiuj bezonas la pacon kiel la tero la sunlumon.

La homo estas la fonto kaj kreanto de ĉiu kulturo pliriĉiganta nin, nian vivon. Dum multaj jarcentoj da homa historio ekestis la Iliado de Homero, la pentraĵoj de Leonardo da Vinci kaj la 9a simfonio de Ludwig van Beethoven – ĉefverkoj de la homa kulturo.

Ni – membroj de Kulturligo de Germana Demokratia Respubliko – ne nur rigardas kiel nian taskon la konservado de kulturaj valoroj sed ankaŭ la gardon de ilia kreanto – la homo. Kiel civitanoj de nia ĉefurbo Berlin ni scias, ke la germana faŝismo iniciatis la ĝis hodiaŭ plej teruran militon en la homa historio. Kvankam ni ne estis atestantoj de tiu teruraĵo, tamen ni scias, kiom da sufero trairis la mondon. Ekde la militfino ĉiuj civitanoj de nia urbo batalas por tio, ke neniam denove ekfuriozu milito. Pro tio la ĉefurbo de GDR Berlin estis distingita de la Monda Packonsilantaro per la titolo „Urbo de la Paco". Esperantistoj de ĉiuj kontinentoj: Jam minaco per militperforto hodiaŭ estas krimo. Rigardu la apudan foton, rigardu ĝin intense kaj diru al ni, ĉu povas ekzisti io pli grava ol la paco?

Nur senhomiĝintaj cinikuloj povas deziri militon. Nur kiu pli estimas monprofiton ol la vivon – kaj pro tio produktas armilojn, vidas en milito sian feliĉon.

Pro tio nia alvoko:

Kuniĝu al nesuperigebla muro de prudento. Kunligu vin – demokratoj, marksistoj, liberaluloj, kristanoj, virinmovadulinoj, gardantoj de la homa medio, handikapitoj kaj militviktimoj, laboruloj ĉiuprofesiaj, intelektuloj – ĉiuj dezirantaj pacon! Enviciĝu en la mondan pacmovadon!

Komune kun ĉiuj bonvolemaj homoj ni sukcesos gardi la mondon antaŭ militinferno. Ni batalu tiom longe, ĝis kiam neniu plu kuraĝos minaci la pacon. Agu ni por estonto hela, en kiu infanoj naskiĝos sen radioaktivaj domaĝoj kaj feliĉe salutos la tagon.

Skribu al ni: Junulara Esperanto-Grupo, Kulturbund der DDR, Kreisleitung Marzahn, 1141 Berlin-Marzahn, Prignitzstr. 100

*Berlin 1945.* Foto: Zentralbild



Heidemarie Geidel
Wolfgang Kleinwächter

# Nova internacia informada ordo – celoj, principoj kaj vojoj

## 1. Enkonduke

Kiam ĉirkaŭ la jaro 1445 Johann Gutenberg konstruis la unuan libropresan maŝinon, malfermiĝis la pordego al ĝis tiam neebla amasinformado. La regantaj feŭd-absolutismaj rondoj ne hezitis utiligi la novan teknikon de presado por pli intensiva, pli larĝa disvastigo de siaj religiaj dogmoj. Sed jam kelkajn jardekojn pli poste la presmaŝino same servis al la Lutheranoj, kiuj per siaj presitaj polemikajoj ebenigis la vojon al la Reformacio.

La gazetoj fonditaj en la 17-a kaj 18-a jarcentoj, la novaĵagentejoj estiĝintaj en la 19-a jarcento aŭ la rapide evoluanta radiokomunikado en la 20-a jarcento ĉiam denove demonstris, ke la teknikaj eblecoj por disvastigo de informoj kaj pli ampleksa komunikado neniam estis uzataj sendepende de la respektivaj politikaj kondiĉoj, ke la amaskomunikiloj ekde la komenco ĉiam estis iloj en la manoj de konkretaj klasaj fortoj kaj ke ili, laŭ tio en kies manoj ili troviĝis, estis uzitaj aŭ misuzitaj por tiuj aŭ jenaj celoj.

La scienc-teknika progreso en la sfero de la amaskomunikiloj evoluis vere salte antaŭ ĉio post 1945. Ne nur, ke en la lastaj tri jardekoj la nombro de radioriceviloj kaj televidiloj en la mondo kvarobliĝis, ja preskaŭ kvinobliĝis, sed per la interligo de televidilo, satelito, komputilo kaj telefono estiĝas hodiaŭ ankaŭ kvalite novaj eblecoj de komunikado kaj informado, kiuj akiras kreskantan signifon por la internaciaj rilatoj. La teknika perfektigo de la „malnovaj komunikiloj", ekzemple la apliko de satelita tekniko por universalaj operacioj de la novaĵagentejoj kaj de la radio- kaj televidaj sendostacioj, kondukas same kiel la evoluo de tielnomataj novaj komunikiloj – rekta persatelita televido, perkabla televido, ekrana ĵurnalo, diversaj formoj de bildkonservado sur disko kaj bendo – al tio, ke hodiaŭ jam praktike eblas pere de amaskomunikiloj amplekse kaj sisteme disvastigi informojn, kiuj atingas ne nur la propran loĝantaron, sed ankaŭ la vastajn amasojn en aliaj landoj. Denove ekestas la demando – ĉifoje en ankoraŭ pli grandaj dimensioj – por kiuj celoj estas uzataj kaj aplikataj la amaskomunikiloj. Ĉu ili servas al la paco, malarmado kaj malstreĉiĝo, al interkompreniĝo inter la popoloj, al evoluo de samrajta internacia kunlaboro, al nacia evoluo kaj spirita pliriĉigo de la homoj, ĉu ili efikas aktive en la batalo kontraŭ militdanĝero, kontraŭ koloniismo kaj novkoloniismo, kontraŭ rasismo kaj apartismo aŭ ĉu ili kontraŭe akcelas kaj pravigas la vetarmadon, ekscitas internaciajn konfliktojn kaj kverelojn, semas malamon kaj malkonfidon inter la popolojn?

Konsidere la kvalite novajn operaciajn eblecojn de la amaskomunikiloj kaj la kreskantan rolon de la monda publiko – kies opinio estas formata tre esence pere de amaskomunikiloj – en la internaciaj rilatoj kaj sub la kondiĉoj de la pliakriĝanta ideologia batalo, la respondo al tiu ĉi demando tuŝas ne nur iujn malmultajn landojn. Preskaŭ ĉiuj ŝtatoj en la mondo estas hodiaŭ interesataj en tiu aŭ jena formo, ke la problemoj de la internacia disvastigado de informoj estu regulataj, ĉar la konsekvencoj de la internaciaj aktivecoj de la amaskomunikiloj ja iel koncernas ilin. Pro tio la internacia informado kaj komunikado fariĝas neeviteble unu el la multnombraj universalaj problemoj de nia tempo.

## 2. Okulfrapaj disproporcioj

Se oni esploras la nuntempan situacion en la sfero de internacia informado kaj komunikado, montriĝas tuta vico da seriozaj diverĝecoj.

*Unue* ekzistas egaj disproporcioj en la kvanta distribuo de la amaskomunikiloj en la mondo. Dum ekzemple en Eŭropo kaj Usono ekzistas je 1 000 loĝantoj 312 ĵurnaloj, 696 radioriceviloj kaj 301 televidiloj, en la evoluantaj landoj estas je dispono por 1 000 loĝantoj nur 29 ĵurnaloj, 83 radioriceviloj kaj 22 televidiloj. Tiu ekstrema diferenco estas unuavice sekvo de kolonia dependeco, ĉar la iamaj koloniistoj faris nenion, por evoluigi nacian sistemon de informado en la teritorioj ekspluatitaj de ili.

*Due*, tiu malprogreso en la sfero de informado estas esenca kaŭzo por tio, ke la internacia interŝanĝo de informoj fluas en nur unu direkto. En principo elverŝiĝas el la imperiismaj metropoloj al ĉiuj monddirektoj torento da informoj, sed reen fluas nur fluajeto.

Ankoraŭ hodiaŭ la imperiistaj komunikadaj konzernoj vaste kontrolas kaj reguligas la informfluon de, al kaj inter la evoluantaj landoj. La kvar plej grandaj kapitalismaj novaĵagentejoj UPI, AP, AFP kaj Reuter disvastigas dum unu tago 33 milionojn da vortoj. La dek plej grandaj okcidentaj eksterlandaj radiostacioj sendas en unu semajno 5 200 horojn – do, tage ĉirkaŭ 750 horojn – el tio ĉiam pli kaj pli grandan parton en la naciaj kaj tribaj lingvoj de la evoluantaj landoj. La usonaj televidaj kompanioj regas la internacian televidan merkaton je pli ol tri kvaronoj.

*Trie*, tiu ĉi „informada imperiismo" estas tamen ne nur formala, sed en kerno enhava problemo. Decidige ja ne estas kiom da informoj fluas tra kiuj kanaloj de kie kaj kien, sed kiuj informoj kun kiuj celoj estas disvastigataj trans landlimojn. La plej multaj imperiismaj amaskomunikiloj praktikas informadan agadon, celantan al spirita enmiksiĝo en la aferojn de aliaj popoloj, al manipulado kaj subfosado. Ĉe ili regas kalumnioj, falsigoj kaj antaŭ ĉio kon-

traŭsovetismo kaj kontraŭkomunismo. La propaganda spektaklo pri Pollando enscenigita antaŭ nelonge de la ŝtata usona informservo „International Communication Agency (ICA)", kun kostoj de pli ol 500 000 dolaroj estas nur unu ekzemplo por tio, kiel moderna komunikada tekniko estas misuzata por enmiksiĝi en la aferojn de suverena ŝtato, en tiu kazo de Popola Respubliko Pollando kaj por kalumnii Sovetunion, kaj kiel oni provas manipuli la amasojn ekster Usono en la intereso de Usono.

Konsiderante la kompleksajn problemojn, ligitajn al la limtransira rolo de la amaskomunikiloj, ni bone komprenas, ke la problemoj de informado kaj komunikado jam de longe fariĝis objekto de ĉiam pli intensiviĝanta internacia diskutado. Plialtiĝas la nombro de la ŝtatoj, kiuj laŭte kaj klare deklaras la tempon matura por demokratigi la internaciajn rilatojn en la sfero de informado kaj liberigi ilin de la koloniaj heredaĵoj, kaj kiuj insistas, ke urĝe necesas elimini la psikologian militon kaj spiritan novkoloniismon el la internaciaj rilatoj de la ŝtatoj kaj popoloj. La postulo pri starigo de „Nova Internacia Informada Ordo (NIIO)", esprimata ekde la mezo de la sepdekaj jaroj en UNESKO kaj UN de la socialismaj kaj evoluantaj landoj, respegulas tiun ĉi ĝenerale-demokratian, kontraŭimperiisman celadon.

## 3. Principoj de egaleco kaj neenmiksiĝado

Al kiuj celoj servu la starigo de NIIO? La plej grava tasko estas doni garantion, ke la amaskomunikiloj en ideologiaj bataloj de nia tempo aktive kontribuas al konservado kaj plifortigo de la paco, al malarmado kaj malstreĉiĝo, al interkompreniĝo inter la popoloj kaj al la solvo de universalaj problemoj de la homaro. Esenca kondiĉo por tio estas, ke la internaciaj rilatoj en la sfero de informado sekvu la principojn de la internacia juro, kiel ili estas ankritaj en la ĉarto de UN, kaj ke ĉefe tiuj principoj, kiel la suverena egaleco kaj neenmiksiĝado validu plene por la internacia informado kaj komunikado.

Plua celo ĉe la ellaborado de NIIO estas organizi sur demokratia bazo pli favoran, pli ampleksan kaj pli liberan interŝanĝon de informoj, interŝanĝon, kiu estas libera de diversaj formoj de psikologia milito kaj de spirita enmiksiĝado en la aferojn de aliaj ŝtatoj kaj popoloj. Por tio estas necese repuŝi la influon de tiuj komunikiloj, kiuj hodiaŭ ankoraŭ misuzas la liberecojn en la internacia disvastigado de informoj, kaj agi por ke la voĉoj de la progresemaj fortoj, batalantaj por paco kaj socia progreso, fariĝu ĉiam pli laŭtaj kaj pli aŭdeblaj. Necesas plifortigi antaŭ ĉio la informkapacitojn de la evoluantaj landoj kun progresema orientiĝo, kiuj ankoraŭ ne povas adekvate partopreni la internacian informfluon.

## 4. Ellaboro de specialaj normoj

Por atingi tiujn celojn ĉiuj partoprenantoj de la internaciaj informadaj rilatoj en sia praktika konduto devas orientiĝi laŭ la ĝenerale demokratiaj principoj. La plej gravaj el tiuj principoj estas:

*1. La normoj de la internacia juro:* En rezolucio, akceptita dum la 21-a Ĝenerala Konferenco de UNESKO en 1980 en Beogrado, oni klare certigis, ke la ĉefaj principoj de la UN-ĉarto (malpermeso de perforto, suverena egaleco, neenmiksiĝado, memdetermino, paca solvo de konfliktoj, kunlaborado, respektado de kontraktoj) devas formi la bazon de NIIO. Tiuj principoj prezentas la ĝeneralan kadron por orienti la internaciajn aktivecojn de la amaskomunikiloj. Ili estas la skalo por internacijura agado de la ŝtatoj en la sfero de informado kaj formas la elirpunkton por konkreta proceso ĉe ellaborado de specialaj normoj pri la organizado de internaciaj rilatoj en informado. La unua paŝo en tiu proceso estis la akcepto de UNESKO-deklaracio pri amaskomunikiloj en la jaro 1978.

*2. La respektado kaj defendado de homaj rajtoj:* Ili devas esti rigardataj en la kadro de la celoj kaj principoj de la UN-ĉarto en sia tuteco kaj nedisigebla unueco kaj en konsidero de naciaj, ekonomiaj kaj socialaj ekzistad- kaj evolukondiĉoj de la respektiva socio. Signifon por NIIO tial havas ne nur la rajto je libera opiniesprimo, ankrita en la Artikolo 19 de la „Internacia konvencio pri politikaj kaj civilaj rajtoj" el la jaro 1966. Samsignife gravaj estas la rajtoj je klerigo, je kultura agado aŭ partopreno en sociaj procesoj. Ekzemple analfabeto, al kiu la socio rifuzas la rajton je klerigo, tute ne havas utilon el la garantio de la gazetara libereco. Krome sciu, ke la rajto je libera opiniesprimo laŭ Artikolo 19, Alineo 3 de la Konvencio pri Homaj Rajtoj estas nedisigeble ligita al la devoj kaj la respektiva respondeco. Tial oni hodiaŭ kalkulas al la moralaj kategorioj de ŝtato la devon malebligi pacdanĝerigan propagandon, same kiel apartenas al la respondeco de la ĵurnalistoj skribi por paco, pledi aktive por finigo de vetarmado kaj transiro al malarmado.

*3. La ĉiuflanka akcelado de la disvastigo de informoj:* Tie ĉi temas pri akcelata disvastigado de tiaj informoj, kiuj servas al la paco, al la interkompreniĝo inter la popoloj kaj al la spirita pliriĉigo de la homoj. Tiujn kriteriojn ekzemple enhavas la Fina Akto de la Konferenco pri Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo. En gravaj dokumentoj, akceptitaj de la internacia komunumo, oni postulas respektivajn konkretajn kontribuojn fare de la amaskomunikiloj. La Deklaracio pri Amaskomunikiloj de UNESKO, akceptita unuanime en 1978 alvokas la gazetaron, radion kaj televidon agi por paco, interkompreniĝo inter la popoloj kaj homaj rajtoj, kontraŭ rasismo, apartismo kaj militagitado. En la Fina Dokumento de la 10-a Eksterordinara Kunveno de UN, ŝtataj kaj neŝtataj komunikiloj estas petataj efektive subteni la lukton pri malarmado. Dum seminario de la Kontraŭapartisma Komisiono de UN, en septembro 1981 en Berlin, oni atentigas en deklaracio pri la eblecoj de la amaskomunikiloj, batali kontraŭ rasismo kaj apartismo.

*4. La malpermeso de propagando, kontraŭa al la internacia juro:* En multnombraj internaciaj rondoj oni ĉiam denove kondamnis la propagandon por apliko de perforto, milito, rasismo, apartismo, koloniismo, novkoloniismo kaj alian malrespektadon de la internacia juro. Laŭ Artikolo 4 de la „Internacia Konvencio pri malpermeso de ĉiuj formoj de rasa diskriminacio" el la jaro 1965 kaj laŭ Artikolo 20 de la Konvencio pri Homaj Rajtoj el la jaro 1966 la ŝtatoj estas devigitaj malpermesi per leĝo militan kaj rasan propagandon. Ankaŭ intencaj falsinformoj, kalumnioj, fiagitado, malamike-tendencaj kaj subfosaj kampanjoj, kiuj subfosas la internacian sekurecon kaj kiuj direktas sin kontraŭ bonnajbaraj rilatoj inter la ŝtatoj, devas esti rigardataj kiel kontraŭaj al la internacijuraj principoj.

*5. La rajto de la ŝtatoj, praktiki sian suverenecon en la sfero de informado:* La defendo de nacia suvereneco en la sfero de informado sub la kondiĉoj de ĉiam plivastiĝanta internacia informado kaj komunikado estas unu el la centraj problemoj de la ellaborado de NIIO. El la principo de suverena egaleco rezultas ankaŭ jenaj rajtoj de la ŝtatoj:

- evoluigi kaj formi sian propran, sendependan, informadan sistemon, orientitan laŭ naciaj celoj kaj interesoj;
- determini sian nacian politikon de informado, decidi pri ties prioritatoj kaj starigi respektivan juran ordon;
- utiligi la amaskomunikilojn kiel instrumentojn de nacia evoluo, por formado, konservado kaj efektivigado de la kultura identeco kaj en kleriga proceso, same kiel reprezenti siajn legitimajn interesojn, konceptojn, celojn kaj valorojn sur internacia nivelo kaj sen diskriminacio.
- en la kadro de sia jura ordo malebligi la disvastigadon de informoj, kiuj endanĝerigas la internacian sekurecon kaj minacas nacian suverenecon, ekonomian stabilecon aŭ kulturan identecon.

Tiuj ĉi rajtoj rezultas ankaŭ el la rajto je memdeterminado de la popoloj. Konsiderante la fakton, ke multaj evoluantaj landoj ankoraŭ ne disponas pri konvena nacia informa sistemo, UN kaj UNESKO jam kelkfoje atentigis pri la urĝeco krei tiajn sistemojn. La „Inter-

nacia Komisiono por Studado de Komunikadproblemoj" (MacBride-Komisiono), organizita de UNESKO, vidis en la solvo de tiuj ĉi problemoj la plej alta prioritaton.

*6. La devo respekti la suverenajn rajtojn de la ŝtatoj en la sfero de informado:* Tiu ĉi principo celas unuavice al tio, elimini enmiksiĝadon en aferojn de aliaj ŝtatoj kaj popoloj per helpo de amaskomunikiloj. Agante laŭ la ĝenerala internacia juro, la ŝtatoj ja mem havas la devon sin deteni de ĉiu ajn enmiksiĝado kaj malpermesi subfosigan agadon eliranta de ilia teritorio. En la „Deklaracio pri neallaso de intervenado kaj enmiksiĝado en la internajn aferojn de ŝtatoj", akceptita kun ega plimulto da voĉoj la 3-an de decembro 1981 de la 36-a Asambleo de UN, tekstas klare, ke la ŝtatoj havas la rajton kaj la devon, „en la kadro de siaj laŭkonstituciaj principoj batali kontraŭ la disvastigado de falsaj kaj misaj informoj, kiuj povas esti komprenataj kiel enmiksiĝo en internajn aferojn de aliaj ŝtatoj aŭ kiel danĝeraj al la paco, kaj al akcelado de kunlaboro kaj amikaj rilatoj inter la ŝtatoj kaj popoloj".

*7. La samrajta kaj ambaŭflanke profitdona kunlaboro:* Ĝuste en la sepdekaj jaroj la internacia kooperado konsiderinde disvastiĝis ankaŭ en la sfero de informado. Jam de longe ĝi ampleksas ne nur la tradician formon pri interŝanĝo de informoj, programoj kaj filmoj, sed inkluzivas ankaŭ novajn formojn, kiel kunproduktado, teknika kooperado, kunlaborado en instruado kaj esplorado ktp.

*8. La helpo kaj subteno por la evoluantaj landoj:* Tiu ĉi helpo orientas al la plifortigo de la naciaj kapacitoj kaj al la partopreno en la internacia interŝanĝo de informoj. Ĝi etendiĝas de instruado ĝis materiale-teknika kooperado. La socialismaj ŝtatoj jam ĉiam aktive subtenis la evoluantajn landojn sur tiu ĉi kampo. En la jaro 1980 estis organizita en la kadro de UNESKO „Internacia Programo por Evoluo de Komunikado" (IPDC), kies celo estas kontribui „al demokratigo de la internaciaj rilatoj en la sfero de informado kaj al forigo de la kolonia heredajo sur la kampo de informado".

*9. La evoluo kaj apliko de novaj komunikadaj teknologioj en konsento kun la bazaj principoj de la internacia juro:* Estas eksterordinare grave, eviti per antaŭvideblaj reguloj, ke ekzemple la enkonduko de persatelita rekta televido, atendata de la ekspertoj por la dua duono de la okdekaj jaroj, fariĝu fonto de internaciaj kvereloj, nur ĉar eble iuj ŝtatoj pekos kontraŭ la ĝeneraledevigaj normoj. En la Komisiono pri Kosmo de UN oni jam pli ol dek jarojn laboras pri konforma konvencio, kies akcepto ĝis nun estas blokata de Usono.

*10. La respondeckonscia disvastigado de informoj:* La amaskomunikiloj havas specialan respondecon, agi por paco kaj interkompreniĝo inter la popoloj. En deklaracio, akceptita la 1-an de aprilo 1980 en Meksiko, ekzemple, la kvin plej grandaj internaciaj ĵurnalistaj profesiaj organizaĵoj, reprezentantaj pli ol 300 000 ĵurnalistojn el kvin kontinentoj, starigis ok principojn de respondeckonscia ĵurnalismo, inter ili la devo de ĉiu ĵurnalisto, engaĝi sin por malarmado, raporti vere kaj objektive kaj agi kontraŭ kalumnioj kaj misinformoj.

## 5. Ĉantaĝpolitiko de Usono

Kiuj praktikaj vojoj, do, kondukas al NIIO? Ĉekape staras hodiaŭ principe tri interligitaj taskoj:

*Unue* necesas aktivigi ĉiujn progresemajn fortojn en la sfero de informado por paco kaj malarmado.

*Due* temas pri tio, realigi la principojn de NIIO.

*Trie* la evoluantaj landoj ricevu pli fortan subtenon sur tiu ĉi kampo.

Ĉefe UNESKO ludis en la lastaj jaroj elstaran rolon en tiu ĉi proceso. La Deklaracio pri Amaskomunikiloj, akceptita en 1978, la prezentita raporto de la MacBride-komisiono el la jaro 1979 kaj IPDC, fondita en 1980 ne nur konsciigis la problemon al la tuta mondo, sed tiuj agadoj starigas ankaŭ mejloŝtonojn sur la vojo al NIIO. De tiuj aktivecoj eliras gravaj impulsoj. Tial, okaze de la 5-a datreveno de la Deklaracio pri Amaskomunikiloj, en la jaro 1983, monda kongreso analizu la spertojn pri la efektivigo de tiu ĉi instrumento.

La 35-ŝtata konsilantaro por kunordigo de IPDC, elektita dum la 21-a Ĝenerala Konferenco de UNESKO 1980 en Beogrado, al kiu ankaŭ apartenas GDR, jam komencis sian laboron. Sed jam dum la 2-a kunveno en januaro 1982 en Akapulko montriĝis, ke Usono provas per ĉiuj fortoj subigi la evoluon de la naciaj informsistemoj, kiu estu akcelata de IPDC, sub kontrolon de siaj supernaciaj entreprenoj. Se oni pripensas, ke Usono nur por la kontraŭpola propaganda spektaklo de ICA disponigis 500 000 dolarojn, sed aliflanke donis por IPDC en la jaro 1982/83 nur 100 000 dolarojn, la prioritatoj estas evidentaj: en Vaŝingtono tutmonda subfosado rangas konsiderinde antaŭ evoluhelpo.

Ĝuste tial estas signifoplene, ke la diskutado pri la MacBride-raporto, dum la 21-a Ĝenerala Konferenco de UNESKO, kondukis al decido, ellabori specialan deklaracion pri ellaboro de NIIO. Unuaj ideoj al tio estu prezentataj ĝis la venonta Ĝenerala Konferenco en aŭtuno 1983. Ankaŭ kontraŭ tio sturmas nuntempe la Reagan-administracio. En oktobro 1981 estis akceptita rezolucio de la Usono Ĉambro de Reprezentantoj, en kiu oni minacas ĉesigi la pagadon de la usonaj membrokotizoj por UNESKO en tiu kazo, se UNESKO akceptos la principojn de NIIO. La disputoj pri la formado de la internaciaj rilatoj en la sfero de informado certe dum la venontaj jaroj konsiderinde kreskos. La socialismaj ŝtatoj staras firme ĉe la flanko de tiuj, kiuj pledas por tio, ke la informado servu al paco kaj interkompreniĝo inter la popoloj, ke la amaskomunikiloj estu uzataj por disvastigado de vero kaj subtenu la solvadon de komplikaj problemoj de la sociala liberiĝo kaj nacia evoluo. Ili batalos konsekvence kontraŭ ĉiuj fenomenoj de psikologia milito, kontraŭ mensogo, kalumnio kaj spirita enmiksiĝo en la aferojn de aliaj ŝtatoj kaj popoloj.

El „Horizont" 9/1982
tradukis Renate kaj Dieter Berndt

---

# Recenzo

## Niaj aŭtoroj sin prezentas al vi – Almanaketo poezia 1980 –; Eldon. Literatura Sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio

Per mallongaj biografiaj indikoj kaj po unu poemo la almanaketo prezentas jenajn 10 ĉeĥajn poetojn-esperantistojn: Zdeněk Bár, Jiří Karen, Jiří Kořínek, František Lazecký, František Kozík, Josef Rumler, Eli Urbanová, Cestmír Vidman, Valdemar Vinar und Karel Píĉ. Ili evidente formas la Literaturan Sekcion de ĈEA, kvankam nur ĉe ses aŭtoroj la aneco estas indikita. Ses poemoj estas originalaj, kvar tradukitaj (tri de J. Kořínek, unu de R. Hromada). Temas pri lirikaĵoj de varia enhavo kaj formo, de strikte formita soneto pri politika temo ĝis malstriktaj senrimaj (kaj plej ofte seninterpunkciaj) personaj sentesprimoj.

Riskante la riproĉon esti senespere eksmodiĝinta, la recenzanto ne povas ne konfesi, ke li pleje ŝatas kaj sentas sin tuŝita per la rimitaj kaj forme perfektaj poemoj. Do el la originalaj poemoj al li pleje plaĉas la soneto de Jiří Kořínek (Al Eŭropo), la poemo de Karel Píĉ (Ankoraŭfoje iri – malgraŭ riskaj formoj kiel ‚gejuna', ‚gemalmorta' kaj ‚malkomenco') kaj de Eli Urbanová (Anstataŭ dormi), do ĝuste verkoj de aŭtoroj, pri kies aneco al la Literatura Sekcio mankas indikoj. Rilate la tradukitajn poemojn pritakso estas malfacila al recenzanto, kiu ne konas la originalon, ĉar li povas ekz. ne kontroli, ĉu kelkaj stumbletoj ŝuldiĝas al la aŭtoro aŭ al la trakukinto.

Entute tiu almanaketo estas denova demonstro pri la rimarkinda aktivado de niaj ĉeĥaj amikoj sur literatura kampo.

D-ro Karl Schulze

**Manfred Arnold**

# LA ORDONO

Estas aprilo 1945. Nordokcidento de Germanio. En malplena garbejo sidas du junuloj, tenas pafilojn en la manoj. Ambaŭ surhavas brungrizajn uniformojn. Werner, la pli aĝa el ili, havas deksep jarojn. Li estas altkreska blondulo. Liaj grizbluaj okuloj ĉirkaurigardas bonnature. Apud li, sur pajla matraco, sidas la deksesjara Heinz, ankaŭ altkreska, kun pajloblondaj haroj kaj multaj lentugoj en vizaĝo kaj sur la manoj.
La du apartenas al kompanio de RAD[1] -junuloj, kies kvartiro estas la garbejo, meze de vastaj, nun ne kultivitaj kampoj. Flanke de la garbejo etendiĝas tranĉeoj, fositaj dum la pasintaj tagoj fare de RAD-uloj kaj determinitaj al tio, malakceli la senĉese antaŭenpaŝantajn usonajn kaj anglajn soldatojn je tiu ĉi parto de la fronto.
La bruo de la kanonoj jam estas aŭdebla, sed ankoraŭ sufiĉe malproksima. La knaboj ne jam vidis malamikojn. Kelkfoje ili devis ĵeti sin sur la teron, kiam usonaj ĉasaviadiloj pripafis ilin dum akvoalportado de puto, situanta kelkajn cent metrojn malproksime aŭ dum tranĉefosado.
Sed nun regas silento. Werner kaj Heinz ricevis la taskon, gardi la garbej-kvartiron, dum la aliaj sub la komando de Hauptfeldmeister[2]) ekzercas sin en pafado de bazukoj sur la kampoj.
Enuo ilin turmentas. Ankaŭ iom da laceco: hieraŭ vespere ili ĉiuj ricevis „front-ĉokoladon", kofeinhavan sukerajon, kiu tenas la soldatojn maldormaj kaj vigligas ilin. La junuloj, por kiuj dolĉaĵoj nun estas raraj, ĉion formanĝis kaj dum longa tempo ne povis ekdormi.
Jen okazis io stranga: dum la knaboj kuŝis sur la pajlosakoj, suprenrigardis kaj interparolis, la interno de la garbejo pli kaj pli malheliĝis kaj supre, sub la tegmento io komencis ardi. Ne hele kaj ruĝe kiel ardaĵo, sed verde kaj nebrile. Kion la knaboj vidis, tio estis la tegment-trabaro, malfreŝa ligno, kiu fosforeskis. Estis kurioza kaj beleta vidaĵo. –
Pri tiu vidaĵo Heinz nun rememoras, kaj li ĉiam denove suprenrigardas. Sed nun, dum ekstere brilas la printempa suno, oni ne povas percepti lumadon de la ligno.
‚Por vidi, ĉu ligno eĉ lumas tage, oni devus akiri pecon de ĝi', Heinz pensas kaj viŝas kelkajn polverojn for de sia pafilo. Li devas esti atenta, ĉar la pafiloj estis ŝargitaj per veraj kartoĉoj. Tiel postulas la instrukcio pri garda deĵoro.
Werner, kies rigardo sekvas tiun de Heinz, ankaŭ suprenrigardas kaj – ne trovante ion apartan – demandas: „Kien vi rigardas? Ĉu ie nestas birdo sub la tegmento? Mi perceptas nenion."
„Ĉu ligno lumas ankaŭ tage?", redemandas Heinz. „Kion vi opinias, Werner?"
„Mi ankaŭ ne scias", Werner respondas. „Ĉu tio estas grava?"
„Ne, sed mi volonte scius", diras Heinz. Denove li suprenrigardas al la trabaro. „Mi jam serĉis sur la planko lignopecon, sed trovis nenion."
Post ne tro longa silento Heinz subite komencas rideti. „Mi kaptis ideon: mi simple malsuprenpafos pecon da ligno. Tiam ni vidos."
Werner rigardas lin: „Ĉu vi celas tion serioze?"
„Certe. Kio do povus okazi?"
„Pli bone vi ne faru", Werner diras.
Heinz, evidente ne ema, diskuti longe pri tio, suprenŝovas la pafilon, celas kaj tiras mallonge la ĉanon. Pafo krakas. De sur la trabaro falas malgranda lignopeco.
Heinz levas sin por preni ĝin, jen tondras voĉo tra la garbejo: „Kio okazas ĉi tie? Kiu pafis?"
Ne rimarkita de Werner kaj Heinz, la Oberfeldmeister[3]), reveninte de la ekzercado pli frue ol intencite, eniris. Li estas tipa nazio: rigora, cinika kaj kruela. Kontraste kun li, la Hauptfeldmeister estas pli agrabla. Metiomajstro, kiu nur portas la uniformon, ĉar la ŝtato ne lasas al li alian alternativon.
Werner kaj Heinz paliĝas. Pro surprizo neniu respondas.
„Ĉu vi ne komprenis? Kaj ĉu vi ne povas raporti?" kriaĉas la Oberfeldmeister, kaj lia vizaĝo ruĝiĝas pro kolero.
Nun Werner vigliĝas. Li stariĝas rigide kaj diras laŭte: „Mi raportas plej obeeme: Soldatoj Werner K. kaj Heinz S. ĉe garda deĵoro."
„Ĉu kaj ...?" krias la Oberfeldmeister. Denove silento.
„Kiu ĵus pafis?" li demandas akre.
Heinz antaŭeniras tri paŝojn kaj diras: „Mi, sinjoro Oberfeldmeister!"
„Vi do. Ĉu vi ne scias, ke tio estas plej strikte malpermesita? Ĉu vi scias, ke vi agis kontraŭ nia ŝtato? Vi malŝparis municion! Tio estas ruinigo de nia defenda forto!"
Pale kaj senmove Heinz staras antaŭ la Oberfeldmeister. „Sinjoro Oberfeldmeister, mi ne ...", li balbute komencas.
„Fermu vian buŝaĉon! Vi estas malamiko de nia ordo. Dum miloj da bravaj soldatoj ĉie, je ĉiuj frontoj, donas sian sangon por la defendo de nia patrolando, vi porko malŝparas kartoĉojn! Transdonu vian pafilon!"
Heinz tremante prenas la pafilon de sur la pajlosako, kien li metis ĝin dum la eniro de la Oberfeldmeister, kaj transdonas ĝin al li.
Nun la Oberfeldmeister turniĝas al Werner: „Vi preparu vian pafilon por pafi! Tiu ĉi soldato, kiu damaĝis la naciscialisman ŝtaton, tuj estos pafmortigata!"
Werner staras, kvazaŭ trafita de fulmo. ‚Tio do ne povas esti', li pensas. ‚Ĉu pafmortigi Heinzon? Ĉu pro ununura kartoĉo? Tio certe nur estas ŝerco. Li nur intencas timigi nin.'
Sed lia pensado estas interrompita de bruska voĉo: „Kio estas? Mi ordonis al vi, pafpretigi vian pafilon! Ĉu vi ne volas obei?"
Denove Werner pensas: ‚Ĉu mi pafu? Ĉu mi? Ĉu Heinzon? Dio mia, kion do mi faru?'
Sed jam krias la Oberfeldmeister: „Ek! Elpaŝu eksteren antaŭ la garbejon! Tie okazos la ekzekuto." Li eltiras la pistolon.
Nun la viro kaj la du knaboj forlasas la garbejon: Unua Heinz, tremanta, pala, kun pendantaj brakoj, nekapabla por havi iun ajn penson; dua Werner, same tremanta kaj pala, la ŝargitan pafilon je la kokso; lasta la Oberfeldmeister.
Ekstere tiu ordonas al Heinz: „Iru al la muro!" Heinz obeas. La Oberfeldmeister iras al li, forŝiras al Heinz la pantalonan zonon kaj volvas ĝin ĉirkaŭ la manoj de Heinz, kunmetitaj malantaŭ lia korpo. Tiam li prenas sian propran naztukon el la poŝo kaj ligas ĝin ĉirkaŭ la okuloj de Heinz.
Intertempe Werner staras kaj rigardas rigide al la manipuloj de la RAD-oficiro. Subite Heinz komprenas klare, kio tuj okazu. Estas, kvazaŭ li vekiĝas el profunda songô. Li ne kredis, ke la oficiro prenis la aferon serioza. Nun li komprenis. Li falas sur la genuoj kaj diras mallaŭte: „Kara sinjoro Oberfeldmeister, mi ..."
„Silentu!", interrompas tiu kaj ordonas al Werner: „Atentu! Celu! ..."
„Haltu! Ĉesu!" sonas voĉo, ne tro malproksima. Werner suprenprenas la armilon. Li kaj la Oberfeldmeister turniĝas.
Per rapida kuro proksimiĝas la Hauptfeldmeister kun la aliaj kamaradoj de Werner kaj Heinz.
Alveninte, la Hauptfeldmeister stariĝas antaŭ sia subulo kaj demandas: „Kio okazas ĉi tie?". La Oberfeldmeister raportas mallonge pri la tuta afero. Kiam li finas, la Hauptfeldmeister prenas lian brakon kaj gvidas lin flanken.
Ĉiuj staras silente. Oni vidas, kiel la du oficiroj ekscitite diskutas unu kun la alia. Fine la Oberfeldmeister kunbatas la kalkanojn.
Ambaŭ revenas, kaj la Hauptfeldmeister deklaras, ke ĉi-foje la puno ne estos

# Recenzo

*Steloj de Eger.* Géza Gárdonyi (1863 ĝis 1922). Adaptis Tibos Cs. Horváth. El la hungara trad. Vilmos Benczik. Budapest: Hungara Esperanto-Asocio, 1979. 51 paĝoj. Ilustr. de Pál Korcsmáros.

Post „La filoj de l'ŝtonkora homo" de Mór Jókai Hungara Esperanto-Asocio nun ofertas duan bildrakonton, bildstrian adaptaĵon de la fama historia romano „Steloj de Eger" pri la kontraŭturka lukto en la 16-a jarcento.
Ŝatantoj de bildstriaj rakontoj certe kun intereso studos la klarajn desegnaĵojn kaj malmultajn vortojn kiuj raportas pri la aventura vivo de Gregoro Bornemissa (Bornemissza Gergely). Ne eblas redoni la enhavon de romano per malmultaj recenziaj vortoj. Sufiĉu, ke la tiama historio de Hungario estis karakterizita per granda kampula ribelo sub la gvido de György Dózsa, kvereloj inter la bienuloj kaj nobeloj, kiuj parte subtenis la subpreminton de la kampula ribelo kaj parte Habsburgon, parte eĉ la turkojn. Inter la frontoj restis la hungara popolo, kiu egale timis reĝojn turkan kaj aŭstran. Bravuloj kiel Gregoro Bornemissa batalis kaj ruze kaj kuraĝe, ĝis ili triumfe forpelis la turkojn antaŭ la fortikaĵo de Eger.
Laŭ mia opinio formo de bildstria rakonto ne kapablas trakti historian temon de tia amplekso kaj signifo, sed ĝi almenaŭ vekas apetiton legi la originalan romanon aŭ ties tradukon. Tamen bildrakontoj konate havas multajn geamikojn.

(GDR-anoj mendu ĉe Haus der Ungarischen Kultur, 1020 - Berlin, Karl-Liebknecht-Str. 9)

Linde Knöschke

---

plenumita, sed je la ripetado ...
Werner kaj Heinz ne scias, ĉu ridi aŭ plori; ili ne scias, kiu de ili pli multe tremis.
Restas du demandoj: Kio estus okazinta, se la trupo, ekzercinte per bazukoj, estus reveninta pli malfrue? Ĉu Werner estus pafinta?
Eĉ mi ne scias, kvankam Werner estis mi.

[1]) Reichsarbeitsdienst (regna laborservo): faŝisma organizajo, en kiu deknaŭjaraj junuloj devige devis labori unu jaron.
Pli poste RAD ŝanĝiĝis de labora al armea servo kaj la aniĝaĝo malleviĝis ĝis dekses.
[2]) RAD-oficiro „ĉef-kampomajstro", proksimume „kapitano"
[3]) RAD-oficiro „subĉef-kampomajstro", proksimume „ĉefleŭtenanto"

*Wolfgang Borchert (1921–1947), puŝita en militon preskaŭ 20-jaraĝa, grave malsana kaj krome vundita, falis en la ungojn de „Gestapo" pro antaŭe skribitaj leteroj, estis kondamnita al morto, poste amnestiita je „provtempo ĉe la fronto". Resendita al garnizono kiel malsanulo li estis denuncita pro kelkaj politikaj spritaĵoj kaj enkarcerigita denove. En majo 1945 li revenis al sia gepatra urbo Hamburg, korpe rompita, anime profunde afekciita pro la travivaĵoj, markita de morto.*
*Kion li nun verkis, li skribis plej ofte en malsanula lito, skuita de febro, en malsato kaj malvarmo, klinita per la ŝarĝo de la pasinteco, kiu metis sin sur lin kvazaŭ plumba pezilo. Malmulte pli ol du jaroj restis al li: li mortis, 26jaraĝa, en novembro 1947 en Basel, kie amikoj ebligis al li kuracadon, kiu tamen ne plu povis helpi. El ĉiuj liaj verkaĵoj floras espero, same kiel tiu malgranda leontodo sur la korto de malliberejo, kiu donas apogon kaj fidon al la enkarcerigito.*



Foto: Zentralbild

# LA KEGLEJO

Du viroj estis farintaj truon en la teron. Ĝi estis sufiĉe grandspaca kaj preskaŭ komforta. Kvazaŭ tombo. Estis terure. Antaŭ si ili havis pafilon. Iu elpensis ĝin, por ke oni povu pafi per ĝi al homoj. Plej ofte oni eĉ ne konis tiujn homojn. Oni eĉ ne komprenis ilian lingvon. Kaj ili ne estis farintaj malbonan al oni. Sed oni devis pafi per pafilo al ili. Iu tion estis ordoninta. Kaj por ke oni povu mortpafi sufiĉe multajn, iu elpensis, ke la pafilo ekpafas pli ol sesdekfoje pominute. Por tio oni rekompencis lin. Iom pli for de la du viroj estis alia truo. El ĝi kapo etendis, kiu apartenis al homo. Ĝi havis nazon, kiu kapablis flari parfumon, okulojn, kiuj povas vidi urbon aŭ floron. Ĝi havis buŝon, per kiu ĝi povas manĝi panon kaj diri „Inge" aŭ „patrino". Tiun kapon ekvidis la du viroj, al kiuj oni estis transdoninta la pafilon.
– „Ekpafu!" – diris la unu.
Tiu pafis.
Jen la kapo estis rompita. Ĝi ne plu povis flari parfumon, vidi urbon kaj diri „Inge", neniam plu.
Multajn monatojn la du viroj estis en la truo. Ili rompis multajn kapojn. Kaj ĉiam tiuj apartenas al homoj, kiujn ili eĉ ne konis. Kiuj ne faris malbonan al ili kaj kiujn ili eĉ ne komprenis. Sed iu estis elpensinta pafilon, kiu ekpafis pli ol sesdekfoje pominute. Kaj iu estis ordoninta tion.
Iom post iom la du viroj rompis tiel multe da kapoj, ke oni povis fari grandan monton per ili. Kaj se la du viroj dormis, tiam la kapoj komencis roli. Kvazaŭ sur keglejo, kun mallaŭta tondro. Pro tio la du viroj vekiĝis.
– Sed oni ja ordonis tion – flustris unu.
– Sed ni faris tion – kriis la alia.
– Sed estis terure – la unu ĝemegis.
– Sed kelkfoje la afero ankaŭ plezurigis nin – ridis la alia.
– Ne – kriis la flustranto.
– Sed jes – flustris la alia – kelkfoje la afero faris al ni amuzon. Tiel ja estas. Veran amuzon. –
Ili sidis nokte dum horoj. Ili ne dormis. Tiam unu diris:
– Sed tiel Dio faris nin. –
– Sed Dio estas senkulpigebla – diris la alia – ĉar li ne ekzistas.
– Li ne ekzistas? – demandis la unua.
– Tio estas lia nura senkulpigo – respondis la dua.
– Sed ni, ni ja ekzistas – flustris la unua.
– Jes, ni ekzistas – flustris la alia.
La du viroj, al kiuj oni estis ordoninta rompi kiel eble plej multe da kapoj, ne dormis nokte, ĉar la kapoj faris mallaŭtan bruon. Tiam la unu diris:
– Kaj nun la afero estas nia. –
– Jes – diris la alia – la afero nun estas nia –
Jen iu vokis:
– Pretigu! Komenciĝas denove! –
La du viroj ekstaris kaj ekpremis la pafilon.
Kaj ĉiam, vidante homon, ili pafis al li.
Kaj ĉiam tiu estis homo, kiun ili ne konis. Kaj kiu ne faris malbonan al ili.
Sed ili pafis al li. Pro tio iu estis elpensinta pafilon. Pro tio oni estis rekompensinta lin. Kaj iu, iu estis ordoninta tion.

Trad. Hans Buth

# Recenzo

## Naŭ jaroj en la infero

Sub la supra titolo prezentas Hungara Esperanto Asocio 112-paĝan libreton, enhavantan la travivajojn de la bulgara antifaŝisto Naĉo Kemalov en la iama naziista koncentrejo Sachsenhausen dum la jaroj 1937–1945. La esperantlingvan tradukon prizorgis Ivan Kovaĉev.
En la pasintaj jaroj jam aperis diversspecaj publicaĵoj pri la kruelaĵoj en la faŝismaj koncentrejoj. Eble pro tio, unu aŭ alia eĉ opinias, ke estas superflua faro denove tuŝi tiun temon. Do, jam leginte la unuan paĝon de la travivaĵraporto de Naĉo Kemalov ĉe ĉiu leganto emociite nuliĝas ĉiu antaŭjuĝo.
Kemalov nek verkis beletran romanon nek tendencan pamfleton. Li malkaŝis la senmoralan, malhumanan karakteron de la faŝismo per la priskribo de sia persona sorto, unu de el la 200 000 samsortanoj el 35 landoj. Multamplekse li desegnis realan bildon de la komplika, ofte sensenca kaj neklarigebla konduto de la homoj en la koncentrejo. Per trafaj rimarkoj la aŭtoro karakterizis personojn kaj cirkonstancojn. La kronologie kompilitaj faktoj impresas pro rimarkinda ekzakteco. Kemalov indikis precize personaĵojn de kunsuferantoj same kiel de sadistaj gardistoj. Per tio, la eldonaĵo ricevis dokumentan valoron, meritas plenan atenton flanke de historiistoj.
Je la 1-a de majo 1945 ruĝarmeanoj liberigis 45 000 koncentrejanojn, kiuj atingis dum la evakua marŝo de Sachsenhausen al Lübeck la lokon Raben-Steinfeld proksime de Schwerin. Nun, post 36 jaroj, aperis tiu libro. Ĝia eldono koincidis kun datrevenaj memoraĵoj en la Memorial Muzeo de la koncentrejo Sachsenhausen, en Wittstock kaj aliloke, omaĝe al la multnombraj viktimoj de la faŝisma barbareco.
Ankoraŭ en alia rilato aperis tiu verko ĝustatempe. La pacamaj homoj en la tuta mondo kun zorgo konstatas novformiĝon de faŝismaj tendencoj.
La ŝtataj tribunaloj en Germana Federacia Respubliko senkulpigas la amasmurdistojn ne nur de Sachsenhausen, sed ankaŭ de multnombraj aliaj koncentrejoj. Reviviĝo de revenĝo, vetarmigo per raketoj kaj nuklearmiloj en la NATO-landoj minacas denove la pacon, la feliĉon kaj prosperon de la tuta homaro. Plenrajte skribis Kemalov: „Sachsenhausen ne estas ia pasinteco."
„Naŭ jaroj en la infero" estas averto antaŭ la aktualaj minacantaj danĝeroj, estas grava subteno por la pacmovado. Nepras doni la libron en la manojn de la juna generacio, kiu ne konas la faŝismon per propraj spertoj.

Erich Würker

# Okaze de la 150-a naskigtaĝo de Wilhelm Busch (1832–1982)



Foto: Zentralbild

## La dispartigo

Laŭ onidir': Pro ĉasokup'
leono vagis kun la lup'.
Eĉ predis ili kun fortun'
fortegan apron en komun'.
Sed dispartig' de l'ĉasakir'
al lup' ne plaĉis laŭ dezir'.

Leono diris: „Dubas vi?
Ĉu estas ne honesta mi?
Jen vulpo! Ĉu ni lin instigu,
ke l'apron li por ni kvotigu?"

„Jes" diris vulp', plenfide al
lertec' de vulpo kaj lojal'.

Venigis vulpon la leon':
„Doktor'! Necesas juĝpropon'.
La apro ĉasmortita ĉi
propriĝas nun al mi kaj li.
Frontkaptis mi, li kontraŭflanke.
Partigu laŭ justec', senmanke!"

La vulpo, sperta juĝfakul',
konstatis: „Simplas la kalkul'.
Pri antaŭaĵ', ĉu eta, granda,
nur rajton havas reĝ' reganta.
La via, kuzo Isegrimm,
estas la resto. Prenu ĝin!"

Dirante tion, je la fin'
li tranĉis voston de l'aprin'.
Sed lup' rifuzis ĝin decide,
kliniĝis, iris for trompite.

Leon' al vulpo: „Restu ci,
tuj grandveziro estu vi!"

Trad. Erich Würker

## Armita paco

Hazarde sur monteta placo
renkontis vulpon erinaco.

„He, haltu!" kriis vulp', „Fripono!
Ĉu ne konata l'reĝordono?
La paco longe deklarita,
sed vi promenas plenarmita!
Vi malobeas al la reĝo
kaj forte pekas kontraŭ leĝo.
Aliru! Faru ne ribelon!
Tuj transdonu vian felon!"

„Ho ne!" respondis erinaco,
„Nur tiam stabiladas paco,
se ankaŭ vi pro kaŭzoj tiaj
rezignas pri la dentoj viaj!"

Kaj tuj li faras ronda sin,
al mondo spitas kun obstin'.
Rezistas tiel erinaco
armita, sed: Hero' de l'paco!

Trad. W. Hofmann
(kvar vicoj laŭ la traduko de Tolokoncev)

## La memkritiko

Memkritikon ni aplaŭdas!
Kaze ke mi min mallaŭdas,
tiu fakto ja atestas,
ke – unue – mi modestas.
Due – mia karaktero
ŝajnas pura nur sincero.
Trie – estos ne konfrontoj
kun aliaj kritikontoj.
Kvare – iu ajn oponos
kio ĝuon al mi donos.

La rezulto de l'kalkulo:
Esence estas mi bonulo!

Trad. W. Hofmann



*Wolf Kaiser kiel Macheath en la „Trigroŝa Opero" Berlina Ensemblo.*
Foto: Zentralbild

## El la „Trigroŝa Opero" de B. Brecht

# Balado, en kiu Macheath pardonpetas ĉiun

Vi homofratoj, kiuj vivos iam,
la koron malmoligu ne al ni.
Ne ridu vian stultan ridon, kiam
al pendigil' finfine iras ni.
Kaj kvankam falis ni, ne nin malbenu.
Pri ni ne juĝu, homoj, tro severe –
neniu estas ja senmanka, vere –.
De viv' leĝera, homoj, vin detenu.
Instru' de nia sort' en vi resonu!
Kaj petu dion, ke li min pardonu.

La pluv' nin lavos, kaj defalos niaj
abundaj karnoj, kiujn tro ni nutris.
L'okulojn en la kap', kiuj jam putris,
enhakos korvoj, nigraj kaj malpiaj.
Tro alten vere ni leviĝis foje.
Nun kvazaŭ pro petolo pendas ni.
Birdar' avida, nin dispikos ĝi,
kredante nin ĉevalfekaj' survoje.
Avert' de nia sort' en vi resonu!
Kaj petu dion, ke li nin pardonu.

Knabinoj, kies mamoj nudas
por pli facile kapti virojn,
kaj knaboj, kiuj ilin studas,
montrante siajn seksdezirojn,
putinoj kaj prostituistoj,
kanajloj, ties fipatronoj
kaj kloakistoj kaj murdistoj,
mi petas ĉiujn pri pardonoj.
Alie tamen policanoj.
Vespere ili kaj matene
regalis min per duraj panoj
kaj lasis vivi min nur pene.
Mi por malben' ja havus rajton,
sed mi malamon nun fordonas
kaj montras grandaniman trajton,
se ankaŭ ili min pardonas.
Enbatu formartelan pezon
en la vizaĝojn de l'friponoj!
Cetere donas mi forgeson
kaj petas ilin pri pardonoj.

Trad. D-ro Karl Schulze

---

## Johann Wolfgang Goethe

# PROMETHEUS

Prometheus
Ĉielon vian kovru, Zeus,
per nubvapor',
kaj, kiel knab' hakanta
kapojn de kardoj,
ekzercu vin je kverkoj kaj montpintoj.
Ŝanceli ja ne povas
vi mian teron,
kaj la kabanon, kiun ne vi faris,
fajrujon mian,
pri kies brulo
vi min envias.

Sub la sun' mi ne konas
pli mizerajn ol vi, dioj.
Sub zorgoj nutras vi
per ofertributoj
kaj preĝo-spiroj
vian majeston,
kaj vi malsatus, se ne estus
infanoj, almozuloj,
stultuloj esperplenaj.

Kiam mi estis
infan' naiva kaj senscia,
turnis mi okulojn erarajn
al suno, kvazaŭ supre estus
orel' por aŭdi mian plendon,
kaj kor' kiel mia,
indulgi pri la zorgpremito.
Kiu helpis min
kontraŭ senbrido de l'titanoj,
kiu savis de l'morto min,
kaj de l'sklavec'?
Ĉu ne vi mem plenumis ĉion,
sankte arda kor'?
Kaj ardis june, pie,
trompite, dankon
al la dormanto tie supre?

Estimi vin? Pro kio?
Ĉu vi mildigis jam dolorojn
de angorantoj,
ĉu vi haltigis jam la larmojn
de zorgŝarĝitoj?
Ĉu do ne forĝis el mi viron
la ĉiopova Tempo,
kaj la eterna Fato,
miaj estroj kaj viaj?

Jen sidas mi, formas homojn
laŭ propra bildo,
genton al mi similan:
por suferi kaj plori,
por plezuri kaj por ĝoji
kaj por vin ignori,
kiel mi!

Trad. K. Kalocsay

# Recenzo

*Eli Urbanová, El subaj fontoj; Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Prago 1981; 95 p.*

En la meritplena serio „PANORAMO – Literatura almanako de Starto" la Ĉeĥa Esperanto-Asocio prezentas al la internacia legantaro novan kolekton de originalaj poemoj, kiuj certe trovos bonvenon kaj rekonon ĉe ĉiu ŝatanto de la originala Esperanto-literaturo. La aŭtorino, Eli Urbanová, ja estas jam konata en Esperantujo; ŝi gajnis premiojn en la Belartaj Konkursoj de UEA kaj jam 1960 eldonis sian unuan poemaron „Nur tri kolorojn". En sia nova poemkolekto ŝi trapaŝas vastan regionon de sentoj kaj spertoj. Ŝi dividas la tutan enhavon en ses partojn kun propraj titoloj, sed ne estas ekkoneble, ĉu temas pri kronologia aranĝo kaj ĉu en la okazo de la dua ĝis kvara partoj la titoloj estas antaŭe elektitaj, kvazaŭ temoj traktendaj, aŭ poste aldonitaj, por kunteni poemojn estiĝintajn sendepende unu de la alia. En la parto „Ombroj de estinteco" la aŭtorino partoprenigas la leganton en premaj rememoroj, kiuj hantas ŝin lige kun travivaĵoj dum ŝia laboro kiel instruistino. La partoj „Abismo de ekkono" kaj „Ringo" ĉefe esprimas sentojn kaj spertojn pri interhomaj, precipe interseksaj rilatoj. La parto „Herooj de Zodiako" rilatigas certajn homtipojn al la dek du zodiakaj signoj. La parto „Hinda Suito" ĉefe enhavas longan rakonton en versoj pri tio, kion la ĉeĥa veterano de Esperanto Jan Zemek travivis en Hindujo ĉe renkonto kun tigro kaj – Tagore! Ankaŭ la lasta parto „Triopo" evidente rezultas el tiu kontakto de la aŭtorino kun la hinda mondo kaj estas dediĉita al la bramano Sinha.

Ĉiuj ĉi poemoj estas verkitaj en flua, verva, bildriĉa lingvaĵo, kiu ĝuigos ĉiun, kiu estas akceptema por poeziaj manifestiĝoj. Ili estas ĉiuj rimitaj, kvankam ne ĉiam tre strikte kaj ĉiam laŭ la slava maniero, kiu kontentiĝas pri la samsonado de la lastaj akcentaj vokaloj kaj neglektas la (principe same necesan) samsonadon de la sekvantaj sonoj. Sed tiun rimadon la aŭtorino praktikas tiel suverene kaj memkompreneble, ke ĝi ne efektas ĝene kaj ne estigas ian esencan malpliiĝon de la poezia ĝuo; kaj post kiam oni digestis rimojn kiel krepusko/brusto/ flustro; plenaj/ almenaŭ/promenas; krurojn/ muro/ karuloj; pugnojn/hundon/sekundo, oni sentas ne plu abortaj (en la senco de Parnasa Gvidlibro), sed preskaŭ korektaj rimojn kiel streĉo/eternecon; sinjoro/ rememorojn; fajfilon/ maltrankvilo; nacio/scias; nigran/tigro ktp., kaj legantoj ne informitaj aŭ insistaj pri metrikaj reguloj probable tute ne rimarkos ilin.

D-ro Karl Schulze



# Herberts Dorbe

La latva poeto, prozisto kaj dramverkisto Herberts Dorbe naskiĝis la 15-an de februaro 1894 en Latva terkulturista familio. La tuta vivo de la verkisto estas ligita kun la urbo Ventspils kaj ĝia ĉirkaŭaĵo. Li finis la urban lernejon en Ventspils, laboris kiel instruisto, korektisto de la rusa lingvo en tipografio, librotenisto k.a.

Herberts Dorbe estas majstro de porinfana literaturo. Li tradukis, verkis lernolibrojn. En la antaŭsoveta poezio de H. Dorbe aŭdeblis eĥo de la unua mondmilito, temaro de la Kurlanda marbordo. Ŝatata heroo de la aŭtoro estis la modesta, sociale deprimita homo. En lia fruaĝa poezio de la dudekaj jaroj aperis konkretaj homoj, kaj ilia sorto ofte estis observita surstrate en la urbo. Sed en la jaroj de matureco lia liriko akiris alian karakteron – la poeto enprofundiĝas en pensado, kontemple reflektas sian spiritan mondon kun ĝiaj kolizioj kaj problemoj.

Grandan intereson vekas liaj historiaj romanoj kaj memoraĵoj. Lia prozo estas dokumenta, kulturhistoria, en ĝi distingiĝas la socialaj, psikologiaj momentoj de ĉiutaga vivo, en ĝi ŝanĝiĝas publice malmildaj, lirikaj kaj satiraj tonigoj.

Herberts Dorbe proksimiĝas al la 90-a vivjaro, li perdis sian vidkapablon, sed li ne ĉesas verki.

## Pri Herberts Dorbe kaj lia poemo.

Zlekas estas komunumo en la distrikto de Ventspils (Latvia SSR), kie en la kampulbieno „Zuŝi" en 1894 naskiĝis la verkisto. Nun en la loko de „Zuŝi" restis nur plurcentjaraĝa tilio. En la distanco de 30 km troviĝas la loko de la t.n. „Tragedio de Zlekas", kie la germanaj faŝistaj okupantoj kaj la latvaj burĝaj naciistoj en 1944 forbruligis 5 kampulbienojn kaj mortpafis aŭ mortbruligis pli multe ol 160 gelojantojn – virinojn, infanojn, maljunulojn. La punekspedicio, kiun komandis SS-generalo Jeckeln, estis sendita kontraŭ ilin tial, ĉar en la fino de la milito multaj loĝantoj de la komunumo helpis al sovetaj partizanoj kaj skoltoj.

Herberts Dorbe

## Depozicio de la viktimoj de la svastiko kaj por ilia memoro 1941

1
Zlekas. Per flamoj kaj fumnubar'
La suno kovrita estis,
De vilaĝdomoj, martiroj nun
Nur cindro kaj ostoj restis.

Se la laboro por unu hom'
Pezis, lin helpis aliaj,
Revoj liberaj, bataldezir'
Ŝajnis ne plu utopiaj.

Venis matenoj de pena ag',
Lacaj vesperoj alpaŝis,
Tenis plugilon persiste la man',
Falĉis, la grenon draŝis . . .

Subite kiel kadavrotuk'
Ĉion volvis nigra hororo . . .
„Mortpafi! Forbalai de l'ter'!" –
Elraŭkas nazikomandoro.

Forvoras la viktimojn flamar!' . . .
La karno pereos por ĉiam,
Sed al la mortiganta svastik'
L'animo pardonos neniam.

2
Ĉio ŝajnis fremdeca,
Fantome nebulis l'arbar',
Ombre regis silento
Sub antaŭmatena nubar'.

Aromis junaj betuloj!
Aromis sablo kaj musk'!
Vangojn varme ĉirkaŭis
Milda kares' de krepusk'.

Fosis la lacaj manoj
En antaŭmorta debut',
Fosis, kiel kutime,
En sablon, futon post fut'.

Fluis ŝvito kaj larmoj,
Sur lipoj sekiĝas sang' . . .
Kial nin somermeze
Lekas la frosta lang'?

Fosas viroj, vrinoj,
Fosas ili kun ĝem' . . .
„Ni protestu, kontaŭu!" –
Ardas penso kun trem'.

El la buŝoj malbeno
Elŝiriĝas kun ŝrik',
Apude per mitralo
Celas jam la svastik'.

Führer, venos la tago,
L a v i c o a n k a ŭ p o r v i !
Ni, rifuzitaj de dio,
Tombon fosis por ni . . .

3
Adiaŭ nun! . . . Adiaŭ?
Al kiu tion diri?
Mi mem la tombon fosis
Por mute ĝin eniri.

Ĉu la parencojn voki?
La sama sort' ilin atakos,
Kiam l'buĉistoj „heil! hura!"
El drinkulgorĝoj elgrakos.

Ĉu voki mian popolon?
Tra sango kaj turmentoj,
Skurĝata en multaj landoj,
Ĝi luktas kontraŭ mortventoj.

Fini mian vivon
La bestiar' nun povas,
Neniun en la mondo
Por adiaŭi mi trovas.

Ekregas min
Freneza prem' –
La tombon mi
Elfosis mem.

Sed ĉu por la vivo
Plej alta aprec'?
Mi adiaŭas vin –
Liberec!!

1977/1978

El la latva tradukis
Arturs Kubulnieks

**Asen Grigorov,**
**(iama sekretario de G. Dimitrov)**

# Georgi Dimitrov kaj Esperanto

Antaŭ multaj jaroj mi skribis pri Georgi Dimitrov kaj lia rilato al Esperanto[1]. Nun mi denove volas skribi pri tiu ĉi temo, ne nur ĉar de tiam pasis tiom longa tempo, sed ankaŭ ĉar tie kaj tie en la Esperanta mondo aperis malĝustaj eldiroj, skribaĵoj kaj opinioj pri Dimitrov kaj lia rilato al Esperanto.
Mi citos du tiajn okazojn.
En 1954 mi estis gasto ĉe la esperantistoj en Budapeŝto. En interparolo kun mi la konata Esperanto-poeto kaj verkisto Julio Baghy, evidente volante surprizi min, diris:
– Ĉu vi scias, ke Georgi Dimitrov estis esperantisto?
Mi respondis, ke tio ne estas ĝusta, ke Dimitrov ne estis esperantisto.
Eĉ kiam mi klarigis al Baghy, kiel fakte statas la afero pri G. Dimitrov kaj lia „esperantisteco", li iom nekredeme rigardis al mi, ne sciante kio estas vera kaj kio ne; videble li preferis, ke la malĝusta onidiro evidentiĝu ĝusta.
Kaj alia okazo. Nur antaŭ nelonga tempo mi legis la libron „Pri internacia lingvo dum jarcentoj" de Isaj Dratwer; ĝi estas eldonita kiel oficiala dokumento de la Centro de Esploro kaj Dokumentado (CED) ĉe Universala Esperanto-Asocio. Sur paĝo 112 de la libro s-ro Dratwer citas parton de mia artikolo pri G. Dimitrov, ĉi-supre menciita.[2]) Sub la citaĵo li skribas: „Letero al bulgaraj esperantistoj" (substreko mia. A. G.) kaj „Sekretario Asen Grigorov, Sofio (1945–1946)." Se iu volus legi „leteron", li vane ĝin serĉus, ĉar tian leteron Dimitrov neniam skribis: li parolis al mi siajn pensojn.
Ĉiu povas kompreni, ke neĝusteco ĉe tiaj aferoj povas nur estigi malfidon al ni, kompromiti nin, malutili nian Movadon.
Mi havis la feliĉon esti sekretario de Georgi Dimitrov tuj post lia reveno en Bulgario, 1945. Kvankam mia sekretarieco daŭris ne longe (1945–1946), mi konservis pri Dimitrov neforgeseblajn, karajn rememorojn. Tiujn el ili, kiuj rilatas al Esperanto, mi raportos ĉi-sube. Kelkajn tagojn post mia sekretariiĝo, en novembro 1945, mi petis la permeson de G. Dimitrov paroli dum kelkaj minutoj pri Esperanto. Li tuj donis ĝin.
Mi starigis la problemon pri Esperanto sur praktika bazo. Mi ne parolis pri estontaj ebloj de la lingvo, ne teoriumis ĝenerale, ne donis perspektivojn izolitajn de la kuranta momento, sed priskribis la nunan praktikan agadon de la bulgaraj esperantistoj.
En parentezoj mi devas diri, ke en 1945 la situacio de nia patrujo tute ne estis roza. Pro la perfida faŝista politiko de la bulgaraj burĝaj registaroj antaŭ la 9-a de septembro 1944 Bulgario estis internacie izolita. Malgraŭ la radikala ŝanĝo post la popola venko, la okcidentaj ŝtatoj ankoraŭ traktis Bulgarion kiel aliancanon de Hitler-Germanio. Antaŭ ĉio ni troviĝis en stato de milito kun multaj landoj de la mondo. Bulgario estis venkita, izolita, apenaŭ transirinta la mallarĝan ponteton de nacia katastrofo, al kiu estis ĝin puŝinta la malbenita faŝismo . . .
– Kamarado Dimitrov, – mi diris, – ni, bulgaraj esperantistoj, ne neglektas eĉ la plej etan eblecon kontaktiĝi kun niaj alilandaj amikoj, klarigi al ili nian situacion, informi ilin pri nia rezista movado, pri niaj luktoj kontraŭ la faŝismo, pri la viktimoj, kiujn ni donis, sciigi al ili niajn personajn progresojn ĉe la restarigo de nia detruita ekonomio, peti ilian moralan apogon al nia deziro aliĝi al la familio de la demokratiaj popoloj. Kiel bonaj patriotoj, amantaj nian patrolandon kaj nian popolon, ni uzas Esperanton kaj ni havas bonajn rezultojn. Ni renodis multajn kontaktojn interrompitajn de la milito. Ni vastigis la reton de niaj korespondantoj internaciaj. Grave akcelas nian agadon ĉi-rilate nia revuo „Internacia Kulturo".
Kamarado Dimitrov aŭskultis min atente. Kiam li aŭdis pri la agado, kiun ni per niaj nemultaj fortoj faris, li mem komencis paroli. Li diris:
– Vi devas daŭrigi vian agadon. Antaŭ ĉio vi devas verki kaj eldoni broŝuron pri nova demokratia Bulgario, pri ĝia esenco, pri ĝiaj sukcesoj sur la kampo de la rekonstruado ekonomia, sociala, politika kaj kultura. Vi estas neŭtrala organizo, viaj vastaj ligoj kun alilandaj Esperanto-medioj estas valoraj, kaj vi devas ilin bone uzi. Samtempe – li admonis – vi devas esti atentemaj kon-



*Georgi Dimitrov ĉe sia unua parolado antaŭ la tribunalo en Leipzig (23. 9. 1933)*
Foto: Zentralbild

# Aldono de Nikola Aleksiev

Ekzistas iuj malrektaj donitaĵoj, kiuj venigas al la penso, ke Georgi Dimitrov informiĝis pri Esperanto ankoraŭ dum sia junaĝo. En la periodo de lia maturiĝo en la laborista movado la ĉefaj landaj laboristaj organoj – la ĵurnalo „Rabotniĉeski Vestnik" (Laborista ĵurnalo) kaj la revuo „Novo vreme (Nova tempo) – publikigis plurajn informojn pri diversaj esperanto-eldonaĵoj (libroj, lernolibroj, vortaroj, propagandiloj). Iuj el la tre proksimaj amikoj kaj aktivaj kunlaborantoj de Georgi Dimitrov sur la sindikata kampo, kiel ekz. Dragoj Koĝejkov, Kosta Ganev k.a. estis esperantistoj. Kiel redaktoro de la sindikata fako en la ĵurnalo „Rabotniĉeski vestnik" en 1912 Georgi Dimitrov donis lokon al informo pri la antaŭstarantaj landa kongreso de bulgaraj esperantistoj kaj Universala Esperanto-kongreso en Krakovo. En 1914 li partoprenis internacian sindikatan konferencon en Budapeŝto, en kies tagordo troviĝis propono pri adopto de Esperanto kiel laborlingvo de la Internacia Sindikata Komitato. Post la Unua mondmilito, dum la jaroj de alta impeto de la laborista movado en Bulgario, rezulte de la Granda Oktobra Socialisma Revolucio, Georgi Dimitrov estis tre populara membro de la Centra Komitato de Bulgara Komunista Partio kaj kiel tia li ne povis ne scii pri la fondiĝo de komunista esperantista organizaĵo en Bulgario sub la nomo „Balkana Liberiga Stelo" en 1920. Tiel same, li verŝajne konatiĝis kun la enhavo de la propaganda broŝuro en bulgara lingvo, eldonita de BLS en 1921. Georgi Dimitrov alte taksis la vastan aktivecon de multaj diverslandaj esperantistoj, kiuj dum la Lejpciga proceso direktis al li solidarecajn leterojn. Grandan parton de ili la faŝistoj prokuroj de la Hitlera Temido neniigis, sed tamen apartaj leteroj atingis lin en la malliberejo. En la persona arkivo de Georgi Dimitrov nun troviĝas kelkaj el ili. Li milde gardi ilin ĝis la fino de sia vivo.

traŭ provoj de provoka kaj spiona karaktero.
Mi demandis lin, ĉu mi, estante lia sekretario, rajtas daŭrigi en eksteroficaj horoj la redaktadon de „Internacia Kulturo".
– Jes, vi rajtas – li diris, substrekante sian konsenton per jesa gesto de la kapo.
Fine mi demandis k-don Dimitrov, ĉu li rememoras, ke en la nomo de la unua libera Esperanto-kongreso en aŭgusto 1945 ni sendis al li en Moskvo niajn salutojn kaj ke li respondis per speciala telegramo.
– Jes, – li ridetis, – mi tiam respondis al ĉiu organizaĵo, kiu rilatis al mi. Mi memoras pri via saluto kaj pri mia telegramo.
Per tio mia unua interparolo kun k-do Dimitrov pri Esperanto finiĝis.
La broŝuron pri nova Bulgario verkis k-do Vitali Julzari, membro de la redakta komitato de „Internacia Kulturo". Pro nia tiama mizera presteknikо tamen la broŝuro ne povis aperi aparte, la manuskripto estis minacata de malaktualiĝo pro la rapidege okazantaj progresaj ŝanĝoj en nia popoldemokratia ŝtato; tial ni publikigis la plejparton de la ĉapitroj de la broŝuro kiel serion de artikoloj en „Internacia Kulturo".
La dua interparolo kun k-do Dimitrov pri Esperanto okazis en januaro 1946. La preteksto estis jena.
K-do Kunĉo Vâlev,[3]) tiam studento de filologio en la Sofia Universitato, korespondis kun belga studento de pedagogio. Unu el la korespondaĵoj de k-do Kunĉo Vâlev, en kiu li skribis pri G. Dimitrov, tiom plaĉis al la belga korespondanto, ke li ĝin sendis al la redakcio de belga gezeto, kiu publikigis ĝin sur la unua paĝo kune kun portreto de la heroo de Leipzig. Ekzemplero de tiu ĉi gazeto trafis en miajn manojn, kaj mi tuj montris ĝin al k-do Dimitrov. Li rigardis la gazetonn kaj ridetante diris:
– Aha, Esperanto!
Efektive, en redakcia noto estis dirite, ke la korespondaĵo estas ricevita pere de Esperanto. Mi diris:
– Ni ricevas gazetojn el alilando, en kiuj aperadas materialoj pri Bulgario dank' al nia peresperanta agado.
– Tio estas bona, – li diris.
La ekzemplero de la belga gazeto, kun la ruĝe kadrita Esperanta korespondaĵo, dum longaj tagoj kuŝis sur la skribotablo de la glora gvidanto de la bulgara popolo.
La trian interparolon kun k-do G. Dimitrov pri Esperanto estis tiel mallonga, kiel la dua. Dum certa tempo nia gazeto „Internacia Kulturo" havis seriozajn malfacilaĵojn pri papero. Mi devas klarigi, ke en Bulgario tiutempe estis produktata tre malmulta papero; plejparte ĝi estis importata el alilando. La rapidega progreso de la kulturo kaj speciale de la libro kaj gazeteldonado estigis ĉe ni seriozan paperkrizon.
Ni, la tiamaj pioniroj de la Movado, aplikis multajn klopodojn por havigi paperon por niaj eldonaĵoj, kaj nur kun granda peno sukcesadis savi la situacion kaj daŭrigi regule eldoni „Internacia Kulturo". Sed foje, en marto 1946, ĉiuj niaj klopodoj puŝiĝis kontraŭ ŝtonon, kiel oni en Bulgario diras.
Por esti justa, mi devas diri, ke la tiama ministro de Informado estis komplezema, kaj komprenante la signifon de nia agado, ĉiam bonvole kontentigis niajn postulojn, koncernantajn la eldonadon de la gazeto. La oficistoj en la Ministerio tiutempe tamen kelkfoje procedis burokrate kaj per tio bremsis nian agadon. Foje mia pacienco estis elĉerpita, kaj mi rekte starigis la demandon ĉe k-do Dimitrov.
Klarigante la aferstaton al li, mi demandis:
– K-do Dimitrov, ĉu mi povas en via nomo postuli paperon por nia Esperanto-revuo?
– Jes, – li respondis, – vi povas. Mi dankis lin kun ekspiro de faciliĝo. Efektive, post tiu ĉi okazo ni ne plu havis embarasojn ĉe la havigo de papero.
Post kelka tempo, pro malsaniĝo, mi transiris al alia laboro. Malgraŭ tio mi havis ankoraŭfoje kontakton kun Georgi Dimitrov lige kun Esperanto. La okazo estis jena.
En 1947 angla s-ano S. R. Marshall sendis al k-do Dimitrov adreson, subskribitan de kelkaj anglaj kamaradoj en la nomo de ĉirkaŭ mil londonaj estimantoj de la senmorta G. Dimitrov. En la anglalingva letero estis menciita ankaŭ la rolo de Esperanto ĉe tiu ĉi okazo.[4])
Kelkajn tagojn post kiam k-do Dimitrov ricevis la adreson, mi estis telefone vokita de lia sekretario Cvetko Banĉev (ankaŭ esperantisto!), kiu sciigis al mi, ke k-do Dimitrov komisias al mi respondi en lia nomo al la londonaj kamaradoj. Mia ĝojo estis duobla, unue, ĉar li denove donis pruvon, ke li ne malatentas nian lingvon kiel perantan kaj organizantan faktoron, kaj due, ĉar li montris fidon al mia persono, komisiante al mi respondi en lia nomo.
Nature, mi tuj sendis la respondon, kiun la legantoj de „Internacia Kulturo" havis la okazon legi en n-ro 13–14/1947.
Mi revenas al la enkondukaj linioj de ĉi tiuj rememoroj.
Georgi Dimitrov, la gvidanto de la bulgara popolo, la legenda heroo de Leipzig, la fondinto de popola Respubliko Bulgario, ne estis esperantisto. Sed li amike rilatis al nia afero, al Esperanto kiel unu el la lingvoj, per kiu ni, kiel bonaj patriotoj kaj konsekvencaj internaciistoj, povas servi al nia socialisma patrolando.
Okaze de la jubileo de G. Dimitrov la bulgara popolo gloras lin kaj lian grandiozan faron. Ankaŭ ni, esperantistoj, eterne konservos en niaj koroj la memoron kaj la dankon al la granda bulgaro kaj eminenta aganto por paco, progreso kaj socialismo de la homaro.

1) „Tri interparoloj kun G. Dimitrov", „Internacia Kulturo", n-ro 7, 1949, Sofio.
2) Temas pri la sugesto de G. Dimitrov, ke ni, bulgaraj esperantistoj, devus eldoni broŝuron en Esperanto pri Bulgario.
3) Nun Ĝenerala Sekretario de Bulgara Esperanto Asocio
4) Post kelka tempo mi petis s-anon Marshall sendi al mi kopion de la salutletero, adresita al G. Dimitrov, sed li ne povis plenumi mian peton, ĉar ankaŭ li mem ne posedis ĝin.

---

# DIMITROV

## (de Erich Weinert, 1934)

Komencis jam juĝistoj la metion
laŭ zorge antaŭdesegnita plan'
por glori la triumfan procesion
de la tiranoj per frakaso. Tion
malhelpis komunista partian',
ekstaris kaj parolis kun rideto
pri tiu tago, kiam proprieto
ja apartenos fine al proleto.
Ĉi tiuj vortoj la fiagon baris.
Aperis nova sens' en tribunal',
kaj hele kiel forta lum' en hal'
la frunto pura, nekorupta staris.
La viro dise ŝiris per sep vortoj
kurtenon de incit-solena blag',
antaŭenportis la spiriton de kohortoj
de subprematoj, kiel brila flag'.
Kaŝitan kaŭzon de la mekaniko
mortiga montris kaj klarigis li.
Fermita estis li, sed al ĵuri'
renkontis ĉie lia ironi'.
Malantaŭ ili staris la paniko.
Eĉ kontraŭpuŝo de la ĉefnazi'
rompiĝis kaj disfalis pec' post peco
je lia vorto kaj nevundebleco.
Li ridas, kiam krias la pigmeoj,
minacan brakon firme tenas li.
Vi ja tre fortaj estas, vi lakeoj,
sed lin ne venkos vi! Eĉ se li mortos,
ne sia klaso, kiun timas vi!
Jes, lin devigi ĉiam vi abortos!
Se vi al ekzekuto lin perfortos,
li tamen sian kapon rekte portos!
Se dubas iu ajn pri sia klas',
pri ĝiaj fort', armiloj, ĝia volo
kaj perdas en mallum' pro embaras'
la fidon al potenco de l'popolo:
Ĉi tie ardas flamo de pasio,
lumfajro super densa noktnebulo,
frateca voko de l'internacio!
Kaj kiu vokis tra minaca brulo,
heroo estis, komunist', saĝulo!

Trad. Manfred Arnold

## Historia evento de la esperantlingva teatra kultura

# DUM DEK TAGOJ SUR LA SCENEJO

Tio ankoraŭ neniam okazis. Dum dek tagoj, nome inter la 19-a kaj 28-a de marto 1982 en Budapest, oni prezentis entute dek du teatrajn spektaklojn pere de aktoroj el kvar landoj. Ili venis okaze de la Budapeŝta Printempa Festivalo speciale al la Internacia Renkontiĝo de Esperanto-Teatroj. La Renkontiĝon iniciatis kaj financis Hungarlanda Turisma Oficejo konforme al la rekomendoj, kiujn antaŭ tri jaroj en Manilo akceptis la Monda Konferenco de Turismo.

La 19-an de marto la serio malfermiĝis en la Budapeŝta teatro „Miklós Radnóti". Hungaraj profesiaj aktoroj prezentis kiel premieron „Ĉu vi vidis jam la piedsignon de l'Profeto" de János Elem.

Tiu prezentado estis vera premiero, ja ĝi verkiĝis en la hungara lingvo, tamen ĝi ne aperis ankoraŭ sur hungaraj scenejoj: ĝi sursceniĝis la unuan fojon – en Esperanto. Jen koncize la intrigo:

Fantazia turisma entrepreno organizas ekskurson al dezerto, kaj kontraŭ alta pago ĝi disponigas al la partoprenantoj „kompletan turisman malkomplekse-con", t.e. oni lasas ilin por du semajnoj meze de la dezerto, kun nutrajoj kaj tendoj, sen ia ajn programo. La ĉiĉerono, kiu cetere ne komprenas, nur parolas (!) la lingvon de la turistoj, adiaŭas ilin jene: „Se plaĉos al vi, proklamu vin reĝoj, boru tunelon tra la dezerto, seksperfortu, eĉ amu unu la alian, buĉu vin mem kaj viajn gekunulojn, kreu novan ŝtatoformon, blasfemu, ignoru la aliajn aŭ provu komprenigi vin al ili . . ." El tiu situacio kompreneble kreiĝas kaj konfliktoj kaj amuzaj scenoj, sed ne mankas ankaŭ lanĉo de filozofiaj demandoj, ekzemple: „kion oni faru, estante libera?" La rolojn de diversaj turistaj tipoj plenumis elstaraj hungaraj aktoroj, tutlande konataj per filmoj kaj televido. Ili konatiĝis en 30-hora intensa kurso kun la baza gramatiko kaj kerna vortaro de Esperanto, kaj nur poste ili eklernis la rolojn mem. Tiamaniere Esperanto fluis el ilia buŝo nature, bele, kiel la propraj vortoj, ja ili ne papage ellernis la tekston, sed vere alproprigis ĝin.

La franca teatro „La Krizalido" prezentis la 20-an de marto „Ĉu Dio bojas?" de Boyer.

En la teatraĵo temas pri kretenino, kiu en la bojado de hundoj supozas aŭdi Dian averton pri tertremo. La aŭtoritatoj sendas sian solan oficiston, kiu en unu persono estas policisto, juĝisto kaj preĝisto (pastro), por ke li silentigu la knabinon, kies delirajoj povus kaŭzi panikon ĉe la loĝantaro. Sed venkas ne li, la sendito de la socio, sed ŝi, en kiu ankoraŭ ne subpremiĝis la naturaj ecoj.

„In memoriam Kálmán Kalocsay" nomiĝis literatura-muzika podia programo, kiu sursceniĝis dum la tria tago. Kaj denove teatraĵoj sekvis la kvaran tagon. Jadwiga *Gibczynska* el Pollando prezentis „Slavajn fabelojn" de *Leŝmian*, tre emocie, kun riĉa artista arsenalo: ŝi brilis precipe en la lirikaj partoj. Du aktoroj de Leningrada Esperanto-Teatro prezentis podian koncizigon de la Ŝekspira „Hamleto" en formo kuraĝe eksperimenta kaj impresa.

La 23-an de marto Jadwiga *Gibczynska* prezentis – premiere – sian monodramon „Zamenhof". Ŝi bildigis por la publiko la luktoplenan vivon de la aŭtoro de Esperanto per la vivigo de tri virinoj, tre proksimaj al li: la patrino, edzino kaj filino. La klara kaj proporcia konstruo de la dramo, kaj la senceremonia, tamen impresa ludo havigis al la publiko tre belan teatran travivaĵon.

Post tiu spektaklo estis ripetitaj la plej interesaj programeroj de la Kalocsay-memorvespero.

La sesan tagon oni ripetis la „profeton" kaj la sepa estis dediĉita al la mondfama teatraĵo de B. Vasilev: „La aŭroroj ĉi-tie estas silentaj", kiu antaŭ ĉ. 10 jaroj furoris en multaj teatroj de Eŭropo. Dum la dua mondmilito ie malantaŭ la fronto, en la soveta landinterno ĉefserĝento Vaskov – vundita esploristo – komandas kelk-kapan gardistaron de ne tre grava militbazo. Ĉar mankas bataltaskoj, la soldatoj perdas disciplinon, drinkas, ĉasas virinojn. Vaskov daŭre petas de sia ĉefo soldatojn, kiuj ne drinkas kaj virinumas, ĝis fine tiu sendas al li kvin soldatinojn, kaj post kelkaj tagoj eĉ sesan, eksamatinon de iu kolonelo. La ursa ĉefserĝento ne scias kiel rilati al la virinoj, kaj el tio kreiĝas pluraj amuzaj scenoj. La leĝeran etoson tamen de tempo al tempo rompas la soldatinoj kaj ankaŭ la ĉefserĝento mem: klariĝas, ke ili ĉiuj havas animajn vundojn. Vaskov-on forlasis la edzino kaj mortis lia fileto, kaporalo Rita Osjanina perdis la edzon en la dua tago de la milito, Sonja Gurviĉ, judino, nenion scias pri la gepatroj, kiuj verŝajne mortis en la getto de urbo Minsk, Galja Ĉetvertak estas orfino, dolore fanfaronanta ĉiam pri fantazia patrino, al Ĵenja Kolmekova oni murdis la tutan familion, por Liza Briĉkina la eksplodo de la milito nuligis la eblon atingi mezlernejon. La tragedio disvolviĝas el hazarda malkovro: Rita, kiu ĉiunokte elŝteliĝas el la bazo por viziti sian fileton en la najbara vilaĝo, en la arbaro renkontas du germanajn soldatojn. Ŝi raportas al Vaskov, kiu decidas kapti la du malamikajn soldatojn. Sed poste, jam malfrue, evidentiĝas, ke estas ne du, sed dek ses germanaj soldatoj, kaj ĉiuj kvin knabinoj mortas.

La reĝisoro, István Iglódi, faris bravajon: sur malgranda scenejo li kapablis sorĉi marĉon, arbaron aŭ militbazon, sen rekvizitoj kaj dekoracioj. La sola rekvizito estis grandega reto, kiu en ĉiu momento servas pli efike la draman efekton, ol du kubaj metroj da perfektaj armeaĵoj. La utiligo de spaco kaj tempo estis skrupule ellaboritaj ĝis la plej etaj detaloj, tiel la prezentado havis daŭre plirapidiĝantan ritmon dum du plenaj horoj. La lasta sceno kvazaŭ kronas la tuton: reaperas la kvin knabinoj, jam sen uniformoj, en nigraj jupo kaj bluzo, kaj kantante belegan plorkanton, ili metas po unu kandelon sur la scenejon kaj malaperas – eĉ ne revenas por klini sin antaŭ la publiko.

Dum la oka tago „La Krizalido" prezentis „La evento" de Foissy en esperanta premiero. Dum la naŭa tago ludis amatoraj trupoj kaj dum la deka eblis spekti la pupcirkon de Roberto Bànky kaj en la plenumo de la Leningrada Esperanto-Teatro „Li trosalis" de Ĉeĥov. Jen- tro malmulte pri la unika evento. Ĝi ripetiĝos 1983.

(Laŭ materialo de HEA)



*Sceno el „La aŭroroj ĉi tie estas silentaj". De maldekstre: Mária Ronyecz [Liza], Athina Papadimitriu [Sonja], Zsuzsa Szilágyi, Zoltán Gera [Vaskov], Gabi Jobba [Rita], Virág Dőry [Jenja].*

Bernard Golden

# Pluaj rimarkoj pri la transitiveco de verboj

En *Paco* (GDR-eldono, 1981, p. 36) d-ro Karl Schulze pritraktas tre gravan gramatikan temon, kiu tro ofte estas preteratentita en lernolibroj kaj kursoj de Esperanto. Li substrekas la oftan misuzon de la sufiksoj ‚ig' kaj ‚iĝ' por transitivigi kaj netransitivigi respektive verbajn radikojn, kiuj laŭdifine estas netransitivaj aŭ transitivaj. Mi povas aldoni al liaj citaĵoj de erara uzo de la du sufiksoj plurajn dekojn da ekzemploj ĉerpitaj el la plej prestiĝaj publikigaĵoj en Esperantujo, kaj ankaŭ el verkoj de akademianoj!

Kial estas tiel ofte superflue uzata la sufikso ‚iĝ' en la verboj ‚rezultiĝi' kaj ‚evoluiĝi'? Kial tiom da esperantistoj ne kapablas lerni, ke ‚ŝprucigi' estas la transitiva formo de ‚ŝpruci'? Esperantologoj kaj instruantoj de Esperanto jam elverŝis riverojn da inko por priskribi memevidentajn malfacilaĵojn, inter kiuj estas la akuzativa kazo, la aspekta karaktero de la verbo, kaj la refleksivo. Malgraŭ tio, oni faras hodiaŭ la samajn erarojn, kiujn uzantoj de Esperanto faris antaŭ naŭ jardekoj.

Ĉu estas vere, ke kelkaj elementoj de la gramatiko de la Internacia Lingvo estas nelerneblaj, aŭ ne perfekte finlerneblaj? Kiom da esperantistoj, eĉ spertuloj, povas senerare, tute nature, uzi la poesprimon?

Dum la pasintaj jaroj mi okupiĝis pri analizo de la problemo de transitiveco en Esperantaj verboj. Mi klasifikas tiun gramatikaĵon kiel unu el la plej malfacilaj por parolantoj de plej diversaj gepatraj lingvoj. La kialo estas tre simpla. Kvankam neniu lernanto povas intermiksi substantivojn, verbojn, adjektivojn kaj adverbojn, ĉar ĉiu el tiuj parolelementoj havas sian distingan markilon, ne eblas rekoni transitivan verbon laŭ la formo de ties radiko. Tiun econ oni devas lerni samtempe, kiam oni lernas la signifon de la verbo. Sammaniere oni devas lerni la genron de substantivoj en la franca kaj germana lingvoj; ĝenerale nek la formo nek la signifo de la vorto helpas tiurilate. Interferoj okazas sur ĉiuj niveloj de la lernadprocezo. En kelkaj etnolingvoj sama verbformo povas esti uzata kaj transitive kaj netransitive, ekzemple la angla *to move*.

a. *The wind moved the branches.* La vento movis la branĉojn.

b. *The branches moved in the wind.* La branĉoj moviĝis en la vento.

Aŭ povas esti, ke netransitiva verbo en la zamenhofa lingvo, kiu ne povas sekvigi rektan objekton, en iu etnolingvo estas transitiva kaj povas havi akuzativan objekton. Tia verbo estas ‚enui' en la hungara lingvo *(megunni)*. Komparu la esprimmanieron en Esperanto (a), kun tiu de la hungara dialekto de Esperanto (b).

a. Mi enuis pri (aŭ pro) tiu romano.

b. Mi enuis tiun romanon.

La problemo estas same grava ankaŭ por parolantoj de la japana lingvo, en kiu troviĝas pluraj verboj, kies transitiveco diferencas de la transitiveco de hindeŭropaj verboj. Japano, kiu bone komprenas la uzon de la sufiksoj ‚ig' kaj ‚iĝ', tamen alfrontas enigman situacion, se la transitiveco de la Esperanta verbo ne estas klare indikita en vortaro aŭ lernolibro; la signifo mem ne helpas. Cetere, la transitiveco de pluraj verboj en Esperanto povas ŝanĝiĝi. Laŭ *Plena Ilustrita Vortaro* ‚kontribui' estas netransitiva, do sekvas ĝin prepozicio: „kontribui per bela ero en la programo." Sed en la pli frua *Plena Vortaro*, la sama verbo estas signita per ‚x', signifanta, ke ĝi estas uzebla transitive kaj netransitive. La sekvaj du ilustraj frazeroj en *Plena Vortaro* mankas en la pli ĝisdata verko.

a. kontribui belan eron en la programo

b. kontribui artikolon al gazeto

Kiel okazis tiu ŝajne arbitra ŝanĝo? Se oni tralegas *Plena Ilustrita Vortaro* tre zorge, oni ja povas trovi ekzemplojn de verboj uzeblaj ambaŭmaniere malgraŭ la manko de la ‚x'-signo en tiu vortaro: regi, bati, fumi. Nun venas la tubero en la afero. *Plena Analiza Gramatiko* diras, ke „kontraŭe al multaj lingvoj, unu verbo ne povas esti samtempe transitiva kaj netransitiva, konservante la saman sencon" (§ 119, p. 163). Sed en la sekva Rimarko 1 estas dirite, ke la verbo ‚fumi' estas la sola escepto: „la cigaro fumas: mi fumas la cigaron." Kiel povas esti, ke troviĝas tiu ĉi escepto en lingvo, kiu estas vaste distrumpetata kiel perfekte regula, senescepta? Grava demando estas: kiu decidas pri la transitiveco de verboj en Esperanto? Leksikografoj? Uzantoj de la lingvo? Samsignifa etnolingva verbo? Kiu etnolingvo?

Esperantistoj ĉi-rilate devas elekti inter du ebloj: transitiva aŭ netransitiva. Ju pli oni devas cerbumi por elekti alternativajn formojn en lingvo, des pli malfacila fariĝas la lernado de tiu lingvo. Ĉu oni diru *le maison* aŭ *la maison* en la franca, ĉu oni uzu la helpverbon *haben* aŭ *sein* en la germana, ĉu estas bezonata la objekta aŭ senobjekta konjugacio en la hungara? La transitiveco de verboj en Esperanto estas simila fenomeno, kaj estas ankoraŭ aliaj stumbligiloj en la gramatiko. Kiel estas eble klarigi, ke en la lingvistika fako de la Universitato de Budapeŝto, kie oni aplikas la plej progresintajn metodologiajn principojn de la fremdlingva pedagogio, studentoj preparantaj sin por instrui Esperanton, faras la samajn erarojn, kiujn faras lernantoj sub malpli modelaj kondiĉoj? Unu el la plej oftaj eraroj estas la misuzo de transitivaj kaj netransitivaj verboj, malgraŭ tio, ke en la hungara lingvo la transitiveco de verboj estas klare markita. Kial, do, studentoj, en kies gepatra lingvo ekzistas paralela gramatikaĵo, ne povas transferi tiun lernitaĵon al la alproprigo de Esperanto? Ne ĉiuj interlingvistoj aŭ planlingvistoj opinias necesa la klasifikon de verboj en unu *aŭ* alia kategorio de transitiveco. Otto Jespersen, la aŭtoro de Novial, agnoskas, ke kelkaj verboj povas havi ambaŭ transitivecojn. Louis de Beaufront same konkludis, kaj formulis regulon en Ido, ke la sama verbformo povas esti uzata transitive kaj netransitive, se la senco permesas. Idistoj, do, povas diri „li komencas sian laboron" kaj „lia laboro komencas" sen esti konfuzitaj, same kiel angloj, francoj kaj germanoj havas neniun malfacilaĵon interkomunikiĝi kaj eĉ produkti majstroverkojn de la monda literaturo en lingvoj havantaj tiuspecajn verbojn.

Pli ekstrema vidpunkto estas, ke la kategorio de transitiveco estas nura balasto en internacia lingvo. Oni prognozas, ke le zamenhofa Esperanto evoluos nature en la direkto al pli libera uzo de verboj. Kio estas hodiaŭ ‚escepto' aŭ subnorma lingvouzado, ekzemple ‚evoluita' kaj la transitiva uzo de ‚rezulti', morgaŭ reguliĝos, ĉar en kunteksto miskompreno ne povas okazi. „Mi brulas la lignon" (apud „la ligno brulas") povas esti akceptita surbaze de analogio kun la uzo de ‚fumi' pritraktita ĉi-supre. Tiu enradikiĝo de novaj esprimmanieroj okazos en la buŝoj de uzantoj de la lingvo kaj ne en la kabinetoj de leksikografoj.

Eĉ tiu solvo ne forviŝos ĉiujn problemojn, ĉar ankoraŭ restos la plej insida vortparo en Esperanto, ‚pesi/pezi'. Kiom ofte oni eraras pri la elekto de la ĝusta verbo, ĉar oni ne povas memori, kiu estas transitiva kaj kiu netransitiva. Ambaŭ venas de la franca etimo *peser*, uzebla transitive kaj netransitive. El *peser* Zamenhof kreis du vortojn, verajn volapukaĵojn (la lingvo de J. M. Schleyer estas plena de tiaj paroj), kiuj diferencas minimume laŭ la voĉeco de la sibla sono. Eĉ vortaristoj konfuziĝas pri ili. Post kvar eldonoj la Esperanta-hungara vortaro de A. Pechan ankoraŭ registras ‚pezi' kiel transitivan verbon!!!

# Okaze de la 150-a morto-tago de J. W. Goethe (1832–1982)

# LA AVENTURO DE FAŬST-TRADUKADO

**Karl Schulze**

La mondkonata aŭstra verkisto kaj poeto Stefan Zweig akiris grandan rekonon ne nur per sia originala verkado, sed ankaŭ per tre sukcesaj tradukoj, inter alie el la verkoj de Verhaeren, Baudelaire kaj Verlaine. Pri ĉi tiu traduklaboro li rakontas en sia lasta verko „La mondo de hieraŭ – Rememoroj de Eŭropano" kaj tie skribas:

„Tradukadon el fremdaj lingvoj mi ankoraŭ hodiaŭ opinias la plej bona eblo ... kompreni pli profunde kaj pli kreive la spiriton de la propra lingvo."

Kaj plue:

„Ĝuste per tio, ke per siaj plej personaj parolturnoj ĉiu fremda lingvo unue estigas rezistojn kontraŭ la reverkado, ĝi defias la fortojn de esprimado, kiuj alie restus neserĉataj kaj neaplikataj, kaj ĉi tiu batalo, el la fremda lingvo tenace eldevigi ties plej propran esencon kaj endevigi tiun same plastike en la propran lingvon, ĉiam signifis por mi apartan specon de arta ĝuo."

Ĝuste ĉi tiu spirita ĝuo el la lingva batalo, eligi el nia internacia lingvo Esperanto tian esprimivon, kia estas necesa por adekvate reprodukti la nacilingvan originalon, estas la motivo, kiu ree kaj ree instigis ektraduki. Kaj ju pli pretendemaj estas la verkoj, kiujn oni volas traduki, des pli malfacila fariĝas ĉi tiu batalo, kaj se oni sin turnas de prozaĵoj al poeziaĵoj, kiel mi faris, la batalo pli kaj pli akriĝas. Tiun fakton mi ne plene konsideris, kiam mi iam ekprenis la preskaŭ arogan planon, tradukante ataki tiun verkon de la germana lingvo, kiu en la konscio de multaj germanoj estas la prototipo de ĉiu poeziaĵo, nome la tragedion „Faŭsto".

Mi devas konfesi, ke, komencante la tradukadon, mi tute ne pensis pri la granda amplekso de la laboro. Kaj nur poste, kiam montriĝis, ke ĉi tiu provo eventuale povus sukcesi, mi komencis interesiĝi pri la tuto. Kaj mi konstatis, ke la tuta verko, do ambaŭ partoj, ampleksas 12 111 versojn, kaj ke el tiu kvanto la unua parto okupas 4 612 versojn kaj la dua 7 499 versojn. Por transformi tiujn grandajn nombrojn en pli kompreneblajn, pli imageblajn grandojn, mi volas diri al vi, ke tajpite la traduko de la tuta verko ampleksas 500 paĝojn, el kiuj apartenas 200 al la unua kaj 300 al la dua parto.

Mi ja sciis, ke jam aliaj esperantistoj tradukis la Faŭst-on aŭ partojn el ĝi. Konata estas la traduko de Bartelmes el la jaro 1923. Ankaŭ negermanaj esperantistoj, inter ili eĉ Kalocsay, tradukis partojn. Do, se oni denove entreprenas tian tradukon, oni dekomence defias la komparon de la diversaj tradukoj, kaj ĉu tiaj komparoj estos favoraj al mia nova versio, tio estas tute necerta, kaj oni riskas neniigan kritikon, kio postokaze senvalorigas la tutan grandan laboron.

Mi ja sciis pri la ekzisto de la aliaj Faŭst-tradukoj, sed mi ne konas ilin. Mi eĉ rifuzis enrigardi la tradukon de Bartelmes, kiun oni proponis al mi, ĉar mi volis traduki tute neinfluite kaj nur laŭ mia propra kompreno kaj koncepto.

Laŭ mia scio, la ĝisnunaj tradukoj koncernis nur la unuan parton de la verko, do rilate al la dua parto mi esperas havi la prioritaton.

Kiel mi jam menciis, en la konscio de multaj germanoj la „Faŭst" estas la prototipo de ĉiu poeziaĵo. Tio rezultas el la fakto, ke tra generacioj tiu grandioza dramo estis enigita en la kapojn de preskaŭ ĉiu lernejano, almenaŭ de tiuj, kiuj vizitis mezgradan lernejon (gimnazion). Multaj el la versoj tiel disvastiĝis en la germana popolo kaj tiel gravuriĝis en ĝia memoro, ke ili estas ĉiam pretaj kaj estas citataj en respondaj situacioj de la ĉiutaga vivo, koncize, ili fariĝis preskaŭ proverbaj aŭ eĉ veraj proverboj.

En la traduko oni devas konservi la ritmon, la metrikon de la verso kaj la rim-strukturon, kaj tiu neceso ofte devigas la tradukanton iomete devii de tiu teksto, kiu estas fiksita en la kapoj de la germanoj, kiuj konas sian Faŭst-on. Kaj la tradukinto estas tute ne certa, ĉu germana esperantisto poste estos preta rekoni la tradukon adekvata kaj trafa, se ĝi ne enhavas tiun aŭ alian vorton, esprimon aŭ bildon. Kaj mense la tradukinto jam vidas, kiel tiu esperantisto levas sian montrofingron por anonci sian proteston aŭ almenaŭ sian malaprobon pro tia fuŝado de la majstroverko. Bonvolu permesi al mi, ke mi ilustru tion per du ekzemploj. Ĉiu el vi certe konas la versojn:

Das sollt Ihr mir nicht zweimal sagen!
Ich denke mir, wie viel es nützt;
Denn was man schwarz auf weiß besitzt,
Kann man getrost nach Hause tragen.

La laŭvorta traduko de tiuj du versoj tekstus:

Ĉar kion oni posedas nigre sur blanke,
Tion oni povas trankvile hejmenporti.

Sed estas kvarjambaj versoj, kiuj krome devas rimiĝi kun la du antaŭaj versoj laŭ la skemo ab – ba. Kaj tial oni devas trovi pli mallongan version. Mia solvo tekstas:

(Vi tion ne dufoje diru!

Pri la util' konscias mi;)
Ĉar kion skribe fiksis vi,
Kun tio ĝoje hejmeniru.

Do, en mia traduko mankas la bildo „schwarz auf weiß" – nigre sur blanke. Mi rezignis pri ĝi, ĉar laŭ mia opinio, post sufiĉa provado kaj serĉado, ĝia uzo ege komplikus kaj malelegantigus la tradukon. Sed mi sentis kaj sentas eĉ nun grandajn skrupulojn pro tio, ĉar ĝuste tiu „nigre sur blanke" estas tiu parto de la verso, kiu plej profunde eniĝis en la kapojn de la germanoj.
Alia ekzemplo estas prenata el la dua parto de la Faŭst. Tiu dua parto ne estas tiel konata kiel la unua kaj enhavas nur malmultajn lokojn ĝenerale konatajn. Unu el tiuj pli konataj versoj estas la „Kanto de la turgvatisto": (Versoj 11 288–11 303)

Zum Sehen geboren,
Zum Schauen bestellt,
Dem Turme geschworen
Gefällt mir die Welt.
Ich blick in die Ferne
Ich seh in der Näh
Den Mond und die Sterne,
Den Wald und das Reh.
So seh ich in allem
Die ewige Zier,
Und wie mir's gefallen,
Gefall ich auch mir.
Ihr glücklichen Augen
Was je ihr gesehn,
Es sei, wie es wolle,
Es war doch so schön!

Ĝi estas vera perlo de la germana liriko, trovebla en tute kaŝita loko de la dua parto. Mi tradukis ĉi tiun poemon jene:

Naskita por vidi
Por gvati en rond',
La turon nur fidi,
Min plaĉas la mond'.
Mi gvatas al foro,
Proksimas al mi
Arbaro, leporo,
Ĉiela medi'.
Mi vidas en ĉio
Nur belon sen fin',
Ĉar plaĉas min tio,
Mi plaĉas min.
Feliĉaj okuloj,
Kion vidis vi,
Ĝi kiel ajn estu,
Tre belis ja ĝi!

Se vi komparas tiun tradukon kun la originalo, vi konstatos, ke en ĝi efektiviĝis miraklaj aferoj: La Reh (kapreolo) de la germana teksto ŝanĝiĝis en leporo kaj la luno kaj la steloj (Den Mond und die Sterne) ŝrumpis aŭ densiĝis (se vi volas) al „ĉiela medio". Sed certe vi komprenos, ke la ega mallongo de la versoj (du amfibrakoj resp. unu amfibrako kaj unu jambo) min devigis uzi vortojn kiel eble plej mallongajn, kaj „leporo" ja estas je unu silabo malpi longa ol „kapreolo", krome ĝi ebligis rimon kun „foro" (Ferne). Kaj el la samaj motivoj, speciale, pro la rimo „luno kaj steloj" estis anstataŭigitaj per la sumiga esprimo „ĉiela medio". Sed mi tute ne mirus, se kelkaj entuziasmuloj pri Goethe ne aprobas tion, insistas pri siaj „Reh" kaj „Mond und Sterne" kaj klasifikas la tradukon fuŝajo.
Tiu lasta ekzemplo donas okazon konfesi, ke tiaj anstataŭigoj de iu tekstvorto per iu alia, ja same trafa, sed ne trovebla en la originalo, plurfoje okazis, sed plej ofte en lokoj, kiuj estas ne tiel konataj, tiel ke la danĝero de tujaj protestoj ne estas tiel granda. Mi volas aldoni ankoraŭ kelkajn malmultajn ekzemplojn.
Tuj post la fame konata „Paska promeno" troviĝas la „Kanto sub la tilio" kun kvar strofoj. Du el tiuj strofoj finiĝas per la germana vorto „Fiedelbogen" (violona arĉo), unu per „ungezogen" (miskonduto), unu per „Ellenbogen" (kubuto). Do, la strofoj havas ĉiuj la saman rimvorton (-ogen). En la traduko tiu rimvorto ne povis esti „arĉo", ĉar estas preskaŭ neeble trovi taŭgajn rimojn por ĝi. Sed ĉar dufoje aperis la rimeblo per -uto, apud la simpla arĉo de la originalo aperis en la traduko krome la fluto:
„Eksonis arĉ' kaj fluto", kiu ne troveblas ĉe Goethe. Mi esperas, ke li kaj liaj disĉiploj absolvos min pro tiu aldono kaj pro aliaj similaj okazoj, en kiuj mi ekzemple aperigis la papon (por rimi kun ĉapo, anstataŭ „Venerabile" = hostiujo en katolikaj procesioj) kaj anstataŭ „Fichte" (piceo) temis pri fago, por povi rimi kun „ago".
El tio kaj jam el kelkaj aliaj antaŭaj rimarkoj oni vidas, ke la rimado, la neceso trovi rimojn, estas unu el la centraj problemoj de la tradukado.
La ĝusta koncepto pri rimado kaj rimoj estas tre grava por la traduko de la „Faŭsto", ĉar tiu verko konsistas ja plejparte kaj principe al rimitaj versoj. Se mi ĝuste nombris, en la dua parto de Faŭst el la 7 499 versoj 6 401, do proks. 85 % estas rimitaj kaj nur 1 098, do 15 % estas senrimaj. Ĉi tiuj lastaj troviĝas en la tria akto, en kiu rolas Helena kun sia sekvantaro, kaj Goethe uzas senriman parolmanieron kiel karakterizilon de la antikvaj figuroj (ĉar la antikva poezio ja ne konis rimojn) kaj rimitajn versojn kiel karakterizilon de la moderna, „norda" mondo de Faŭst Por Helena, rimoj sonas strange, sed afable kaj flate, kaj ŝi diras pri tio la jenon: (p. 342/192: v. 9 367–9 371)

Mi scivolemas, kial la parol'
De tiu viro strangas, sed afablas.
Konvenas ĉiu sono al alia,
Kaj se l'orelon trafis iu vort',
Alia venas por karesi ĝin.

Kaj tiagrade, kiel Helena alkutimiĝas al ĉi tiu stranga parolmaniero, ŝi ankaŭ alproksimiĝas al la moderna, Faŭsta mondo. Do, per celita uzo de versoj senrimaj aŭ rimitaj Goethe simboligas la diferencojn inter la du mondoj. El tio sekvas, ke la uzo aŭ neuzo de la rimo havas kvazaŭ dramaturgan karakteron, almenaŭ en la dua parto de la „Faŭsto". En la unua parto tiom longaj partoj neremitaj ne troveblas, sed oni povas konstati, ke kelkloke la rimitaj versoj perdas la rimon en okazo de granda ekstazo aŭ ekcitiĝo. La plej konataj el tiuj lokoj estas la balbutado de Faŭsto ĉe la apero de la terspirito (v. 460–481) kaj, tute speciale, la fame konataj versoj, post kiam Margareta starigis sian „Greta-demandon": Ĉu kredas vi je Dio?" (3 437–3 458). Do ni vidas, ke ankaŭ en la unua parto la uzo aŭ neuzo de rimoj havas sian enhavan signifon, kaj la neuzo signalas ĉiam specialan animan ekscitiĝon aŭ ekstazon. Do la problemo de la rimoj kaj rimado estas tute ne nur formala, sed certagrade ankaŭ enhava kaj tial meritas decan atenton.
Sed ĉu entute tio estas problemo? Ĉu ne ĉiu scias, kio estas rimo kaj kio ne? Bedaŭrinde ne estas tiel, almenaŭ ne en Esperantujo, kiel montras la praktiko. Antaŭ ol pruvi tion, ni devas unue klarigi, kio estas rimo aŭ kion ni volas kompreni sub rimo. Por tio ni konsultu la „Parnasan Gvidlibron" (2-a eldono 1968). Tie ni legas sur paĝo 27:

Rimo estas la sameco, inter du versfinoj, de la lasta akcenta vokalo kaj de ĉiuj ĝin sekvantaj sonoj.
Enhave la saman difinon mi trovis ekz. en Meyers Neues Lexikon (Nova Leksikono de Meyer, 1964), kie estas skribite: Reim (ist) der völlige Gleichklang zweier oder mehrerer Lautgruppen von ihrem letzten betonten Vokal an.
(Rimo estas la kompleta samsonado de du aŭ pluraj songrupoj ekde ilia lasta akcentita vokalo)

Rimoj, kiuj respondas al tiuj postuloj, estas nomitaj „puraj" ĉe Meyer, kaj „nepuraj", se ili ne respondas, dum en Parnasa Gvidlibro rimoj ne respondantaj al la difino, estas nomataj misrimoj aŭ „abortaj" rimoj.
La postulo pri puraj rimoj estas aparte grava por Esperanto, en kiu la finaj vokaloj ja ludas vortaran kaj gramatikan rolon, kaj pro tio devas esti klare elparolataj. Sed sub la influo de la slavaj lingvoj, speciale de la rusa, kie la postakcentaj vokaloj estas ofte plimalpli konfuze prononcataj, jam Zamenhof uzis en siaj tradukoj kiel rimojn vortparojn kiel ni*a*-akademi*o*; vundoprofund*a*, kaj postaj poetoj kaj poemtradukistoj iris eĉ plu kaj uzis versfinojn kun malsamaj konsonantoj aŭ en kiuj unu verso finiĝas per vokalo kaj la dua per konsonanto. Kaj malgraŭ tio, ke la aŭtoroj de „Parnasa Gvidlibro" (Kaloscay/Waringhien/Bernard) atentigis, ke tiaj finaĵoj ne estas rimoj kaj zorga poeto (aŭ tradukanto) devas ilin eviti, la uzo de tiaj „nepuraj" aŭ

„abortaj" rimoj estas konstatebla ĝis en la lasta tempo. Kiel pruvo mi rilatas al poemoj, kiujn mi trovis en Esperanto-publicaĵoj plej diversaj: En Budapeŝta Informilo, oktobro 1981 p. 4 troviĝas poemo de Nadia Andrianova omaĝe al Kaloscay, en kiu rimiĝas ekzemple dom*o* al hom*a*, enire*j*' al vej*n*, titan*o* al man*on*, libr*oj* al vibr*is* (!) En Paco, GDR-eldono 1981, p. 9 troviĝas poemo de Dimitro Zlatarki (bulgaro) „Mia esperantista kredo" en kiu rimiĝas real*o* al ŝtal*a*; utopi*a* al fantazi*as*, krim*o* al viktim*oj*, brut*o* al ekzekut*as*, Liban*o* al infan*ojn*, kontraŭstar*u* al homar*o* ktp. Nu, bonvolu ne miskompreni min. Tute ne mi volas arogi al mi ian verdikton aŭ eĉ nur priĵuĝon pri tiu problemaro. Sed mi ne povis ne vidi la fakton, ke unuflanke ekzistas vaste agnoskitaj difinoj kaj reguloj, kiuj, cetere, koincidas kun miaj propraj konvinkoj kaj konceptoj, kaj ke aliflanke granda parto de la esperantistoj ne subiĝas al tiuj reguloj kaj praktikas sian propran koncepton pri rimo kaj rimado. Kaj mi devis decidiĝi, al kiu grupo mi volas aliĝi. Mi ne volas prisilenti al vi, ke sub la neceso trovi taŭgajn rimojn, ree kaj ree, tra pli ol 10 mil versoj, tre granda estas la tento cedi al la logoj de nepuraj rimoj kaj per tio mallongigi la cerbumadon pri pura solvo. Sed ne tiaj subjektivaj faktoroj kaj sentimentoj povis esti decidaj, sed nur la objektiva neceso, kiun oni trovas per analizo de la tradukenda originalo. Kaj tia analizo montras, ke Goethe aplikas ĉiam tian rimadmanieron, kiu estas konforma al la difinoj de Parnasa Gvidlibro. Do, ankaŭ mi gvidis min per ili. Mi eĉ penis eviti certajn licencojn tie konceditajn. Sed, mi vaste uzis la eblojn, kiuj en la Rimaro de Parnasa Gvidlibro estas donitaj per la indikoj pri parencaj rimoj kaj senskrupule rimis ekz. voĉajn kun senvoĉaj konsonantoj at kun ad, as kun az, aŭd kun aŭt, eb kaj ep, ent kun end ktp. kvankam mi scias, ke tia rimado estas malaprobita de kelkaj rigoruloj. Unu eĉ nomis tian rimadon „saksimo", konsidere al la nerefutebla fakto, ke saksoj havas siajn malfacilaĵojn en la korekta diferenciga prononco de voĉaj kaj senvoĉaj konsonantoj. Ĉar Parnasa Gvidlibro permesis tiun „saksismon", mi ne havis motivon eviti ĝin. Aliflanke mi klopodis eviti la uzadon de parencaj rimoj, kiujn Parnasa Gvidlibro ja principe permesas, sed deklaras tro magraj kaj atentigas pri ili nur parenteze. Sed ne ĉiam mi sukcesis en tio, kaj mi nur volas indiki je versparo, en kiu mi uzis tian magran (parentezan) rim-eblon, nome la rimon de a*m* kun a*n*. Tio okazis ĝuste en tre konata loko, nome en la fama sceno, en kiu Faŭsto je la unua fojo alparolas la knabinon Margareta kaj tiu respondas rifuze (2 605/08):

*F.* Mein schönes Fräulein, darf ich wagen,
Meinen Arm und Geleit Ihr anzutragen?

*M.* Bin weder Fräulein, weder schön,
Kann ungeleitet nach Hause gehn.

Por tiuj du versparoj mi trovis jenan tradukon:

*F.* Bela dam', ĉu al vi plaĉus,
Se akompanon mi kuraĝus?

*M.* Nek bela estas mi, nek dam',
Al mi ne mankas akompan'.

Do, mi rimis da*m*' kun ankompa*n*'. Ĉar alian, pli bonan solvon mi ne trovis, mi esceptokaze uzis rimon ja eblan, sed ne tre rekomendindan.

Antaŭ ol fini ĉi tiujn konsiderojn pri la rimado ĝenerale, mi ankoraŭ volas atentigi pri alia danĝero tiukampa, kiu ĉiam embuskas kaj kiun eviti mi rigore klopodis. Temas pri la t.n. adasismo. Tio estas la rimado per sufiksoj. Kvankam tiaj pseŭdorimoj kaj inter ili precipe la rimado per la verba finaĵo ad, ofte estis uzitaj de Zamenhof kaj la poetoj de la unua periodo, ili estas nuntempe strikte malpermesitaj, ĉar tiaj rimoj egalvaloras al la ripeto de unu sama vorto kaj prezentas dufoje la saman ideon. Grabowski estis la unua, kiu solene kondamnis la adasismon kaj donis al ĝi la nomon. Sed kvankam tio okazis antaŭ preskaŭ 80 jaroj, ankaŭ hodiaŭ oni trovas ree adasismojn. Speciala problemo de la versfarado estas en Esperanto la viraj rimoj. Kiel konate, la rimoj estas viraj, se la rimforto finiĝas per akcentita silabo, aŭ ili estas (vir)inaj, se la rimvorto finiĝas per senakcenta silabo. Viraj rimoj principe kaj precipe estiĝas ĉe la uzo de jamboj, de tiu verspiedo, kiu transiras de neakcenta al akcenta silabo. Jambaj versoj ege abundas en la „Faŭsto" kaj do, ankaŭ viraj rimoj abundas. Sed fari viran rimon estas en Esperanto tre malfacile, ĉar la Esperanto-vortoj ja en sia granda plimulto estas akcentitaj sur la antaŭlasta silabo kaj finiĝas per senakcenta finaĵo. Verajn virajn rimojn oni propre povas nur fari helpe de unusilabaj vortoj. Sed da tiuj ekzistas nur malmultaj en Esperanto, kaj krome ne ĉiuj el ili estas taŭgaj stari en akcentita loko. Krom la personaj pronomoj (escepte de ‚ili') en nominativo kaj akuzativo oni povus nur uzi ekz. for, mem, nun, nur, pli, plu, tre, tro kaj la numeralojn. Sed ofte ne estas eble, pro enhavaj aŭ ritmaj motivoj, loki ilin en la versfinon, kaj antaŭ ĉio, tio eblus nur malofte, se oni ne volas riski malbelan, nenaturan efekton. Speciale tio validas por la personaj pronomoj en nominativo. Impresas tre malbele kaj lacige, se pluraj sinsekvaj versoj finiĝas kaj rimiĝas per mi, vi, li, ŝi, ĝi, ni, si. Do, alia rimedo por fari virajn rimojn estas urĝe bezonata. Tiu ĉi rimedo estas la elizio de la finaĵo „o" ĉe singularaj nominativaj substantivoj. Per la elizio la akcentita antaŭlasta silabo de la vorto glitas al la fino, kaj per tio la vorto fariĝas taŭga por formi viran rimon, aŭ kun alia eliziita substantivo, aŭ kun unusilabaĵo. Sed ankaŭ ĉi tie oni ne povas preteratenti, ke troa ofteco de viraj rimoj formitaj el eliziitaj substantivoj povas efekti nenature. Do, en tiuj okazoj la tradukanto ĉiam staras antaŭ la dilemo decidiĝi, kiun principon li obeu, ĉu la principon de nepra fideleco al la originalo, kiu postulas virajn rimojn, ĉu la principon de belsoneco kaj eleganteco de la traduko, kiu postulas ne troigi la uzon de viraj rimoj. En la granda plimulto de la okazoj tiu dilemo ja ne estas tro severa en Faŭsto, ĉar Goethe plej ofte preferas la alternadon de viraj kaj inaj rimoj, tiel ke la problemo estas solvebla. Sed troviĝas kelkaj partoj, kie Goethe, evidente por atingi apartan efekton, uzas virajn rimojn en longa vico da sinsekvaj versoj. Por ekzemplo mi atentigas pri la versoj 5 920 ĝis 5 969.

En tiuj kvindek versoj aŭ 25 versparoj troviĝas nur *unu* ina rimparo, dum 24 rimparoj estas viraj! Mi analizis mian tradukon, por vidi kiel mi elturniĝis el tiu situacio. Nu, mi devas unue konfesi, ke mi havas en mia traduko ne nur unu, sed ses versparojn kun inaj rimoj. El la restantaj 19 versparoj kun viraj rimoj 4 estas rimoj kun unusilabaĵoj (ĉi-li, lin-sin, min-sin, lin-sin), 14 estas rimoj kun eliziitaj substantivoj kaj unu estas miksita (kri'-li). El inter la 14 rimparoj kun eliziitaj substantivoj maksimume nur kvar sekvas unu post la alia, en dua loko sinsekvas 3 (kun sep versoj). Do entute mi opinias, ke mi atingas tradukon, kiu efektas ne tro teda pro amasiĝo de elizioj. Sed restas du demandoj, por kiuj mi ne havas kontentigan respondon:

1) Ĉu vere la fideleco al la vers-kaj rimstrukturo devigas la tradukanton fari tradukon, kiu sonas malbele pro la multaj elizioj? Alivorte, ĉu vere tia longa sinsekvo de elizioj estas pravigebla, ĉar la originalo havas en tiu loko nur virajn rimojn? Ĉu en tiaj okazoj oni ne povus lasi la substantivojn, kiaj ili estas, do kun o-finaĵoj, sen riski la riproĉon de malfideleco al la originalo?

2) Ĉu la fideleco kaj la poezia valoro de la traduko vere malpliiĝas per la fakto, ke ĝi enhavas pli multe da inaj rimparoj ol la originalo (en mia okazo: 6:1)? Alivorte, ĉu la tradukanto rajtas en okazo de neceso devii de la rimstrukturo de la originalo? Mi inklinas jesi tiun demandon, ĉar la valoro de traduko laŭ mia opinio ne povas dependi nur de tio, ĉu ĝi sklave gardis la formon de la originalo ĝis en ĉiuj detaloj, sed ankaŭ kaj precipe de tio, kiel entute la poezia enhavo kaj impresivo de la originalo estas transigita al la traduko. Krome mi opinias, ke al la tradukanto oni devas koncedi la saman liberon kaj la samajn licencojn, pri kiuj disponas la poeto

mem. Kaj laŭ miaj observoj dum la traduko Goethe tute ne elektis la vers-kaj rimstrukturon nur kaj ĉiam laŭ enhavaj kaj poeziaj vidpunktoj, sed ofte ankaŭ laŭ la situacio kaj neceso de la momenta versfarado.
La problemo, ĉu la tradukanto estas strikte ligita al la formala kadro de la originalo aŭ ĉu kaj en kia grado li rajtas devii de la originalo, troviĝas ne nur ĉe la demando pri viraj aŭ inaj rimoj, ĝi troviĝas ankaŭ en aliaj rilatoj, el kiuj mi volas mencii kaj klarigi almenaŭ la sekvan.
Temas pri la demando, ĉu la tradukanto nepre devas observi la rim-skemon aŭ ĉu li rajtas ŝanĝi ĝin, se li konsideras tion necesa aŭ almenaŭ konvena por atingi bonan, fluan, enhave fidelan tradukon. Mi volas lumigi tion per ekzemploj. En la kvar versoj, kiuj germane tekstas:

Davon will ich nichts weiter hören,
Ob man auch künftig haßt und liebt
Und ob es auch in jenen Sphären
Ein Oben oder Unten gibt.

rimiĝas la unua kaj tria kaj la dua kaj kvara versoj, aŭ alivorte rimiĝas la paraj kaj neparaj versoj laŭ la skemo ab-ab. Sed en mia traduko tiu skemo estas ab-ba, do en ĝi rimiĝas la unua verso kun la kvara kaj la dua kun la tria: Jen la traduko:

Pliaĵon mi ne aŭdi volas,
Ĉu oni amas plu aŭ ne,
Ĉu ankaŭ tie la ide'
De supre aŭ malsupre rolas.

Kaj la dua, kvazaŭ inversa ekzemplo estas jenaj versoj, kiuj germane tekstas:

*M.* Doch wählt mir eine Fakultät.
*S.* Zur Rechtsgelehrsamkeit kann ich mich nicht bequemen.
*M.* Ich kann es Euch so sehr nicht übelnehmen,
Ich weiß, wie es um diese Lehre steht.

Do, en tiuj kvar versoj rimiĝas la unua kun la kvara kaj la dua kun la tria laŭ skemo ab-ba. Sed en mia traduko vi trovos la skemon aa-bb, t.e. rimiĝas po du sinsekvaj versoj:

*M.* Sed nun elektu fakultaton!
*D.* Jurisprudenc' ne vekas mian ŝaton.
*M.* Al mi tre kompreneblas via pens'.
Mi scias, kiel statas ĉi scienc'.

Kaj nun estas la demando, ĉu ĉi ŝanĝo de la rim-skemo fare de la tradukanto estas permesita, ĉu ĝi almenaŭ estas tolerebla aŭ ĉu oni devas kondamni kaj anatemi tiun procedon.
Ankoraŭ unu problemon mi volas ĉi tie tuŝi. Temas pri la malfacilaĵoj, kiujn la tradukanto renkontas pro la fakto, ke la germana lingvo disponas pri multaj unusilabaj vortoj kaj fortformoj. Multaj substantivoj, multaj adverboj, multaj konjugaciaj formoj (precipe la preteritaj formoj de la fortaj verboj: backen-buk, frieren-fror ktp.) estas unusilabaj.
Kaj pro tio estas facile formi virajn rimojn. Sed antaŭ ĉio tiuj multaj unusilabaj vortoj permesas ankaŭ enhave diri multon per malmultaj kaj koncizaj vortoj, Kaj ĉar tiu aŭ simila mallongeco kaj koncizeco de la vortoj kaj formoj mankas en Esperanto, la tradukanto ofte troviĝas antaŭ malfacilaj taskoj. Se li plene sekvas (kiel ĉe prozoteksto) la originalon en la nombro kaj elektro de la vortoj, li ne sukcesos loki tiujn vortojn en la kadron, kiu estas antaŭdonita per la versformo de la originalo. Do li devas aŭ transpaŝi ĉi tiun kadron, ekzemple uzi du versojn (aŭ almenaŭ pli ol unu verson) por esprimi tion, kion la originalo diras en unu verso. So estas eble kompensi tiun transpaŝon per posta (aŭ antaŭa) ŝparo, tiu vojo estas irebla. Se ne, tia proceduro kondukas al plimultiĝo de la versnombro, kio, laŭ mia opinio, estas nepre evitinda. Kio koncernas mian Faŭsttradukon, mi povas certigi, ke ĝi havas la saman versnombron kiel la germana teksto. Por atingi tiun celon malgraŭ la fakto, ke Esperanto disponas ne pri tion da mallongaj vortoj kiel la germana lingvo, mi aplikis plurajn metodojn. La unua estas jena. Mi ellasis, preteratenis rezigneblajn vortojn (plej ofte adjektivojn). Tio kompreneble, estas riska afero, ĉar per tio oni ja ne nur tuŝas la formon, sed jam proksimiĝas al certa enhava ŝanĝo. Sed ankaŭ en la verkoj de tia grandulo kiel Goethe troviĝas vortoj, kiuj estas rezigneblaj kaj aperas en la teksto eble nur pro ritmaj motivoj, por plenigi la verson, do sen enhava funkcio. Ekzemple la verso 11 870 kiu germane tekstas:

Wie stark, mit eignem kräftigen Triebe
(Der Stamm sich in die Lüfte trägt,
So ist es die allmächtige Liebe,
Die alles bildet, alles hegt.)

enhavas la vorton „eignem", kiu estas rezignebla, superflua, ĉar bestoj aŭ, kiel en ĉi tiu okazo, plantoj ĉiam evoluas laŭ propra instinkto kaj ne laŭ la instinkto de iu aŭ io alia. Do la preteratento de „propra" ŝajnis alasebla, kaj ĝi permesis fari taŭgan tradukon:

Se rekte, laŭ instinkt' fortika,
La trunk' aeren levas sin,
Jen ĉionpova am', efika
En ĉies formo kaj inklin'.

Kompreneble ne ĉiam la decido, ĉu oni povas ellasi vorton, estas tiel facila, kiel en la supra ekzemplo. Ekzemple en la versparo (11 563/64):

Eröffn' ich Räume vielen Millionen,
Nicht sicher zwar, doch tätig-frei zu wohnen
(Malfermus mi spacojn por mulaj milionoj,
Loĝi ja ne sekure, sed ageme-libere)

ja estas facile konstateble, ke sufiĉas diri „por milionoj", ĉar „por multaj milionoj" ne estas io esence alia, sed estas ege tikle ellasi aŭ tätig (ageme) aŭ frei (libere), ĉar ambaŭ adverboj havas esencan enhavan signifon. Do, mi devis trovi tradukon, kiu enhavas ambaŭ ideojn de ili esprimitajn. Jen ĝi estas:

Por milionoj mi malfermus spacojn
Libere agi, spite la minacojn.

Nu, kompreneble oni ne povas ĉiam kaj ĉion allasi (kvankam kelkaj asertas, ke la arto konsistas en la ellaso), sed oni devas traduki kiel eble plej fidele kaj devas, pro tio, uzi ankoraŭ aliajn rimedojn por venki la obstaklon, kiu estiĝas kelkloke el la pli granda koncizeco de la germana lingvo. Tia rimedo estas ekzemple ankaŭ la uzo de sintezaj formoj, kiuj ja eblas laŭ la reguloj de Esperanto, kvankam ili ne estas kutimaj en la ĉiutaga parolo kaj en prozotekstoj. Speciale tio koncernas verbformojn. Anstataŭ „mi estas konvinkita" mi ekz. diras „mi konvinkitas", anstataŭ „tio estas simpla" mi diras „tio simplas", anstataŭ „estas jam farite" mi diras „faritas jam" ktp. Plia rimedo kunpremi la direndaĵon estas fidi en taŭgaj okazoj je la elvokiveco de la sufikso en konkreta kunteksto. Ekz. anstataŭ diri „li ĉiutage perluktas la porvivaĵon" mi povas eventuale diri „li perluktadas la porvivaĵon", esprimante la ĉiutagecon de la agado per la sufikso *ad*. Aplikante tiujn lastajn du rimedojn, mi ekz. tradukis la konatajn versojn (115 773/76):

Ja, diesem Sinne bin ich ganz ergeben,
Das ist der Weisheit letzter Schluß:
Nur der verdient sich Freiheit wie das Leben,
Der täglich sie erobern muß.

laŭ jena maniero:

Jes, tiusence mi nun konvinkitas,
Jen finkonklud' el saĝa sci':
Liberon, vivon homo nur meritas,
Se ilin perluktadas li.

Tiun ĉi metodon, kunpremi kiel eble plej forte la tradukendan tekston, oni povas (kaj ofte devas) apliki ankaŭ ne nur al unuopaj formoj, sed ankaŭ al tutaj ideoj aŭ frazoj. Por tio mi volas doni ekzemplon helpe de versoj, kiujn konas ĉiu germano. Estas la du lastaj versoj de la mondfama „Paska promeno" (939/940):

Zufrieden jauchzet groß und klein:
Hier bin ich Mensch, hier darf' ich sein!

Entute el tiuj manipuloj rezultis jena traduko:

Jubilas ĉies ĝoja kri':
Ĉi tie, rajte, homas mi!

Ĉi tiuj du versoj estas tre taŭgaj por

demonstri la transformojn kaj manipuladojn, kiujn mi opiniis necesaj por atingi enhave trafan tradukon en la kadro de la originalaj ritmo kaj rimo. Temas, kiel vi certe jam konstatis, pri kvarjambaj (do oksilabaj) versoj kun vira rimo. En la traduko la ideo de „groß und klein", aperas en la vorto „ĉies", „Zufrieden" (kontenta) estas esprimita ne laŭvorte, sed laŭsence per „ĝoja". Nova en la traduko estas kompare al la germana teksto la vorto „krio", kiun mi bezonis en eliziita formo por povi fari per ĝi rimon kun „li". La dua verso estas klara pruvo por mia aserto, ke en la germana lingvo abundas unusilabaj vortoj: Tiu verso kun ok silaboj enhavas ok vortojn! Do enestas en ĝi nur unusilabaj vortoj! Kiel traduki tion, jen estis la demando. Mi provis majstri tiun taskon per tio, ke mi kunpremis la tutan duan duonon de la verso „hier darf ich's sein" (ĉi tie mi rajtas esti tia) en la unusolan vorton „rajte". Krome anstataŭ la plena formo „mi estas homo" mi uzis la sintezan formon „mi homas" kaj per tiuj du trukoj (se vi volas) mi povas esprimi la enhavon, la ideon de la dua verso per kvin vortoj kun ok silaboj. Pro la vira rimo la persona pronomo „li" glitis al la fino de la verso.

Ĉu post tiuj miaj eldiroj kaj konfesoj vi ankoraŭ dubas, ke tia tradukado estas aventuro? Ĉi estas aventuro pro la granda amplekso, pro la multaj malfacilaĵoj, kiuj devas esti venkataj, pro la ĉiamaj skrupuloj, ĉu la trovitaj aŭ elektitaj solvoj estas trafaj, ĝustaj, bonaj aŭ almenaŭ tolereblaj. Sed ĝi estas aventuro ankaŭ post la fino de la traduklaboro pro tio, ĉar mi ne scias, ĉu kaj kiam ĝi aperos presita, ĉu la granda penado estas sukcesa aŭ ĉu sub la pezo kaj forto de postaj pravaj kritikoj ĝi pruviĝos vana. Tiun ĉi parton de la aventuro mi havas ankoraŭ antaŭ mi.

# Recenzoj

### Frigyes Karinthy:

## Vojaĝo al Faremido. Kapilario.

**(Trad.: Lajos Tárkony kaj Andreo Szabó)**
**Hungara Esperanto-Asocio, Budapest (1980), 182 p.**

Frigyes Karinthy (1887–1938) estis elstara hungara satiristo, laŭdire komparebla kun Mark Twain aŭ Kurt Tucholsky. Li apartenis al la progresema verkista rondo „Nyugat" (Okcidento), kiu komence de nia jarcento strebis modernigi la konservativan postrestintan literaturon. Lia armilo estis amare sarkasma humoro.

La mondon kun ĝiaj kontraŭdiroj li priskribis prefere paradokse, starigante la aferojn kapaltere por efiki komikon. Li evoluigis multajn utopiajn ideojn, ekzemple per „Nova Enciklopedio", per nova definado kaj valortaksado kontribui al paca solvo de internaciaj problemoj kaj servi al la interkompreniĝo de la popoloj. Esperanton li forte apogis, eĉ dum kelkaj jaroj estis prezidanto de Hungarlanda Esperanto-Societo.

Progreson de la socio li ekspektis ĉefe el natursciencoj kaj tekniko. Inter liaj plej ŝatataj aŭtoroj estis Jules Verne, H. G. Wells kaj Jonathan Swift. Ĉi-lastan li elstare tradukis hungaren kaj eĉ mem verkis du plurajn vojaĝojn de Gulliver, nome al la landoj FAREMIDO (1916) kaj KAPILARIO (1921).

FAREMIDO estas maŝinmondo, kies enloĝantoj parolas la internacian lingvon de l'muziko. Jam delonge ili teleskope observas la teron kaj miras, ke homoj kaj bestoj estas faritaj el putra kaj disfala organika materio anstataŭ el pli rezistaj metaloj kaj mineraloj kiel ili mem. Iliajn raciajn agojn regas lumo, varmo, elektro, magnetismo. La teranoj ŝajnas al ili organe malsanaj. Alie ne klarigeblas tiom da stultaj faraĵoj, reciproka ekstermado, militoj. Kaj kial la tielnomataj „pensuloj" rompas al si la kapon pri tio, pri kio ili rompas al si la kapon?

Gulliver ekkonas pli racian, pli harmonian mondon kaj mondkoncepton. Kun bedaŭro li revenas al la tero.

Post kelkaj jaroj la adorata patrujo denove soldatigas Gulliver-on kiu akcidente alvenas en KAPILARIO, in-regata ŝtato sur la fundo de la maro. Tiuj inoj parolas lingvon de interjekcioj kaj vivas nur por ĝoji, ĝui, amuziĝi. Kiel ĉe kelkaj specoj de fiŝoj kaj araneoj tiuj inoj estas multe pli belaj kaj kelk-dekoble pli grandaj ol la viroj, kiuj nur taŭgas por sklave labori kaj iutage esti manĝotaj, post antaŭa speciala nutrado de ilia bongusta cerbo, ekzemple per „Zarathustra" de Nietzsche.

En la romano sin kaŝas akra atako kontraŭ la ina sekso, sed ankaŭ sufiĉe da moko pri la virsekso kaj pri multaj famaj filozofoj. La problemo de la „duseksa homo" evidentiĝas jam en unu ekzempla frazo: „Se sola mi estas en la ĉambro mi estas homo. Se envenas virino, tiam mi fariĝas viro."

Kiu ŝatas spiritplenan, sciencfikcian kaj mokoplenan legadon certe plezure legos la libron, eĉ se iomete ĝenas la pezeco de la lingvo de Gulliver.

Terura frazo legeblas sur p. 22: „Mi estus jam devinta tion kompreni, kiam oni inventis la kinon kaj mi vidis, kiom pli volonte oni vizitis la kinoteatrojn, kie oni vidis nur la surmure projektitajn bildojn de la sama aktoro, kiun ili estus povintaj vidi, por la sama sumo, ankaŭ en ties viva realo sur la eksmoda teatra scenejo."

Iomete eksmodaj ŝajnas ankaŭ esprimoj kiel fotografmaŝino, fotografaparato.

Nekorekta estas la kombino „kompari al" anstataŭ „kompari kun" (p. 25 k.a.).

Por legantoj el GDR mi volas aldoni, ke la germanlingva traduko de FAREMIDO (Zürich, 1919) en la Ŝtata Librejo perdiĝis pro la milito. Ekzistas novelkolekto „Norda Vento" (trad.: Karlo Bodó) en Esperanto, Berlin 1926, sub signo V 31 382-7/8. Germanlingve en GDR aperis kolekto de satiroj sub titolo „Mi ne scias, sed mia edzino estas suspektinda." (1972).

Progresintaj humorŝatantoj do ne ellasu la hungaran frandaĵon!

(Mendu ĉe: Haus der Ungarischen Kultur, 1020 Berlin, Karl-Liebknecht-Straße 9)

Linde Knöschke

## Vjetnamio: Kiaj homaj rajtoj?

La „Periodaĵo VJETNAMA KURIERO kaj VJETNAMA PACDEFENDA ESPERANTISTA ASOCIO" eldonis sub la titolo „Vjetnamio: Kiaj homaj rajtoj?" 146-paĝan broŝuron, kiu informas pri la variaj rimedoj, reintegri la sudan landparton en la komunan ŝtatan organizaĵon.

La ideologia kaj politika konfrontado inter socialismaj kaj kapitalismaj landoj evidentiĝas en Vjetnamio kiel en fokuso, koncentriĝas sur la problemo pri „homaj rajtoj".

La broŝuro celas respondi al la multnombraj problemoj de tiu komplika situacio, pritraktas la okazintaĵojn sub la vidpunkto de nerespektita rajto de popoloj kontraŭ Vjetnamio, precipe la rajto pri memdecido. Reala garantio pri la homaj rajtoj konfrontiĝas kun la usona enmikso en la internajn aferojn de aliaj landoj, hipokrite kaŝita kiel batalo por la homaj rajtoj.

Tuŝante tiujn vitalajn interesojn de la tuta homaro, meritas la broŝuro pro sia aktualeco plenan atenton kaj disvastigon.

D-ro K. Schulze

Detlev Blanke

# Esploroj pri sociaj aspektoj de Esperanto kaj ĝia parolantaro

## 1. Enkonduke

La diversaj lingvistikaj skoloj ĝenerale jam akceptas, ke la lingvo estas socia fenomeno, kaj ke ĝi funkcias *pro* la socio kaj *en* la socio. Tamen, tiu banala konstato ne nepre sekvigas adekvatan esploran strategion.

Se temas pri la esperantologiaj esploroj, oni devas konstati ke plej parte ili limiĝas je pure lingvaj esploroj, do je la fontoj, la strukturo kaj (malpli) la evoluo de Esperanto kaj nur nesufiĉe atentas la sociajn aspektojn de tiuj fenomenoj. Ĉar Esperanto ne estas nur simple abstrakta lingvo, sed portata de konkreta lingva komunumo kaj uzata por difinitaj sociaj celoj, oni devas agnoski, ke la sociaj aspektoj de la funkciado kaj evoluo de Esperanto sendube apartenas al la objekto de la esperantologio. Ne eblas ĉi-tie resumi la ekzistantan literaturon sed ĝenerale oni tamen povas konstati:

Ne multas la ĉi-temaj ĝisnunaj esploroj. Relative bone priskribita estas la esperantlingva literaturo (traduka kaj originala) kaj la evoluo de la lingvo-portanto (= historio de la Esperanto-movado). La ĉi-temaj esploroj tamen nur tro malofte estas rilatigitaj al la ĝenerala socia evoluo kaj ĝenerale prezentas la Esperanto-movadon tro izolite de la socia ĉirkaŭo. Rimarkindan escepton ĉi-rilate i.a. prezentas i.a. la verkoj de E. Drezen[1]) kaj lastatempe de Ulrich Lins pri la Esperanto-movado en la nazia Germanio[2]), kaj de A. Ratkai pri la Laborista Esperanto-movado[3]).

Lastatempe aperis promesplenaj studoj pri la sociologia konsisto de la Esperanto-movado de Peter Forster[4]) kaj pri socipsikologiaj aspektoj de la Esperanto-movado de Tazio Carlevaro[5]). Mencion ankaŭ meritas la klopodoj pli sisteme okupiĝi pri la „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado", pri kiu okazis 1979 internacia seminario en GDR, en kiu oni prezentis 26 prelegojn kaj sennombrajn diskutkontribuojn[6]).

La celo de mia studo estas:

– atentigi pri temo-koncernaj problemoj kaj vidpunktoj kaj

– stimuli sociaspektajn esperantologiajn esplorojn.

Tiaj esploroj ne estu farataj pro si mem sed certe estas de principa sociscienca graveco kaj havas tute praktikan valoron por la strategio kaj taktiko de la Esperanto-movado.

Konvenas por nia celo trakti kelkajn soci(politik)ajn aspektojn de 3 temokompleksoj:

1. La koncepto pri internacia planlingvo
2. Esperanto
3. La parolantaro de Esperanto.

Kompreneble, la prezento de tiuj kelkaj vidpunktoj nur povas esti nekompleta kaj tezoforma.

## 2. Kelkaj konsideroj pri sociaspektaj esperantologiaj esploroj

### 2.1. La koncepto pri internacia (plan)lingvo

a) La baza fono pri la demando de internacia lingvo (ĉu planlingvo, ĉu etnolingvo) unuavice estas de socipolitika kaj nur poste de lingvo-struktura karaktero.

Pro tio nur dialektika difino de la objekto de interlingvistiko kiel kompleksa scienca disciplino kun multaj aspektoj (i.a. ekonomia, politika, sociklasa, psikologia, lingvistika, jura, teknologia, informadika kaj aliaj) adekvatas al la realeco. La socia determiniteco de la monda lingvo-problemo cetere jam estis komprenita dum la dudekaj jaroj en teoriulaj rondoj de la laborista Esperanto-movado.

Rimarkeblas, ke fine de la 60aj, komence de la 70aj jaroj ankaŭ en la moderna internacia Esperanto-movado plifortiĝis la konscio pri la socia determiniteco de la lingvo-problemo, kio i.a. trovis sian (ŝajne banalan sed rezultodonan) esprimon en la „deklaracio de Tyresö" de TEJO: „Ĉiuj ajn aktivecoj pri lingvaj problemoj estas samtempe sociaj aktivecoj".[7]) Sekvis serio da interesaj TEJO-seminarioj kaj kongresoj (i.a. 1971 „Lingvo kaj kulturo", 1972 „Lingvo kaj politiko", 1974 „Lingvo kaj socio", 1975 „Lingvo kaj malkoloniiĝo", 1976 „Lingvo kaj rasismo") kaj disvastiĝis en la Esperanto-movado la konceptoj pri „Lingva imperiismo", „Lingva samrajteco", „Lingva diskriminacio" k.t.p.

La kompreno, ke la „Lingva diskriminacio" tamen ne estas izolita fenomeno, sed rigardenda konekse kun aliaj aspektoj de la fenomeno „diskriminacio", kiel ajn oni difinas la diskriminaciojn kaj ĝiajn radikojn.

b) Lige al tio la komplika problemo de la internacia lingvoproblemo kaj ĝia solvo per internacia lingvo (ĉu etna, ĉu planita) nur estas rezultodone esplorebla kaj adekvate komprenebla, se oni ĝin rigardas lige al la sociaj evoluleĝoj (aŭ, se aliaj preferas: tendencoj) de la homaro.

Estas evidente konstatebla entute progresiva tendenco en la evoluo de la surteraj sociaj kondiĉoj, malgraŭ ĉiuj konfliktoj, kontraŭdiroj, regresoj kaj stagnoj en iuj regionoj:

1) pligrandiĝas la fortoj pretaj engaĝi sin por forigo de la militdanĝero,

2) impete disvolviĝas la produktivaj fortoj (kvankam tre malsamnivele en la unuopaj mondaj regionoj kaj ŝtatoj) kaj lige al ĝi la scienc-teknika revolucio,

3) plivastiĝas la tendenco al samrajtecaj rilatoj inter la ŝtatoj kaj por forigo de diversspecaj diskriminacioj.

Do, tute ĝenerale, oni rajtas eliri de pozitiva evoluo-direkto, kio estas de baza signifo por la solvo de la lingva problemo.

c) Tio signifas, ke la kompreno pri la sociaj evoluodirektoj de la homaro devas esti ligita kun prognozo pri la evoluo kaj ŝanĝiĝo de la tutmonda lingva situacio.[8])

Malaperos lingvoj. Ŝanĝiĝos la socia statuso de difinitaj lingvoj, ĉiam pli da ŝtatoj entreprenas pli kaj pli konscian lingvo-politikon k.t.p. Do – en tiu reto de evolu-faktoroj kaj procezoj oni devas difini la pozicion de internacia(j) lingvo(j).

d) Grava kontribuo por tia prognozo kaj samtempe sekvoj el ĝi devas esti esploroj pri eventualaj sociaj, sociopolitikaj sekvoj de enkondukota internacia lingvo, ĉu etnolingvo, ĉu planlingvo. Tio koncernas diversajn aspektojn: ekonomia, politika, sociklas-rilata, kultura k.a. La sociklasan flankon de la internacilingva problemo klare videbligas la konata slogano de Marks/Engels „Proletoj de ĉiuj landoj unuiĝu!" Tiu revolucia programa slogano havas komunikprobleman aspekton. Prognozante nescience kaj utopie oni facile venas al tiaj absurdaj konstatoj, ke Esperanto estas la ĉefa lingva esprimo de la „humaneca internaciismo" (Lapenna) aŭ ke forigo de nacioj kaj naciaj lingvoj kaj ĝenerala enkonduko de Esperanto en „sennacian socion" ebligos la kreon de ideala tutmonda socialisma socio, kion asertas la adeptoj de la sennaciismo de Lanti.

Apud *supertakso* de la socia ŝanĝoforto de internacia lingvo kompreneble ankaŭ ekzistas forta subtakso de ĝi, kio esprimiĝas ankaŭ en la *ignoro* de la lingva problemo

e) Tre grava por la kompreno de la fenomeno *plan*lingvo estas la koncepto pri la rilato de la homo al la monda *lingva situacio* kaj al la lingvo mem. Ke la homo povas aktive kaj laŭplane ŝanĝi tiun situacion kaj lingvojn, trovas aprobantojn kaj kontraŭulojn.

Marks, kritike taksante la verkon de la materiisma filozofo Ludwig Feuerbach (1804–1872), skribis en sia fama „11a tezo pri Feuerbach": „La filozofoj nur diverskoncepte interpretis la mondon. Sed necesas ĝin ŝanĝi".[9])

E. Svadost ofertis spritan kaj tre gravan parafrazon de tiu fundamenta marksa eldiro, aplikante ĝin al nia temo: „La lingvistoj nur diversmaniere priskribis kaj klarigis la lingvan situacion de la homaro. Sed necesas ĝin ŝanĝi."[10])

Tiu aktiva rilato al monda lingvo-situacio estas intime ligita kun la problemo de la signifo de homa konscio en la lingva evoluo. H. Schuchardt, J. Baudouin de Courtenay, O. Jespersen, A. Martinet, A. Bausani, V. Tauli kaj multaj sovetaj lingvistoj (inter ili E. A. Bokarev, M. Isajev, V. P. Grigoriev) substrekis en siaj verkoj, ke la homo povas konscie influi la lingvan evoluon. Pri la problemoj de tiuj laŭplanaj lingvo-ŝanĝoj okupiĝas disciplino de socilingvistiko, la „lingvo-planado", pri kies rezultoj ekzistas abunda literaturo. La rilatoj inter lingvoplanado kaj la fenomeno de planlingvo estas tre intimaj.[11]) En etnolingvoj oni konstatas rezultojn de la lingvoplanado en certaj sferoj de la lingvo (ekz. ortografio, leksiko) aŭ en lingvaj detaloj.

Planlingvo kiel Esperanto estas en sia baza tuteco mem la rezulto de lingvoplana akto.

Ke tute nature kreskados la konscia rilato de la homo al la lingvo, jam substrekis Marks/Engels en sia komuna verko „La germana ideologio" (1846) skribante „ke la individuoj siaflanke komplete prenos sub sian kontrolon ankaŭ tiun produkton de sia specio (= la lingvon, D.B.) estas memkompreneble."[12])

f) Iom konklude pri la signifo de la socia determinateco de la internacilingva problemo, oni povas diri, ke ne la lingvostrukturaj ecoj unuavice decidas pri la sukceso aŭ malsukceso de internacia lingvo – kvankam ili estas neneglektindaj – sed la socipolitikaj faktoroj, el kiuj ni menciis kelkajn. La nekompreno de tio estas tre disvastigita. La tuta skolo de la naturalismo kaj aŭtoroj de aliaj planlingvoj bazas sian koncepton je *lingvaj ecoj* kaj ignoras la *socian flankon*. Pro tio en la revuoj de Ido, Interlingue kaj Interlingua, ekzemple, la kritiko kontraŭ Esperanto abundas kaj ekskluzive koncernas ties lingvajn ecojn. Ankaŭ la ĉiam denove aperantaj projektoj por reformo de la esperanta ortografio estas senŝancaj. Ili baziĝas je la supertakso de unuopaj pli malpli gravaj lingvaj ecoj.

Eĉ Eugen Wüster kaptiĝis de tiu lingva fetiŝismo. En kompletiga ĉapitro de „Internacia lingvo-normigo" li konstatas, ke Esperanto malgraŭ diversaj seriozaj provoj (ĉe kiuj Wüster kunlaboris) oficiale ne enkondukiĝis kiel lingvo de scienco. El tiu nekontestebla fakto Wüster konkludas, ke ankaŭ estonte ne estos reala ŝanco por tio. Sed la kaŭzoj, laŭ li, ne estas sociaj sed precipe lingvoecaj: „Tre konsiderinda kaŭzo por tiu malakcepto (de Esperanto – D. B.) estas kelkaj ecoj de la ekstera lingva formo de Esperanto, kiu ja neniel malutilas al la praktika uzebleco, sed plej ofte forpuŝas sciantojn de eŭropaj lingvoj".[13]) Sekvas naturalismo-koncepta kritiko pri la ekstera formo de Esperanto.

### 2.2. Esperanto

Konsiderante la menciitajn kaj aliajn vidpunktojn oni devus entrepreni, en la kadro de esperantologiaj aktivecoj, tutan vicon da esploroj.

(a) Ekzemple necesas esplori la rilatojn inter Esperanto kaj ideologio. Mi nur menciu la ĉiam denove diskutatan „internan ideon", pri kio mi skribis aliloke.[14]) Estas erare kompreni la „internan ideon" kiel apartaĵon de la Esperanto-movado. Kiel Ratkai konvinke pruvis, ĝi jam ekzistis en la Volapuka movado[15]), kaj supozeble similaj konceptoj ankaŭ menciiĝis jam de antaŭvolapukaj projekto-aŭtoroj.

(b) Same grava, speciala por la kompreno de la kultura valoro de Esperanto, estas esploro pri la rilatoj inter Esperanto kaj kulturo. Pri la demando, ĉu Esperanto kreadas propran memstaran „esperantan kulturon", traktis J. Jermar.[16])

(c) Konsiderante la lingvo-situacian realecon de la mondo kaj ties evoludirekton, necesas sobre enordigi Esperanton en tiun sistemon. Pro tio oni devas rekonsideri la rilatojn de Esperanto al la etno-lingvoj, aparte al la tielnomataj „mondlingvoj".

„Bojkotado" de tiuj lingvoj flanke de la interlingvistoj, esperantologoj kaj adeptoj de Esperanto estas ne nur nescience sed ankaŭ komplete neracie.

Realecan elirbazon entenas la formulo de M. Isaev: „Estu multnombraj naciaj lingvoj! Estu la interpopolaj lingvoj! (aludo al la rusa kiel interpopola, t.e. „mežnacionalnyj jazyk" – D. B.) Estu la mondaj lingvoj . . . ! Kaj estu ankaŭ la internacia helplingvo!"[17])

(d) Kompreneble la relativa sukceso de Esperanto prezentas sin kiel aparta fenomeno, kiun oni devas zorge esplori. La kaŭzoj de tiu sukceso sendube estas unuavice sociaj kaj nur duavice lingvostrukturaj.[18])

Zamenhof, malsame al la plej multaj profesiaj lingvistoj de sia tempo, komprenis la socifunkcian karakteron de lingvo, ĝian ĉefan rolon kiel instrumento de komunikado kaj ĝian necesan ligitecon al la lingvo komunumo. La socilingvistika koncepto de Zamenhof en la lumo de la moderna scienco, entenata ne nur en liaj verkoj sed ankaŭ en lia praktika agado restus valora esplorobjekto.

(e) Alia grava sociologia esploro povus koncerni la kaŭzojn de la skeptika aŭ negativa sinteno de diversprofesiaj rondoj al la problemo de internacia lingvo ĝenerale kaj aparte al planlingvo kaj Esperanto. Pri kelkaj psikologiaj kaŭzoj lastatempe atentigis C. Piron.[19])

Se temas pri lingvosciencistoj, ilia skeptikemo i.a. ofte havas lingvofilozofiajn radikojn. Krome mankas klopodo kaj la emo akiri ĉi-rilatan scion. Tuta grupo da kaŭzoj klariĝas el la ecoj de la lingvoportanto de Esperanto (= la Esperanto-movado) kun ĝiaj ĝis hodiaŭ ankoraŭ relative forte sektecaj trajtoj.

### 2.3. La parolantaro de Esperanto

Sociaspektaj esploroj esperantologiaj ankaŭ devas koncerni la parolantaron de Esperanto (= la Esperanto-movadon). Ĝenerale oni malmulton scias pri ĝia socia konsisto, la ŝanĝoj de tiu konsisto, la motivoj por homoj eklerni la lingvon, resti en la movado kaj agadi en kaj por ĝi en difinitaj manieroj kaj direktoj.

(a) La motivoj por eklerni Esperanton sendube estas tre multaj. En la unuaj adeptaj rondoj fine de la 19a jarcento

plejmultis pacifismaj motivoj. La laborista movado en Esperanto vidis unuavice ilon por klasbatalaj celoj kaj por internaciismo. Sed neniam mankis, ĝis hodiaŭ, forta grupo da homoj, kiuj vidis/-as en Esperanto ĉefe agrablan socian tempopasigilon. Aliaj estas motivigitaj de filologia scivolemo, interlingvistikaj idealoj k.t.p. Certe kelkaj malsamaj motivoj povas efikadi samtempe kaj ŝanĝiĝas tra la tempo de la esperantistado.

(b) Kvankam jen kaj jen aperas statistikoj kaj analizetoj pri la sociologia konsisto de la parolantaro (sekso, klasoj, profesioj, klerecoj) k.t.p., bedaŭrinde internacie uzebla superrigardo ankoraŭ mankas.[20])

(c) Estas nekonstatebla ke la ideologia strukturo de la lingvoportanto estas neunueca. Kvazaŭ en mikromodela formo la nuntempa internacia Esperanto-movado respegulas – kun certaj modifoj – la ideologian strukturon de la nuntempa homa socio. Tio estas facile klarigebla. Sed pli precizaj esploroj bonvenus.[21])

(d) Ligita al la supre menciitaj problemoj, de grava signifo estas la tuta fenomeno de la ligiteco de la Esperanto-movado al la ĝin ĉirkaŭanta socio: la fenomeno de sekteco kun ĉiuj ĝiaj aperaĵoj.

(e) Psikologoj trovus larĝan esplormaterialon pri la kondutomanieroj de esperantistoj (ekzemple: a) dum kongresoj, b) en neesperantista socio) kaj povus klarigi la kaŭzojn de tiu kondutomaniero.

(f) Finfine kaj ne laste, ankoraŭ multo restas por skribi objektivan historion pri la evoluo de la lingvo-portanto. Sed tiu historio devas konsideri la internaciajn Esperanto-movadon (respektive la naciajn movadojn) ĉiam en intima ligo kun la neesperantistaj sociaj idearoj kaj strukturoj.

## 3. Konklude

Restas por trakti, aŭ almenaŭ listigi ankoraŭ multaj aliaj aspektoj, konsideroj kaj esplortemoj, kiuj respondas al la socipolitika karaktero de la internacilingva problema, de Esperanto kaj ĝia movado. Tiuj esploroj estas interesaj tute principe por la sociaj sciencoj sed same prezentas gravan materialon por faciligi decidojn de la gvidaj rondoj de la Esperanto-lingva komunumo.

Tiaj esploroj do evidente ne estas memcelo. Necesas observi la fenomenon, konsciiĝi pri problemoj kaj aspektoj, esplori ilin, fiksi la rezultojn kaj tiri la necesajn konkludojn el tiuj rezultoj. Por ŝanĝi ne sufiĉas kredi kaj deziri, necesas scii.

## 4. Notoj

1) kp. de i.a.
– E. Drezen: Analiza historio de Esperanto-movado, Leipzig 1931 (represo 1972 L'Omnibuso, Japanio)
– E. Drezen: Zamenhof, Leipzig 1929 (represita *en*: Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado (red. D. Blanke) Budapesto 1978

2) U. Lins: Esperanto dum La Tria Regno *en*: Socipolitikaj aspektoj . . .

3) A. Ratkai skribis doktorigan disertacion pri la historio de la laborista Esperanto-movado en Hungario

4) P. Forster 1977 skribis doktorigan disertacion pri la temo „Sociologia studo de la Esperanto-movado", kiu estas publikigita kiel „The Esperanto-Movement", Berlin – New York 1982

5) kp. T. Carlevaro: Socipsikologio kaj grupodinamiko de la Esperanto-movado, studoj 7, Kultura Centro Esperantista, La Chaux de Fonds, 1977

6) kp. Internacia seminario en Bad Saarow/GDR. Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado, *en*: „der esperantist", Berlin 99 (1/1980), p. 3–4; kp. ankaŭ „Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado" (Red. D. Blanke), Budapest 1978

7) En I. Lapenna/T. Carlevaro/U. Lins: Esperanto en Perspektivo. London–Rotterdam 1974, p. 544

8) G. F. Meier: Situation und Prognose der Sprachen der Erde, *en*: Zeitschrift für Phonetik, Sprachwissenschaft und Kommunikationsforschung, Berlin, Nr. 1/1980, p. 63–74

9) K. Marx/Friedrich Engels: Werke, vol. 3, p. 7

10) E. Svadost, Kak vozniknet vseobŝĉij jazyk, Moskva 1968, p. 257

11) kp. – pri la kampo de lingvo-planado, i.a. V. Tauli: Introduction to a theory of language planning, Uppsala 1968
– En mia disertacio (D. Blanke: Plansprache und Nationalsprache, Berlin 1975) mi donis sur p. 9–36 ampleksan resumon pri rezultoj de lingvoŝanĝoj kaŭzitaj de konscia agado de la homo, kun multaj literaturindikoj. Komparu tiun esperantigitan ĉapitron en GDR-Paco 1981.

12) K. Marx/F. Engels, Werke, vol. 3, Berlin 1973, p. 448

13) E. Wüster: Internationale Sprachnormung in der Technik (2a eldono), Bonn 1966, p. 432/33)

14) D. Blanke: Pri la „interna ideo" de Esperanto, *en*: (D. Blanke) Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado, Budapest 1978, p. 182–210 kaj en GDR-Paco 1979. Komparu ankaŭ Canko Murgin en ĉi-tiu numero.

15) A. Ratkai: La internacilingva movado kiel kreinto de la Internacia Lingvo, *en*: Socipolitikaj aspektoj . . ., p. 166–181

16) Pri tiu temo J. Jermar prelegis dum la IIIa Esperantologia Konferenco. Kp. ankaŭ lian studon: Etnaj problemoj kaj interlingvistiko, *en*: (D. Blanke, red.) La internacia lingvo – sciencaj aspektoj, Berlin 1979, p. 65–71

17) M. Isaev: Pri bazaj metodologiaj problemoj de interlingvistiko, *en*: Socipolitikaj aspektoj . . ., p. 215

18) kp. i.a. L. Jirkov, Kial venkis Esperanto? Leipzig 1931. D. Blanke, Kial venkis Esperanto?, *en*: „der esperantist" Berlin, 73/74 (5/6 1973), p. 20–22

19) C. Piron: La psikologia rezisto al la lingvo internacia, *en*: „Heroldo de Esperanto", Madrido, n-roj 8 + 9/1980. Ankaŭ komparu mian artikolon en „der esperantist" Nr. 103 (5/1980), p. 104–106

20) Tamen tre grava paŝo en tiun direkton estas M. Durnová: Sociologia esploro de sintenoj al Esperanto, Praha 1981, 57 p.

21) R. Corsetti/M. La Torre: Celoj kaj politikoj en la Esperanto-movado, *en*: La verda Kolombo, Misima, n-roj 64–66, 1980

---

# Recenzo

**Karel Ĉapek,**

## Rakontoj el unua poŝo kaj rakontoj el la dua poŝo.

**El la ĉeĥa lingvo**
**trad. Josef Vondroušek;**
**bildoj de Milan Labašta;**
**285 p.; eld. Ĉeĥa Esperanto-Asocio, Prago, 1981**

Rekomendi verkon de la mirinda ĉeĥa rakontisto Karel Ĉapek (1890–1938) ŝajnas preskaŭ superflue pro tio, ke liaj verkoj jam famiĝis tutmonde. Ankaŭ la internacia esperantistaro jam havis okazon konatiĝi kun lia granda rakontista arto per la „Libro de Apogrifoj", kiun Ĉeĥa Esperanto-Asocio publikigis jam 1970, ankaŭ en la traduko de Josef Vondroušek. La nun eldonita traduko de „Rakontoj . . ." denove montras la verkiston kiel ridetantan sorĉiston, kiu tiras la plej strangajn historietojn el la „unua kaj la dua poŝo" kaj scipovas rakonti ilin tiel senpene, afable kaj elvokive, ke oni povus pensi, ke li faris ilin kvazaŭ en unu bloko kaj tute ne iom post iom. La 48 rakontoj temas pri homoj ĉiuspecaj, sed pleje el la mezaj kaj malsupraj tavoloj de la tiutempa ĉeĥa socio. Ili montras al ni konfliktsituaciojn de la ĉiutaga vivo kaj ilian respeguliĝon ĉe policanoj, juĝistoj kaj similaj reprezentantoj de la ŝtata potenco unuflanke kaj krimuloj, ties viktimoj kaj aliaj simplaj homoj aliflanke, kiuj batalas sian senĉesan batalon kontraŭ la zorgoj kaj misaĵoj de la vivo, miras kaj cerbumas pri pli-malpli grandaj ŝajnaj mirakloj kiel la senspura malapero de homoj aŭ klopodas liberiĝi el baroj kaj katenoj kaŭzitaj de la propra memo. Troviĝas eĉ ne unu rakonto, kiun la leganto ne volus finlegi en un eksido.

La traduko estas flua kaj bone legebla kaj sukcese klopodas konservi la originalan, tipe boheman, ruze palpebrumatan tonon kaj stilon. Probable el tio, tamen, klariĝas kelkaj apartaĵoj, kiuj frapis la atenton de la recenzinto, ekz. kelkloke iom nekutima vortordo kaj, ĉefe, la ofta uzo de „ĝi" en senpersonaj kaj senobjektaj esprimoj, en kiuj la internacia lingvouzo preferas aŭ la neŭtran demonstrativon „tio" aŭ sensubjektan frazon. Sed nek tiuj apartaĵoj nek la okaza manko de la artikolo malpliigas iel la grandan plezuron de la leganto dum la legado.

D-ro Karl Schulze

Michael Lennartz

# La planlingva ideo kaj la scienc-fikcia literaturo en GDR

## 0. Enkonduko

En la scienc-fikcia literaturo de Germana Demokratia Respubliko plurfoje estas traktataj problemoj de internacia lingva komunikado. Per la ĉi-suba materialo mi volas doni superrigardon pri la metodoj kaj solvoj de la menciita demando. Pro teknikaj kaŭzoj ne eblis starigi kompleton de la koncernaj romanoj. La ĉapitro pri tradicioj nur havas kompletigan karakteron.

## 1. Tradicioj

### 1.1. Klasikaj sociaj utopioj

Dum la transiro de feŭdismo al kapitalismo estiĝis pluraj literaturaj verkoj, kiuj priskribis idealigitajn sociojn, kritikante la propran tempon. La romano de Thomas More „Utopia" donis sian nomon al la genro de sociaj profetaĵoj – utopio. En kelkaj sociaj utopioj rolis planlingvoj, do konscie kreitaj lingvoj por ĝenerala interkompreniĝo, ĉar „ideala popolo ankaŭ devas uzi idealan lingvon" (Werner Krauss). Tiuj planlingvoj laŭ funkcio tamen ne estis internaciaj komprenigiloj, sed naciaj lingvoj. Indikojn pri tio ni trovas en la antologio „Vojaĝo al Utopio" (1), el kies antaŭvorto devenas la supra citaĵo. La lingvoj listigotaj ĉi tie pleje estas filozofiaj artefaritaj lingvoj de la tipo „Ro". En „Aventuroj de Jaques Sedeur ..." (Les aventures de Jaques Sedeur dans le decouverte de la terre australe) Foigny priskribas lingvon, en kiu la litero *b* signifas ion helan, *d* ion malagrablan, malbonan. *Aab* nomiĝas la suno, *Aeb* signifas stelo. Planlingvon, kiu montras „tendencojn de ŝparemo kaj malmultigo de morfologia kaj fonetika konsisto" (Werner Krauss), ni trovas ĉe „La vojaĝoj kaj aventuroj de Jaques Massé" de De Patot (1710):

ata ... mi, ni manĝas
ate ... vi manĝas
at ... manĝi, manĝu!

Perfekta lingvo estas parolata en Ikario de Calut: „Ofte oni plendas pri tiu obstaklo, per kiu la malperfekteco kaj diverseco de la lingvoj baras la evoluon de la racio ... Jen, perfekte simpla, regula kaj racia lingvo, kiun tiel oni skribas, kiel oni parolas, kaj tiel prononcas, kiel oni skribas, kies ĉiu, el vortradikoj de la minimuma nombro derivata vorto havas perfekte difinitan signifon, kies gramatiko kaj vortaro estas tiel simpla, ke ampleksas ĝin ĉi tiu maldika volumo, kaj kies lernado estas tiel facila, ke iu ajn povas alproprigi ĝin dum 4–5 monatoj." (2, pĝ. 17)

### 1.2. Antaŭuloj de moderna scienc-fikcio

Fine de 19-a kaj komence de 20-a jarcentoj ni trovas meze de alte evoluinta kapitalisma socio la „patrojn" de la moderna scienc-fikcio: Jules Verne kiel reprezentanton de teknika fikcio, en Germanio Kurd Laßwitz ĉefe kun sociaj utopioj kaj iom poste en Anglio ekzemple Aldous Huxley skribas satire nihilismajn utopiojn. Ĉe Jules Verne ni ne trovas lingvajn problemojn.

En la romano de Huxley „Bela nova mondo" (1932) ne plu ekzistas naciaj lingvoj:

„Vi scias, kio estas la pola, mi supozas" – „Mortinta lingvo." – „Kiel la franca kaj la germana ..." (3, pĝ. 24)

Laßwitz (pron. „lasvic") estas pli progresema. En la rakonto „Ĝis la nulpunkto de la esto, rakonto el la jaro 2371", kiu aperis en GDR en 1979, ekzistas universala lingvo por ĉiutaga uzo. Tamen: „Kvankam oni dum ordinara trafiko preskaŭ senescepte uzis la nove enkondukitan universalan lingvon, oni prononcis la tenerajn sentojn de la koro per la dolĉaj sonoj de la origina gepatra lingvo ..." Aliflanke: „La grunceledo estas ... nova poezia formo ... plenumebla bedaŭrinde nur per la moderna universala lingvo ..." (4, pĝ. 7)

Tiu rakonto aperis unuafoje en 1871, do naŭ jarojn antaŭ la publikigo de volapuko!

## 2. La scienc-fikcio de GDR

Aludojn pri mondlingvo parolata en utopia komunisma ŝtataro ni trovas jam en la unuaj fikciaj romanoj de GDR, kiuj prezentas aktualigitan version de la klasikaj sociaj utopioj. Esence pli profundajn diskutojn pri problemoj de plurlingva internacia kunlaboro aperas ekde mezo de la sesdekaj jaroj. Estas proponataj tri solvoj diversvariantaj:

a) uzo de pluraj mondlingvoj,
b) peraŭtomata tradukado
c) uzo de planlingvo.

a) La aŭtoroj proponantaj la unuan solvon kompreneble ne estas konsekvencaj. Tio montriĝas klare ĉe Alexander Kröger. En „Antarktis 2020" lia heroo bonŝance ĉiam renkontas kolegojn scipovantajn germanan lingvon:

„Mi nomiĝas Pjotr. Ĉu vi estas germano? – Bone, ni parolos germane unu kun la alia. Volas mi perfektiĝi en tiu lingvo." „Jes, Germana Demokratia Respubliko", Monig diris. „Mi bezonus helpinstruadon pri rusa lingvo." (5, pĝ. 20)

– – – „Bonan tagon", li eligis ruse. „Mia nomo estas Monig. Mi ĉi tie plenumas praktikumon kaj volas anonci min ĉe kolego doktoro Lewrow." Kiel plej ofte en tiu lingvo li parolis malrapide kaj certe mispprononce. „Ĉu Germana Demokratia Respubliko? "ŝi demandis. Kaj jam la prononcado de tiuj tri vortoj perfidis, ke ŝi bone scipovis la germanan lingvon. (5, pĝ. 22)

Ofte ekzistas aŭtomatoj komprenantaj tri aŭ minimume du lingvojn:

„Tiam li spasme turniĝis kaj kuris al la lifto. Vane li serĉis la kutiman vokklavon, ĝis lia rigardo trovis oranĝkoloran plastŝildon, kiu petis grandlitere en rusa, angla kaj germana: „Voku klare, sed ne tro laŭte ‚lifto'!" ...

„Lifto!" li vokis kaj rigardis skeptike la nombroludadon sur la lumtabulo. Sed post nelonga tempo la lifto haltis antaŭ li ...

Ankaŭ ĉi tie li renkontis la akustikan vokilon. „Bonvolu nomi la nombron de la dezirata etaĝo", tie estis legebla, „sed uzu nur rusan, germanan aŭ anglan." (6, pĝ. 5 ks)

La aŭtoro de tiu libro, G. Matzke, ankaŭ poste aludis la multlingvecon de Tero:

„Jam de la unua tago Hejo (enloĝanto de planedo Pluto – ML) havis la deziron lerni nian lingvon. Ĉu vi povas imagi al vi lian surprizon, kiam ni klarigis, ke ekzistas sur Tero centoj da diversaj lingvoj. Al li tre plaĉis la rusa lingvo, do ni instruis ĝin al li." (6, pĝ. 140 ks)

b) Aŭtomatajn tradukilojn la aŭtoroj priskribas sufiĉe ofte, sed preskaŭ ekskluzive por la komunikado kun neteruloj. Tiel oni ekzemple interparolas kun Ayöroj, la progresemaj enloĝantoj de planedo Transpluto:

„... du malgrandaj, metale brilantaj aparatoj ... rondaj, grandaj kiel kolomba ovo ... Tiuj estas tradukiloj. Vi povas interparoli kun ĉiu Ayör kaj komprenos liajn vortojn." (7)

Alte evoluintan lingvoaŭtomaton prezentas ankaŭ G. Krupkat: „La automato eestis programita je pluraj lingvoj. El mia erara franca prononcado li tuj eltrovis sonelementojn de le germana lingvo kaj respondis germane." (8)

Ĉe C. Letsche aŭtomataj tradukiloj estas nur transira solvo. Tio postrestaĵo rolas en „La viro el la glacio": „Ĉimomente Aŭriol malkovris la malgrandan keston similan al binoklo kaj la etan membranon kroĉitan al la orelo.
Antaŭ la enkonduko de la mondlingvo Transling, ekde naŭdek jaroj ĝenerala lingvo, tia tradukilo estis kutima. En la iamaj etnaj lingvoj oni interparolis jam nur interne de familioj, kaj la plej junaj jam havis malfacilaĵojn kompreni kelkajn vortojn." (9, pĝ. 55)
En antaŭa romano la sama aŭtoro uzis similan ideon: „Li sin turnis al la kunveno en la normlingvo, kiu ekde jardekoj estis kutima ankaŭ en scienco kaj preskaŭ forpelinta la antaŭajn mondlingvojn." (10, pĝ. 19)
Tiajn pensojn ni trovas ankaŭ ĉe W. Weitbrecht. Li komprenas la enkondukon de mondlingvo kiel politikan akton plenumatan de Unuiĝintaj Nacioj:
„Interlingua estis ceremonie enkondukita kiel mondlingvo de UN en la jaro 2000. En ĉiuj landoj ĝi estis instruata kiel unua fremda lingvo, kun latina alfabeto. Por UN estintis pli facile proponi ‚artefaritan lingvon', kiu enhavis elementojn de ĉiuj lingvogrupoj, ol ekzemple la angla aŭ rusa. Kaj nun oni apenaŭ konsciis, ke ne ekzistis popolo, kies gepatra lingvo estis Interlingua." (11, pĝ. 9 ks)
Alian tutmondan lingvon Weitbrecht mencias kaj eĉ uzas en la rakonto „La malnova patrio":
„Antaŭ la Formigrado jam ekzistintis unueca mondlingvo, Lingua universa. Sed ĝi evoluis kaj ŝanĝiĝis dum la pasintaj dek ok jarcentoj ... Al la dudek kvin viroj sonis strange fremde, tamen iel konate, kiam tiu teksto en la malnova Lingua universa estis registrata per bendo. Tiam ili konektis la mikrofonojn kaj eksterajn laŭtparolilojn kaj funkciigis la bendon.
‚Bratelli! Nos venemos...' preskaŭ moŝte sonis tra la mateniĝo." (16, pĝ. 122 ks)
Ankaŭ en la plej nova romano de Weitbrecht – Stelo de patrinoj – lia Interlingua aperas: „La unueca mondlingvo estis parolata sur la terglobo nun jam ekde tri generacioj ..." (18, pĝ. 41)
Tra la tuta libro ĝi plurfoje estas menciata; por tio du ekzemploj: „Nu, la nekonatino restis, ŝi rapide lernis la hispanan kaj ankaŭ iom da Interlingua, rigardis la ĉirkaŭaĵon, petis, ke oni metu televidilon en ŝian ĉambron, kaj ŝajne intencis pli longan restadon ..." (18, pĝ. 23) – „La unua voĉo vere estis tiu de Radescu, ĉar li parolplenigis la memorilojn de la tradukaŭtomatoj en Interlingua ..." (18, pĝ. 266)
c) La ĵus cititaj aŭtoroj mem inventis internacian planlingvon. Sed ja tiucele jam ekzistas Esperanto. Eble la unua, kiu uzis tiun lingvon en GDR-sciencfikcio, estas E. del Antonio. Esperanton li mencias minimume en tri romanoj, tiel en „Titanus" kaj en ties daŭrigo „Reveno de la praŭloj". En la laste nomita romano la homa socio pasigis renovigan proceson, dum kiu ankaŭ la lingvoj estas ŝanĝataj.



*Sceno el la germana-pola sciencfikcia filmo „La silenta stelo".*

Foto: Zentralbild

„Roman kapjesis esprimive. Esperanto estis nekonata al la hodiaŭaj homoj, ilia televizio laboris per aliaj bildfrekvencoj kaj impulsoj ..." (12, pĝ. 70)
„Dum la tago li havigis al si lingvistikan aŭtomaton ... dum sekundoj lumradioj skribis la tekston en la interlingvo sur fotofolio." (12)
En la romano „Titanus" li aludas Esperanton. Li ne priskribas la kaŭzojn por la uzo de tiu lingvo, sed skribas pri ĝi kiel memkompreneblaĵo:
„Sed la aŭskultantoj en la salono ne perceptis tion. Ili atendis, sorĉkroĉitaj de la kuraĝaj pensoj de Nasarow, liajn pluajn vortojn, alĝustigis – se ili ne komprenis Esperanton – la malgrandajn orelaŭskultilojn, el kiuj denove eksonos la parolado de Nasarow tradukita en ilian gepatran lingvon." (17, pĝ. 12)
Lingvan ekzemplon por Esperanto P. Gosse donas en la rakonto „Fabela eskalacio". Bedaŭrinde tiu specimeno estas tute inventita:
„Have wir fasching", Mirsawoh demandis sian najbaron en la speco de Esperanto, kiu estas parolata en lia regiono." (13, pĝ. 312)
Pledas por Esperanto, pli ĝuste por iu reformita Neo-Esperanto, ankaŭ H. Prüfer. Specimene li skribas „Uniona Astronaŭtika" (14, pĝ. 14) kaj komentarias:
„Fine de la dudeka jarcento la scio de homaro estis tiel kreskinta, ke oni ne plu povis malŝpari tempon kaj forton de la junuloj per la nekrea babilado de pluraj mondlingvoj ... Tiel evoluis nia Neo-Esperanto, kiun oni nun jam de jardekoj instruas devige en la lernejoj de preskaŭ ĉiuj ŝtatoj ... Iuj eĉ asertas, ke tiu artefarita lingvo forpelos la naciajn lingvojn dum antaŭvidebla tempo, ĉar ĝi jam nun montras esencajn trajtojn de vivanta lingvo.
Sen Neo-Esperanto eblintus nek nia ekspedicio nek tiu de Ikarus. Ĝi estas nia ĉiutaga lingvo. Ni ne povintus preni kun ni seson da tradukantoj kiel balaston!" (14, pĝ. 15)
Tute alie P. Lorenz. En lia romano „Humunkuli" li nenie parolas pri Esperanto, sed uzas la nociojn „Usonodollar" (= usona dolaro) kaj „mondnovaĵoj" (kiel nomo de gazetara oficejo). Li certe estas la ĝis nun unusola verkinto en GDR, kiu mem parolas Esperanton.

## Fontoj


1 – Reise nach Utopia. Französische Utopien aus drei Jahrhunderten. Berlin 1964
2 – Calut: Voyage en Icarie. Paris 1845. *en*: Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado. Budapest 1978
3 – A. Huxley: Schöne neue Welt. Berlin 1978.
4 – K. Laßwitz: Bis zum Nullpunkt des Seins. Berlin 1979.
5 – A. Kröger: Antarktis 2020. Berlin 1973.
6 – G. Matzke: Projekt Pluto. Berlin 1976.
7 – L. Weise: Das Geheimnis des Transpluto. Berlin 1962.
8 – G. Krupkat: Nabou. Berlin 1968.
9 – C. Letsche: Der Mann aus dem Eis. Rudolstadt 1970.
10 – C. Letsche: Verleumdung eines Sterns. Rudolstadt 1968. 2. eld.
11 – W. Weitbrecht: Stunde der Ceres. Rudolstadt 1975.
12 – E. del'Antonio: Heimkehr der Vorfahren. 7. eld. Berlin 1978.
13 – P. Gosse: Fabelhafte Eskalation. *En*: Die Tarnkappe. Berlin 1978.
14 – H. Prüfer: Planet der Träume. Halle 1973.
15 – P. Lorenz: Homunkuli. Berlin 1978.
16 – W. Weitbrecht: Die alte Heimat. *En*: Das Psychomobile. 2a eld. Rudolstadt 1978.
17 – E. del'Antonio: Titanus. 7a eld. Berlin 1969.
18 – W. Weitbrecht: Stern der Mütter. Rudolstadt 1980.

Canko Murgin

# L.-L. Zamenhof pri la interna ideo de la esperantismo

## 1. La interna ideo kiel planlingva unuigo de la nacioj en unuecan homaron

Unu el la esencaj komponentoj en la tradicia ideologi-arsenalo de Zamenhof estas la tiel nomata „interna ideo" de la esperantismo (aŭ de Esperanto). Kio ĝi estas, de kie ĝi venas kaj kiaj estas ĝiaj funkcio kaj destino?

La interna ideo estas speco de ideologio en la E-movado dum la komencaj 18 jaroj (1887–1905). Ĉin Zamenhof derivis el la internacilingva ideo[1] pri unu komuna planlingvo enkondukota *nur* en la eksterajn rilatojn inter la nacioj kaj ŝtatoj de la tuta homaro. Li enorme trograndigas la planlingvan influon por solvo de la fundamentaj soci-problemoj en la internacia vivo. Zamenhof atribuas al la interna ideo efikon de panaceo kontraŭ la sociaj difektoj de kapitalismo. Li supozas, ke paralele kun la disvastigado de Esperanto en la internacia sfero el ĉiu interkonsiliĝo kreskos firma interkonsentiĝo far de la nacioj kaj ŝtatoj. La efekto el tiu grandskala kaj stabila interkonsentiĝo estos la malebligo de la militoj kaj starigo de eterna paco en la internacia vivo. Sekve de tio estos solveblaj ĉiuj aliaj soci-problemoj. Tial la interna ideo estas konsiderata kiel esperantista pacifismo.

Esplorante pri la genezo de la interna ideo la hungara historiisto A. Ratkai venis al konkludo, ke ĝi unue estiĝis kiel volapukaĵo[2]. Tutcerte tamen tiu aserto estas malĝusta, Volapuko aperis en 1879–1880. La Zamenhofa intern-ideo naskiĝis unu jaron pli frue ol Volapuko mem. En decembro 1878 ĝi estis jam formulita en la frua redakcio de Esperanto, konata sub la nomo „Lingwe Universala", kies finpretigon Zamenhof festis kune kun grupeto de diversnaciaj samklasanoj en sia hejmo. Tiam ili kantis kune:

„Malamikete de las nacjes
kado', kado' jam temp' esta'.
La tot' homoze in familje
konjugare so deba'"[3].
(„Malamikeco inter nacioj
falu, falu jam estas temp'.
La tut-homaro en familion
devas unuigi sin".)

El tiu kvarversa strofo oni konkludas, ke la gimnaziano Zamenhof malbene kondamnas la ŝovinisman malamon inter la nacioj kaj ŝtatoj, anoncante samtempe la historian neceson pri unuigo de la homaro en unu familion. Tio estas fakte la unua konata al ni provo de Zamenhof por difini la esencon de la interna ideo, nome: Dank' al enkonduko de iu planlingvo en la sferon de la internaciaj kaj interŝtataj rilatoj la interkonsiliĝo ĉiam kreskos al interkonsentiĝo dum traktado inter la nacioj kaj ŝtatoj. Tiamaniere la kolizioj kaj eĉ la militoj fariĝos komplete eviteblaj por ĉiam.

Sian pacifisman mondkoncepton Zamenhof plej elokvente kaj sinteze esprimis en la konata poemo „La Espero" (1891), kiu poste fariĝis himno de la ĝenerala E-movado, vokanta la homaron: „Ne al glavo sangon soifanta". La esenca kerno tamen estas formulita en la versoj:

„. . . komprenante unu la alian
la popoloj faros en konsento
unu grandan rondon familian".

Tiel Zamenhof levas iom la randon de la kurteno por oficiale konigi, ke li ne estas sole „nur"-esperantisto kaj „nur"-adepto de la internacilingva ideo, sed estas ankaŭ subtenanto de la interna ideo de esperantismo, alivorte estas portanto de specifa pacifisma idealo pri unuigo de la homaro en „unu grandan rondon familian" per kreskanta uzado de Esperanto en la internaciaj kaj interŝtataj rilatoj.

La aŭtoroj G. Demidjuk[4] en 1927, E. Drezen[5] en 1929 kaj D. Blanke[6] en 1978 atribuas al la interna ideo koheran funkcion inter la unuaj adeptoj de la Lingvo Internacia. Feliĉe tiel estis ne nur dum la starto de Esperanto, sed ankaŭ poste en daŭro de dekkelkaj jaroj dum la E-movado estis miniatura. Tamen ekde 1905 pli kaj pli manifestiĝis la denaska degenero de la esperantista pacifismo. Neniu lingvo kiel tia posedas kvaliton por starigi harmoniajn rilatojn inter la nacioj kaj ŝtatoj. Krom tio la radikoj de la internaciaj kaj interŝtataj rilatoj staras ekster la limoj de la internacia sfero. Ili kreskas en la interno de ĉiu aparta nacio. Zamenhof tamen anticipe eliminas la analizon de la interna ekonomika strukturo de iu ajn nacio. Nun ni ne traktas, kiaj estas liaj konsideroj, sed dank' al tiu sinlimigo li ne sukcesis ekspliki la efektivajn kaŭzojn pri la militoj kaj pri la malnormalecoj en la internacia vivo.

La esenco de la internaciaj kaj interŝtataj rilatoj dependas de la dominantaj internaj rilatoj inter la sociaj klasoj en ĉiu aparta nacio kaj ŝtato. Ĉe kapitalismo la internajn interklasajn rilatojn t.e. la ekonomikan strukturon de la nacio karakterizas la dominado far de la ekspluatistaj kapitalistoj kaj subpremado kontraŭ la ekspluatataj laboristoj. Nome:

sur tiu grundo de maljusteco inter la fundamentaj soci-klasoj kreskas la radikoj de nenormalaj kaj konflikte eksplodemaj rilatoj: (1) inter la soci-klasoj interne de ĉiu nacio kaj el tio ĝermas la revolucioj de la ekspluatataj kaj subpremataj; (2) inter la kapitalistoj de diversaj landoj por supereco kaj influo, kaj el tio fontas la militoj inter la nacioj. La gvidaj kapitalistoj de iu nacio en certa momento sin sentas pli fortaj ol siaj „kunfratoj laŭ klaso" en alia lando kaj ili malkontentas de la fakto por dominado nur en sia propra lando. Tial ili ekstrebas akiri plion. Ili arogas al si la rajton vastigi sian regadon kaj influon ankaŭ super alia nacio aŭ ŝtato, por ke ili havu je sia dispono por ekspluati: (1) plian homan laborforton; (2) plian merkaton por siaj varoj; (3) novajn fontojn de energi- kaj krud-materialoj. Tiamaniere pro la egoismaj klas-celoj de la diverslandaj imperiistoj naskiĝas la uzurp-militoj inter la nacioj kaj ŝtatoj, sed samtempe kreiĝas favoraj situacioj pri revolucio kontraŭ la kerno mem de la imperiisma ekspluat- kaj uzurp-sistemo.

La daŭraj strebo kaj klopodo de Zamenhof por solvo de la internaciaj kaj interŝtataj ĉef-problemoj per planlingva unuigo de la nacioj kaj ŝtatoj en koheran homaron estas klasika modelo pri paralogismo. Ties intenco estas bonega, sed li sin direktas laŭ vojo ne kondukanta al realigo de la noble starigita celo. Zamenhof konjektis pri sia erar-vagado en 1805, sed nur post aro da diversaj instigoj en 1904 li komencis ĝin parte superi apenaŭ ekde 1905.

Kvankam la agado de Zamenhof por strikta plibonigo de la internacia vivo restis tiutempe preskaŭ sen pozitiva rezulto ni tamen devas agnoski ties praktikan iniciaton enkonduki la pacideon en la E-movado ekde ties starto (1878–1887), kiam: (1) la internacie organizita laborista movado por socialismo paŭzis (1874–1889) ekde sinlikvido (fakte en 1874, formale en 1876) de la 1-a Internacio, post la malvenko de la Pariza Komuno (1871) ĝis la nominala fondiĝo de la II-a Internacio (1889); (2) la koloniismaj militoj de Britlando, Francio, Germanio, Italio, Hispanio, Japanio, Usono, Portugalio k.a. daŭre flagris diversloke en Afriko, suda kaj orienta Azio, Latina Ameriko kaj Oceanio; (3) la liber-konkurenca kapitalismo cedis iom post iom sian lokon al la monopolema imperiismo (1871–1900) kaj komenciĝis la uzurp-militoj inter la koloniismaj imperioj por redistribuo de la kolonioj: eksplodis la militoj usonhispana por Kubo (1898), angla-bura en suda Afriko (1899), rusa-japana (1904) k.a.

La MEM-anoj, la esperantistaro el la landoj de la reala socialismo kaj la progresemaj esperantistoj el la cetera parto de la mondo estas legitimaj heredantoj ne nur pri la Lingvo Internacia, sed ankaŭ pri ĉiu racia grajneto el la Zamenhof-ideologio. Feliĉe tiaj grajnetoj ekzistas kelkloke inter la amasega balasto kaj nun ili servas al ni kiel kunliganta premiso kaj apog-punkto por motivi la genezon de la ligiteco inter la plej frua pac-ideo (esperantista pacifismo), kiu ludis koheran rolon dum dekkelkaj jaroj inter la unuaj E-pioniroj kaj la nuntempa pacdefendo de la esperantistaro batalanta kontraŭ la incitantoj de imperiismaj militoj, por mondo vere nova, sen militoj, sen malsato, sen ekspluato de homo kontraŭ la homo.

En 1895 la aŭtoro de Esperanto bilancis la rezultojn el la eventoj dum la mallonga historio de la E-movado kaj li amare konstatis, ke la paciga funkcio de Esperanto estas ĥimera. Zamenhof atendis starigon de paco inter la popoloj kaj ŝtatoj, sed samtempe li estis ege surprizita pro manko de paco, konkordo kaj kunlaboro inter la esperantistoj mem.

En 1889–1890 eksplodis la unua granda interna krizo en la ĵus naskiĝinta E-movado. Christian Schmid kaj la prezidata de li „Mondlingva Klubo" en Nurnbergo suferis sub pezo de grandaj perdoj kiel eldonantoj de la internacia presorgano „La Esperantisto" pro manko de sufiĉa abonantaro. Tial ili iniciatis starigon de organizo „Internacia Esperantista Ligo, por ke la deficito estu distribuata inter ĉiuj aktivaj, konsciaj kaj organizemaj esperantistoj. Zamenhof kaj multaj aliaj (inkluzive de la E-Klubo en Sofio, Bulgario) entuziasme aprobis kaj subtenis tiun savan solvon per starigo de organizita E-movado, sed iuj esperantistoj malkonsentis kaj protestis. Por stuki la aperintan fendegon Zamenhof retiris sian apogon disde la „Internacia E-Ligo" kaj ties fondiĝo fiaskis. Rezulte de tio li mem sin engaĝis per la plua eldonado de „La Esperantisto", sed li sukcesis elteni nur en daŭro de 15 monatoj (de oktobro 1890 ĝis decembro 1891).

En 1894 eksplodis nova interna krizo. Ĉin provokis la esperantistoj eksvolapukistoj, kiuj per drastaj disputoj, intrigoj kaj minacoj postulis reformon por rebonigi Esperanton. Ili, puŝataj de volapukista fuŝ-kutimo, deziris altrudi sian reformemon ankaŭ al la ceteraj esperantistoj. Ĉio ĉi instigis al Zamenhof denove ekdubi pri la pozitiva efekto el la paciga efiko de la E-funkciado. Kaj en 1895, post abrupta malpermeso pri disvastigo de gazeto „Esperantisto" en Rusio Zamenhof decidis revizii fundamente sian starpunkton. La rezulto estis dudirekta: 1. Teorie Zamenhof klopodas reveni al stabila tereno, al la realisma, „primara", internacilingva ideo, ke Esperanto estas nur rimedo pri interŝanĝo de pensoj kaj ideoj, nur „ponto" inter la nacioj kaj ŝtatoj. Kaj plue por unuigi tiujn en koheran homaron de egalrajtaj nacioj oni bezonas novan, pli taŭgan kaj pli efikan doktrinon (ol la „inerta" interna ideo), kiu devas cirkuli de lando al lando tra la ponto „Esperanto" por konvinkadi kaj varbi novajn adeptojn. Tiurilate Zamenhof faris novan paŝon al pli alta nivelo de sia ideologia disvolvo. 2. Praktike tamen Zamenhof samtempe faris novan, jam grandegan eraron, pledante por religi-politika doktrino en personeco de hilelismo, kiel koher-ideologio. En tiu rilato li neniom sukcesis. Hilelismo renkontis energian malaprobon eĉ inter la hebreoj mem (A. Kofman el Odeso k.a.) por kiuj ĝi estis plejparte destinita (1901).

Poste pri la interna ideo Zamenhof silentas dum dek jaroj (1895–1904), sed fakte ĝi plue ekzistas pro la frua malsukceso de hilelismo. En la lasta jaro de tiu jardeko (1904) okazis kelkaj tre gravaj eventoj: (1) La 8-an de februaro 1904 eksplodis la rus-japana milito. (2) Komence de tiu sama jaro aperis en Peterburgo nova, tre fervora esperantisto – d-ro Asnes. Li ellernis rapide Esperanton (3) kaj post unu monato li eĉ fariĝis sekretario de la „Espero", Rusio Societo Esperantista kun sidejo en Peterburgo. (4) El lia propra leter-konfeso de tiu epoko (1906) ni ekscias, ke li estis inspirita kaj entuziasmigita de la „noblaj ideoj" de Zamenhof (la internacilingva kaj la interna ideoj), (5) tiel li fariĝis ne nur esperantisto, sed ankaŭ aktiva batalanto kontraŭ la despotisma regsistemo de la caro. (6) Sekve de tio d-ro Asnes „ne povis foriri flanken de la politika vivo" kaj komencis politikan bataladon: (a) *kontraŭ* la registaro de Rusio, „kies devizo estas nur sufokadi kaj mortigadi eĉ ĉian viveman penson"; (b) *por* liberigo de la „malsata kaj malriĉa popolo"[7]. Evidente d-ro Asnes ne estis sola inter la rusiaj esperantistoj, kiuj partoprenis la batalon kune kun la ceteraj popolfortoj kontraŭ la absolutismo, por egalecoj politika, ekonomika kaj kultura.

En tiu momento de hezitado inter la interna ideo (E-pacifismo) kaj iu „nova" kaj „moderna" religio Zamenhof ricevis sugeston pri pli bona ir-ebleco. Je la 9-a (22-a) de februaro 1904 la bulgaro Penko Petrov, el u. Jamblo, aliĝinta oficiale al Esperanto en 1899 sub n-ro 4774, skribis al Zamenhof: „... mi arde subtenas kaj subtenos la Lingvon Internacian, sed mi opinias, ke Esperanto efektiviĝos nur post kiam estos detruita la *nuna* sociordo kaj anstataŭ ĝi estos konstruita *nova* sociordo, kiu garantios kiel la politikan tiel ankaŭ ekonomikan egalecojn de la homaro – nur tiam estos grundo por la Lingvo Internacia. Sed mi ne diras, ke nun ni ne laboros por Esperanto, ne, Estimata Doktoro, sed ni ankaŭ pere de nia *alia* laboro faciligos la alvenon de tiu ĉi *granda* tago – (alvenon de) la regno de la sociala demokratio – kaj tiam ni kune ekkrios: Vivu socialismo, vivu Esperanto!"[8] (elstarigoj miaj: C. M.). Penko Petrov estas ne nur la unua esperantista socialdemokrato en Bulgario, sed ankaŭ la unua inter la revolucia so-

cialdemokratoj en la tuta mondo, kiu atentigis tre klare, bonintence kaj sufiĉe frue antaŭ la I-a UK de Esperanto (1905) la aŭtoron de la Lingvo Internacia pri la „alia" laboro t.e. pri la liberigo de la laborista klaso el subpremo kaj el ekspluato. Intertempe en Rusio eksplodis la demokratia, kontraŭ-imperiisma revolucio (1905–1907), kiun plej energie partoprenis la Rusia Socialdemokratia Laborista Partio (bolŝevistoj), sub gvidado de V. I. Lenin. Ĉio ĉi en certa grado influis pozitive al Zamenhof. Post longa pripenso kaj konsiderado li estis inspirita kaj versis (responde al Penko Petrov) malrekte, sed publike kaj pozitive, kun etendita mano:

„Ni inter popoloj la murojn detruos
kaj ili ekkrakos kaj ili ekbruos,
kaj falos por ĉiam, kaj amo kaj vero
ekregos sur tero"[9].

Pri la esenco kaj signifo de tiu ĉi poeziperleto el la fino de la poemo „Preĝo sub la Verda Standardo" mi jam havis okazon detale klarigi miajn vidpunkton[10], sed nun mi ŝatus iom kompletigi, ke ĝi atribuas en certa grado eĉ tute novan nuancon al la enhavo de l'poemo.

Resume mi aldonu, ke Zamenhof oficiale ne sukcesis progresi plue per propraj fortoj kontraŭ la rigideco de ŝablono, kiu lin limige ĉenis. Li fakte, en tiu sama momento, ne povis superi sian eraran pozicion de esperantista pacifismo (interna ideo) pri la paciga efiko el la E-funkciado (1887 ĝis 1905). En la Unua Libro (1887) Zamenhof pledas pri enkonduko de Esperanto en la internacian vivon, inkluzive en la interno de ĉiu ŝtato, kies loĝantaro estas plurnacia kaj diverslingva[11]. En la Deklaro pri ... Esperantisto (1905) li ripetas la saman pledon. Post nelonge tiu doktrino profunde fendiĝis (1906).

Tiel finiĝis la unua, la „klasika" stadio en la disvolvo de la interna ideo (esperantista pacifismo).

## 2. Unuigo de la homaro per frateco kaj justeco inter la nacioj

La dua stadio de la interna ideo estas mallonga. Ĝi ampleksas la daŭron de sep jaroj (1906–1912). Dum tiu periodo Zamenhof starigis tre aplomban pledon favore al la interna ideo, plejparte en siaj kongresparoladoj, kvankam dum tiu stadio li konsiderinde reduktis la pacigan efikon de la interna ideo en senco, ke ĝi ne faros el la homoj anĝelojn[12]. La vervo per kiu Zamenhof defendas la ekzistorajton de la interna ideo, precipe en la jarduo (1906–1907), estas tiom intense densigita, ke ĝi aludas amasbombadon ... kontraŭ malamikoj. Tiu defendo estas siaspeca popularigo de la interna ideo, sed laŭ senco kaj stilo ĝi estas nekutima, enigma, pensiga. La pledo por la interna ideo aperas haste, preskaŭ subite, ĝi brilas enorme nur dum kelkaj jaroj kaj denove dronas en forgeson. Tiuj fragmentoj el la Zamenhof-paroladoj, defende al la interna ideo, estas efektive raraj perloj de la E-retoriko. Kiaj estas la atributoj de la renovigita interna ideo?

La interna ideo de la dua stadio estas kompleksa kaj komplika, tial – malfacile difinebla. Ĝi ne identas senescepte kun la iama intern-ideo, kiu naskiĝis kun Esperanto, fidele ĝin akompanis kiel korpogardisto kaj pli malpli ĝin priservis ĝis la jaro 1895. Post tiu jaro la interna ideo estis provizore minacata pro konkurenco far de tre pretendema rivalo – la hilelismo, kiu tamen estis efemera kaj nevivipova. La hilelismo estis detale formulita dum la jaroj 1896–1900 kaj libroforme aperis en 1901. Tamen laŭ volo de Zamenhof mem tiu libro restis nedistribuita, nedisvastigita inter la legantaro. Tiel la hilelismo estis sarkita ekde naskiĝo kaj la interna ideo de la unua stadio daŭrigis funkcii sen konfuzo kaj ne plu ĝenata ĝis la jaro 1905.

La fruan intern-ideon, kiu estas esperantista pacifismo alte ŝvebanta kaj sen reala fundamento, oni aprezas kun pardonema indulgo. Eĉ pli, oni ĝin ŝatas romantike nur pro tio, ĉar ties apero heroldas ĝenerale pri la naskiĝo de la pac-ideo inter la esperantistoj, krome ankaŭ pro tio, ĉar ĝi estas kvazaŭ ĝemelo de la populara kaj tre vivkapabla internacilingva ideo, kaj oni ne ĉiam povas ilin sukcese distingi unu disde la alia.

La interna ideo de la dua „eldono" (1906–1912) havas minimume tri memstarajn facetojn, aŭ ĝi entenas trisencan validon:

1. La unua senco de la renovigita interna ideo daŭre estas la tradicia esperantista pacifismo, kiu tamen kune kun la tolstojismo[13] fariĝis ekde 1905 ne plu aktuala, jam politike bremsanta la liberigan batalon de la popoloj. Sed eĉ dum tiu periodo en la manoj de Zamenhof tiu esperantista pacifismo trafe servas iufoje kiel *legitima* armilo (kvankam malnova) kontraŭ la sovaĝa kaj socie tro danĝera ŝovinismo-militarismo de la monopolemaj militincitantoj. Do temas ĉi tie pri pozitiva rolo en tute sporadaj kazoj de konkreta kaj socie utila aplikado de la esperantista pacifismo, fiksitaj kiel popola saĝo internacia en la proverbo: „Kojnon per kojno oni elbatas".

Ĝenerale tamen la E-movado kune kun sia interna ideo (esperantista pacifismo) estis ĝis la jaro 1905 unu el la internaciaj movadoj kun progresema tendenco en sia disvolvo. Ĝi ankaŭ aldonis sian modestan kontribueton al la problemo pri revizio por rekonstruo de la internaciaj kaj interŝtataj rilatoj konforme al la principoj de amikeco kaj frateco, bazitaj sur justeco kaj egaleco de ĉiuj rasoj kaj nacioj. Tamen la esperantista pacifismo, reaperinta en la epoko de la kontraŭimperiismaj revolucioj (kiu epoko komenciĝis per la demokratia revolucio en Rusio 1905–1907) estas politike anakronisma kaj ideologie misgvida. Tia estas la dialektika esenco de la tiusenca interna ideo.

La revoluciaj eventoj en Rusio pruvis konvinke al Zamenhof la decidemon de la revoluciaj laboristoj kaj aliaj malriĉaj popoltavoloj ne nur rezisti, sed ankaŭ batali persiste kontraŭ la senrajteco, kontraŭ la malfavoraj kaj plue malboniĝantaj vivkondiĉoj ĉe la despotisma duonfeŭda sistemo de regado-ekspluatado kaj samtempe evidentigis la vanecon pro la jam malnoviĝintaj pacifismaj klopodoj. Kaj Zamenhof ne restis inerte indiferenta al la ĵus aktualigitaj de la historio soci-konfliktoj. Li rompis la pacifisman ŝelon kaj eliris el ĝi[14]. Iom post iom Zamenhof sin distancigis disde la pozicio de L. N. Tolstojo. En sia plua analiza esplorado kaj sinteza konsiderado li, kontraŭ al Tolstojo, esprimis politike – eĉ ĉe internacia forumo – kortuŝan simpation (1906) al la demokratia revolucio en Rusio (1905–1907)[15], dediĉis certan atenton al la organizita laborista movado, al la laboristaj politik-bataloj, kondamnis la rasismon, la politikan subpremadon kaj la ekspluatadon de homo kontraŭ la homo, ekrilatis al la pac-problemoj konkrete, el kontraŭŝovinisma kaj kontraŭimperiisma pozicio kaj eĉ iom malkaŝas sian simpation al la socialismo[16].

2. Krom tio la vort-kombino „interna ideo" de tiu sama epoko estas enkondukita kaj uzata de Zamenhof kiel sinonimo de homaranismo. Tio okazis ĉar la esperantistaj gvidantoj el la Centra E-Oficejo en Parizo, LoKoKo en Svislando (1906) kaj en Britlando (1907) forstrekadis kun decidemo de l'ĥirurgo ĉiun frazon, ĉiun fragmenton de teksto aŭ eĉ tutajn paĝojn el la projekto pri kongresparoladoj de Zamenhof[17]. Poste oni redonis la draŝitan tekston al la aŭtoro, por ke tiu reverku sian manuskripton laŭ la tre evidenta ruĝkrajona instrukcio. Korektante siajn kongresparoladojn Zamenhof tie kaj alie restarigadis la jam sarkitan tekston, sed substituante la vorton „homaranismo" per la vort-kombino „interna ideo" aŭ verkante tute novan kunligantan tekston, evitante mencii la „homaranismon" laŭ la jam supre indikita maniero[18].

Zamenhof disponigas tiurilate plian pruvon. Li diras, ke la interna ideo kaj la neŭtrala religio (homaranismo) ne estas identaj, tamen ili estas tre parencaj[19]. En 1906 Zamenhof difinas jen laŭ la sama jen laŭ preskaŭ la sama maniero ambaŭ nociojn: (a) la interna ideo estas „frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj"[20]; (b) la homaranismo celas „ebligi intergentan justecon kaj fratecon al tiuj tre multaj personoj, kiuj ĝin deziras ..."[21] aŭ la homaranismo estas bazita sur la „principoj de la reciproka frateco, egaleco kaj justeco"[22].

La metodoj de la interna ideo kaj de la homaranismo por atingi sian celon estas identaj, evoluismaj: „iom post iom", „paŝo post paŝo" ktp., tamen laŭ enhavo la interna ideo kaj la homaranismo di-

ferencas inter si unu disde la alia nur fragmente. Ĉe tia cirkonstanco la sinonimado inter ili estas tute korekta. Tiamaniere Zamenhof trovis solvon paroli parabole por propagandi la esencon de la homaranismo sub la flago de la pli akceptebla kaj pli konata interna ideo. Ĉe Zamenhof tia popularigo de la homaranismo (sinonima al la interna ideo) estas nur etapo en sia esplorproceso dum la serĉado de konvena ideologio por la E-movado. Post lia morto (1917) iuj sociaj movadoj kaj organizaĵoj spekule misuzis tiun esplor-momenton en la vivo de Zamenhof pro siaj grup-egoismaj konsideroj por propraj utilo kaj celo. Ili senceremonie neglektas la fakton, ke Zamenhof fondis nek politikan partion nek religian sekton, sed des pli grave li konjektis, aludis kaj laboradis por esperi pri alia, eĉ pli bona solvo de la sociaj problemoj.

3. La tria senco de la renovigita interna ideo estas „ŝelo sen enhavo" aŭ „sako plenŝtopita per balasto". Pri tio Zamenhof iom flustris en 1906 dirante: „Por eviti ĉiun malpacon la esperantistoj decidis *lasi al ĉiu plenan liberecon, akcepti la internan ideon* de la esperantismo *en tiu formo kaj grado kiel li mem deziras aŭ – se li volas – eĉ tute ne akcepti* por la esperantismo *ian ideon*"[23] (elstarigoj miaj: C. M.).

Resume, jam komence de la dua stadio en la disvolvo de la interna ideo (1906–1912) Zamenhof kolektis ĉiujn ismojn fakte aŭ ŝajne ligitajn al Esperanto kaj al la E-movado sub la flago de la interna ideo, inkluzive de la internacilingva ideo aŭ ideo de la Lingvo Internacia, kiel kutime iam diris Louis de Beaufront.

Ne nur tio, Zamenhof lasis la pordon malfermita. Tiu tro larĝa senco de la interna ideo estis ege necesa al la aŭtoro de Esperanto dum li okupis oficialan postenon de Esperant-movada gvidanto. Post kiam Zamenhof liberiĝis disde tiu respondeca posteno (1912) li ĉesis entue uzi la vortkombinon „interna ideo", ĉar ĝi perdis sian „klasikan" sencon kaj ne sukcesis denove sin legitimi en la vivon pro sia enorma ŝveliĝo.

## 3. Per forigo de regado far de unuj nacioj super aliaj nacioj – al unuigita homaro!

Dum la lastaj kvin jaroj (1912–1917) de sia vivo Zamenhof deziris private entrepreni ion grandskalan por progresigi la idean bazon de la E-movado. Laŭ iniciato de germano loĝanta en Svislando kaj per helpo de hispano aperis nova kompletigita kaj relaborita eldono de la platforma verko: „Deklaro pri la homaranismo", en Madrido, 1913. En la antaŭparolo de tiu verko Zamenhof deklaris, ke li aperigis ĝin nur por konigi sian starpunkton, responde al demandoj donitaj al li far de esperantistoj. Fakte tiu eldono estis la unua paŝo reale farita ne nur por popularigi la principojn de la homaranismo, sed ankaŭ por fondi homaranisman E-organizon. Tuj poste (1913–1914) Zamenhof sondis ĉe amikoj pri ties opinio rilate al la principoj de la homaranismo kaj pri eventuala partopreno kiel fondintoj de la starigota organizo. Liaj fidelaj amikoj el la E-movado unu post alia delikate rifuzis partopreni la iniciatan komitaton.

Kaj tamen la preparlaboroj por fondo de homaranisma E-organizo kvankam malrapide, sed progresis. La fondo estis okazonta en Parizo, dum la X-a UK de Esperanto, komence de aŭgusto 1914. Tamen la subita eksplodo de la unua imperiisma mondmilito ruinigis ĉiujn planojn. Se oni komparus la tekstojn de la homaranisma platformo de 1906 kun tiu de la jaro 1913 oni konstatas aperon de kelkaj gravaj kompletigoj en la nova eldono, sed ankaŭ en tiu ne estas formulita la kompleta koncepto de Zamenhof pri la mondaj soci-problemoj. Tio okazis, ĉar Zamenhof loĝis en despotisma lando de caro kaj li devis konsideri pri eblecoj por plua laŭleĝa agado. Zamenhof havis pli radikalan kaj pli perfektan koncepton pri solvo de la soci-problemoj ol tion atestas la teksto de la platformaj principoj de homaranismo. Al tia juĝo tre multe kontribuas privata letero de Zamenhof, skribita en junio 1914 responde al invito partopreni la fondon de la Hebrea E-Ligo. La aktive defendata koncepto de Zamenhof en tiu letero altiĝas ĝis nivelo de tiaspeca internaciismo, kiu rekte kaj sen kompromisoj antipodas al naciismo kaj ŝovinismo. Al la komentoj, kiujn mi jam faris aliloke[24], mi emas ĉi tie nur aldoni, ke la entreprenita fondo de la Hebrea E-Ligo, kiel kultur-kleriga organizo, estis rezulto de la klopodoj por realigi paŝon al la „naci-kultura aŭtonomio" de la hebreoj. Jam tiutempe V. I. Lenin sisteme kaj trafe senmaskigadis starigon de „naci-kultura aŭtonomio", kiel danĝera naciisma fenomemo[25]. La fakto tamen, ke Zamenhof energie rifuzis partopreni aferon de la „naci-kultura aŭtonomio" pro ideologiaj konsideroj indikas elokvente, ke en ĉi-tiu konkreta kazo li firme staras sur leninisma pozicio kaj decideme ĝin defendas.

Krom tio, verkante sian traktaĵon „Post la Granda Milito" (1915) Zamenhof, simile al la progresemaj kaj revoluciaj homoj de tiu epoko, severe kondamnas la unuan mondmiliton: „Terura milito nun ekkaptas preskaŭ la tutan Eŭropon. Kiam finiĝos la grandamasa reciproka buĉado, kiu tiel forte malhonoras la civilizitan mondon . . .[26]". Por pli precize evidentigi la negativan rilaton de Zamenhof kontraŭ la unua mondmilito, estus necese rememorigi ĉi tie, ke la grandega plimulto de la social-demokrataj partioj el la II-a Internacio amase ekstaris sur burĝaj, naci-ŝovinismaj pozicioj, helpante per tio al sialandaj militaristoj. Perifrazante ankoraŭfoje sian kondamnon kontraŭ la unua mondmilito Zamenhof klopodas sugesti al la diplomatoj nepran forigon de la nacia subpremado el la vivo de la estonta, postmilita homaro: „Post la terura eksterma milito, kiu starigis la homaron pli malalten ol la plej sovaĝaj bestoj, Eŭropo atendas pacon. Ĝi ne atendas kelktempan interpaciĝon, sed konstantan, kiu sola konvenas al civilizita homa raso. Sed memoru . . . ke la sola rimedo por atingi tian pacon, estas *forigi* unu fojon por ĉiam la barbaran restaĵon el la plej antikva antaŭciviliza tempo: *la regadon de unuj gentoj super aliaj gentoj*"[27] (elstarigoj miaj: C. M.).

El tio sekvas, ke Zamenhof denove frontas ne nur la naciismon-ŝovinismon, sed ankaŭ la imperiisman ekspansiemon kaj koloniisman sistemon. Oni nun scias, ke la diplomatoj de gvidaj imperiismaj ŝtatoj, venkintaj en la unua monda milito, obeis nur la voĉon de siaj klasegoismaj interesoj kaj absolute neglektis la justan admonon de Zamenhof. La protestan voĉon de Zamenhof tamen estas en perfekta akordo kun la protestoj de la tiutempaj revoluciaj fortoj, kiuj ankaŭ pledis por justa paco, por paco sen perfortaj aneksoj. La pledo de Zamenhof por digna pritakso kaj por disvolvo en libero de la nacioj realiĝis en Sovet-Unio kaj nun ankaŭ en la ceteraj landoj de la reala socialismo.

## 4. De negativa apogeo al pozitiva kulmino de la interna ideo

Post la unua mondmilito abundis spekulado kaj mistifikado per la interna ideo. Kaj en la jaro 1926 la interna ideo atingis sian *negativan* apogeon en la personeco de Imanuel Olŝvanger, kiu estis eĉ distingita per premio far de la XII-aj Flor-Ludoj de Esperanto en Barcelona (Hispanio) pro lia speciala traktaĵo „Pri la Interna Ideo".

Olŝvanger predikas: „Ĉu la paco? Kion ĝi signifas? Kia estas la paco atingota de ni? Oni kutime kontraŭstarigas al „paco" la „militon". Sed tiu antitezo estas malzamenhofa, malvera. Ne pri tiu paco mi t.e. mia animo preĝas al dio . . ."[28]. Evidente Olŝvanger substituas la aktuale brulantan problemon „paco – militarismo" per flanka, jam malnoviĝinta kaj ne tiom aktuala problemo „homo – dio". Tia manovro ne estas utila.

La unua, kiu alarmis pri la erara maniero de traktado rilate al la interna ideo estis G. Demidjuk[29]. Nelonge post lia interveno aperis pozitiva rezulto. En elpaŝo dum la XXII-a UK de Esperanto en Oksfordo (1930) Olŝvanger revenas al la sama problemo kun memkritiko: „La interna ideo de Esperanto ne estas bone elmontrata. Ni bezonas novajn, junajn homojn kun novaj kaj sanaj

ideoj. Oni devas preni la vivon tia, kia ĝi estas kaj ne nur fari frazojn kaj sonĝi"[30].

En la 20-jara periodo (1919–1939) inter la du mondmilitoj okazis dek du maljustaj lok-militoj kaj intervenoj de imperiismo kaj el ili: ses en Azio, kvin en Eŭropo kaj unu en Afriko. (1–2) Post la interveno (kaj en Eŭropo kaj en Azio) de la 14 imperiismaj ŝtatoj kontraŭ la ĵus naskiĝinta Lando de la Sovetoj (1919–1921) sekvis la imperiismaj intervenoj (3) kontraŭ Soveta Hungario (1919), (4) kontraŭ Mongolio (1921), (5) de Britlando kontraŭ Turkio (1922). Post okjara paŭzo eksplodis sinsekve kaj eĉ paralele novaj agresoj kaj intervenoj: (6) de faŝisma Japanio kontraŭ nord-orienta Ĉinio. Tie japanaj imperiistoj starigis sian marioneton Manĉurio (1931–1933) – trampolino por pluaj baldaŭaj agresoj, (7) de faŝisma Italio kontraŭ Etiopio (1935–1936), (8) de faŝisma duopo Germanio kaj Italio kontraŭ la Hispana Respubliko (1936–1939), (9) la „granda milito" de Japanio kontraŭ Ĉinio (ekde 1937). En 1938 kaj 1939 okazis po du agresoj far de la faŝismaj (10) Japanio kontraŭ Sovetio (apud la lago Ĥasan, en 1938) kaj (11) kontraŭ la Mongola Popol-Respubliko (1939), (12) Germanio kontraŭ Aŭstrio (1938) kaj (13) kontraŭ Ĉeĥoslovakio (1939).

En tia cirkonstanco de intensiĝantaj agresoj kaj intervenoj la agado de la pacifismaj organizoj fariĝis pli serioza, pli vigla kaj aktuala: (1) En mallonga periodo la tradiciaj pacifistoj kaj la novaj pacbatalantoj koliziis kontraŭ dekkelkaj agresoj kaj intervenoj de imperiistoj kaj faŝistoj, tial la intereso al la pacifismaj kongresoj kaj aliaj pac-entreprenoj kreskis konsiderinde inter la progresemaj homoj, movadoj, organizajoj. Tiuj fariĝis alloga publik-areno por kontraŭbatali la faŝismon kaj la militarismon, kaj por defendi la pacon kaj la homan progreson: (2) ekzistis jam por unua fojo en la historio ŝtato, kiel Sovet-Unio, kiu estis stabila kaj konstante kreskanta pacfaktoro; (3) pri la pacafero en la kapitalismaj landoj jam energie ekinteresiĝis pri la paco ankaŭ la komunistaj partioj kaj granda aro da amasaj organizoj (sindikataj, kultur-klerigaj, sciencistaj, junularaj, feminismaj, religiaj k.a.), precipe post la 1935, iom antaŭ la eksplodo de la dua mondmilito.

En la E-movado aktualiĝis la interna ideo kun la malnova senco de esperantista pacifismo, sed iom perfektigita pro la partopreno de ferŝaj, pli progresemaj socifortoj. Estas granda honoro por la bulgara E-movado, ke la E-Societo de Sofio organizis specialan packunvenon la 18-an de marto 1936 okaze de la 65-jara datreveno ekde la Pariza Komuno (1871). Oni prelegis pri la brulanta problemo de la epoko „Esperanto kaj Paco", faris informojn pri la energia pac-agado de kelkaj amasaj organizoj en Bulgario, konigis ties rezoluciojn por paco kaj proponis tekston por rezolucio de la ĉefurbaj bulgaraj esperantistoj. Post vigla diskutado pri la „militminaco kaj paco" oni plue argumentadis por la paco kaj kontraŭ la militarismo sin apogante sur la internan ideon kaj sur la tradician pacifismon de d-ro L. Zamenhof. Kvankam la argumentado estis unuflanka kaj nesufiĉa, tamen la rezolucio praktike havis kontraŭfaŝisman tendencon. Tiu porpaca rezolucio estis unuanime aprobita far de la ĉeestanta esperantistaro de Sofio[31]. La priskribita socia fenomeno havis signalan karakteron. Ĝi komunikas, ke la interna ideo ĉe la esperantista amaso komencis metamorfozi de esperantista pacifismo al aktiva pacdefenda batalado kontraŭ la faŝismo, kontraŭ la imperiismo kaj kontraŭ ties militarismoj. Oni povas rajte konkludi, ke en la jaroj 1936–1939 la interna ideo atingis novan amasan enkarniĝon, kiu markas la *pozitivan* kulminon en sia disvolvo.

Post la dua mondmilito iuj esperantistoj klopodis restarigi la ĥimeran tradicion de politikaj reakciuloj mise kaj fuŝe traktadi la internan ideon. Per tio ili pruvis siajn miskonon, neinformitecon kaj malbonan intencon pri la direkto de disvolvo kaj pri la proceso de perfektiĝo ĉe d-ro L. Zamenhof. La metamorfozojn kaj la negativecon de tiuj esperantistoj detale kaj sukcese esploris kaj aprezis D. Blanke[32].

La platformo pri la agado de Mondpaca Esperantista Movado (MEM) nun bonege kontentigas la pacstrebojn de la progresema kaj aktive humaneca esperantistaro en la tuta mondo. Ĝi estas starigita en la somero de 1953 en u. St.-Pölten (Aŭstrio) far de kelkdekmembra kunveno internacia el elstaraj geesperantistaj pacdefendantoj, reprezentantaj ses landojn (Aŭstrio, Britlando, ČSSR – partoprenis skribe, Francio, Hispanio kaj Svedio). En la sekvaj jaroj dum la elektaj konferencoj de MEM, tiu platformo estis kelkfoje kompletigita kaj perfektigata konforme al la cirkonstancoj kaj konsiderante la propran sperton de la diverslandaj esperantistaj pacdefendantoj kaj – la sperton akumulitan dum la intensa kunlaboro en internacia, landa kaj loka niveloj kun la ĝenerala internacia pacdefenda movado, gvidata de la Monda Pac-Konsilio.

En la personeco de MEM kaj ties organo – la internacia E-gazeto „Paco" – la pacstreba testamento de d-ro L. Zamenhof trovis sian plej nelacigeblan realiganton kaj perfektiganton.

## 5. Notoj


1 Joh. Dietterle (red.): L.-L. Zamenhof – Originala Verkaro, Leipzig, 1929, p. 276–312.

2 Detlev Blanke (red.): Socipolitikaj aspektoj de la Esperanto-movado, Budapest, 1978, p. 169.

3 Edmond Privat: Vivo de Zamenhof, kvara eldono, Londono, 1957, p. 36.

4 Georgi Demidjuk: Evoluo de la Interna Ideo, p. 22–27, Kvardek Jaroj (1887–1927), Paris-Leipzig-Moskvo (1927).

5 E. Drezen: Zamenhof, (biografio), Moskvo, 1929, p. 10.

6 Detlev Blanke: a) Pri la „Interna Ideo" de Esperanto, p. 28–35, Paco, Bulteno de MEM-Sekcio en GDR, Berlino, GDR, 1979; b) Noto 2, p. 194–200.

7 D-ro Asnes: Letero al E. Boirac, Prezidanto de la Lingva Komitato (de 1906.12.18) p. 15, Bulgara Esperantisto, IL, 11, novembro, Sofio, 1980.

8 Kunĉo Vâlev: 65-jara Esperanto-jubileo de k-do Penko Petrov, p. 10–11, Bulgara Esperantisto, XXXV, 1, januaro, Sofio, 1966, p. 11.

9 Noto 1, p. 590, p. 365.

10 Canko Murgin: L. Zamenhof dum la revolucio en Rusio (1905–1907), p. 34–35, Paco, Bulteno de MEM-Sekcio en GDR, Berlino, GDR, 1980, p. 34.

11 Noto 1, p. 18–19.

12 Same, p. 336.

13 Lenin: Plena Verkaro, dua bulgarlingva eldono (tradukita el la kvina ruslingva), vol. 20, p. 20, Sofio, 1980.

14 Canko Murgin: Zamenhof – de pacifisto al pacdefendanto, p. 9–10, Paco, Oficiala organo de MEM, XXVII, 6, nov.–dec., Sofio, 1980, p. 10.

15 a) Noto 10, p. 34; b) Noto 14, p. 9–10.

16 Canko Murgin: L. Zamenhof dum la revolucí-prepara periodo en Rusio (1910–1914), p. 34–35, Paco, Bulteno de MEM-Sekcio en GDR, Berlino, GDR, 1981.

17 Gaston Waringhien (red.): Leteroj de L.-L. Zamenhof, vol. I, Paris, 1948, p. 199.

18 Same, p. 282, p. 281.

19 a) Noto 1, p. 410; b) Noto 17, vol. II, p. 318; c) Noto 1, p. 339.

20 Noto 1, p. 372.

21 Same, 336.

22 a) (L. Zamenhof): Homaranismo (Hilelismo), Peterburgo, 1906, p. 1; b) Noto 1, p. 314–315,

23 Noto 1, p. 371.

24 Noto 16.

25 Noto 13, vol. 24, 1981, p. 130–136.

26 Noto 1, p. 354.

27 Same, p. 357.

28 Noto 4, p. 26.

29 Same, p. 22–27.

30 Esperanto, Oficiala organo de UEA, XXVI, 362–363 (10–11), Ĝenevo, 1930, p. 166 (22).

31 Canko Murgin: Pacbatalo en 1936, p. 12, Paco, Oficiala organo de MEM, XXVIII, 5, sept.–okt., Sofio, 1981.

32 a) Noto 6, p. 28–35; b) Noto 2, p. 194–200.

